# PACO



OFICIALA ORGANO DE LA MONDPACA ESPERANTISTA MOVADO (MEM)

XIVa JARO N-RO 162/163 ELDONO DE LA GERMANA DEMOKRATIA RESPUBLIKO (GDR) MAJO/JUNIO 1967

## LA KASTELO WARTBURG

### HIERAŬ KAJ HODIAŬ

„Tiu ĉi historie altigita loko, tiu ĉi alte situanta observejo,
tiu ĉi germana „rigardu-en-la-landon".
respegulas nian pasintecon;
la grandaj linioj de nia historia evoluo videbliĝas,
kaj ni, nia nuntempo, staras kvazaŭ sub la sorĉordono de tiu
ĉi rigardo, kiel por respondecraporti . . ."

*JOHANNES R. BECHER*

La kastelo Wartburg, situanta meze en la verda koro de Germanujo, en la Turingia Arbaro, en la sud-okcidento de la GDR, estas ĉiujare celo de centmiloj da ekster- kaj enlandaj vizitantoj. La sciigo pri triobla jubileo, kiun la kastelo festas en la jaro 1967, entiris ankaŭ nin ĵurnalistojn en la torenton de la gastoj kaj igis nin dediĉi al ĝia historio specialan atenton. Multaj vojoj kondukas al la Wartburg, kaj por piedmigrantoj kaj por aŭtomobilistoj. Ni elektas mezoportunan vojeton kaj staras post proksimume unu horo, iomete malsekaj per la matena pluvo, kiel fruaj gastoj antaŭ la pordegejo de la tradiciriĉa kastelo, fondita en la jaro 1067, do antaŭ 900 jaroj. Kaj tio estas la unua jubileo. La Wartburg akiris sian signifon, kompare al samspecaj konstruaĵoj, dank' al pacaj okazintaĵoj, kiuj en la retrospektivo reprezentas kelkajn apogeojn de la germana historio.
En flanka koridoro de la pordegejo, kiu partigas la mallarĝan antaŭkorton de la ĉefkorto, la hodiaŭaj kastelmastroj, kunlaborantoj de la Wartburg-fondaĵo, donas al historie interesiĝantaj gastoj la unuan okazon konatiĝi kun la historio de la kastelo. Plurlingvaj sursonbendigitaj prelegoj pliprofundigas kaj kompletigas tion en la apuda prelegejo, same kiel ankaŭ la kastelgvidantoj. Ni entreprenu mallongan ekskurson en la pasintecon.

■

*„Kiam vi en Germanio zorgos pri daŭra paco, tiam ankaŭ la fremdaj popoloj estimos vin."*
Walther von der Vogelweide, 1208

En la unua epoko, en kiu la kastelo aperas en la vidpunkto de la germana historio, ĝi estis kiel sidejo de la landgrafo Hermann I. centro de la germana mezepoka kulturo. Ni menciu kiel du el la plej famaj kantistoj kaj poetoj de tiu tempo Wolfram von Eschenbach kaj Walther von der Vogelweide, kiu tiam levis sian voĉon kontraŭ la kvereloj de la teritoriaj princoj, kontraŭ la sinistra influo de Romo, akcelinta tiun disiĝon, kaj por paca germana patrujo. Iliaj verkoj, kiuj parte ĉi tie estiĝis, konservis ĝis hodiaŭ siajn belecon kaj signifon.
La dua signifoplena epoko en la historio de la kastelo situas en la periodo de la Reformacio kaj estas kaŭzo por la dua jubileo. En la jaro 1517 – antaŭ 450 jaroj – la tezoj, publikigitaj de Luther sur la kastelpreĝejo en la urbo Wittenberg, instigis la tutan landon al revolucia movado de la popolamasoj kontraŭ la postrestintaj ekonomiaj kaj politikaj cirkonstancoj en Germanujo. Tiu movado superis sian originan konfesian signifon kaj atingis sian apogeon en la Kamparana Milito en la jaro 1525.
Prirabita de ĉiuj civitanaj rajtoj fare de la papo kaj la imperiestro, trovis Luther azilon en la kastelo Wartburg en la jaro 1521 dank' al la helpo de princo, simpatiinta kun li. Ĉi tie ekestis lia traduko de la Biblio. Sur ĝi baziĝas unueca germana literatura lingvo, kiu samtempe estis armilo kaj komprenigilo por la revoluciaj urbanoj, kampuloj kaj plebanoj en la ĉiam ankoraŭ disigita Germanio.

*„Leĝoj ne estas dekretoj kaj ordonoj; ili devas eliri kaj esti aprobataj de tiuj, kiuj vivu laŭ ili."*
*El la „Principoj kaj decidoj" de la Wartburg-festo de la Germana Studentaro, 1817*

La tria evento, kies 150-an datrevenon oni festas en la jaro 1967, montras la progreseman studentan junularon – organizitan en la Germana Studentaro – kiel reprezentanton de la demokrata, nacia ekviviĝo, inspirita de la ideoj de la granda franca revolucio. Krom alvoko al nacia unueco enhavas la programo de la Wartburg-festo akcentitajn demokratajn postulojn: „Ni volas zorgi pri la plej malsupraj klasoj de la homa socio des pli forte, ju pli profunde ili vivas en mizero" aŭ „Privilegioj ne estas ligeblaj kun justeco. Kie ekzistas privilegiatoj, tie ekzistas ankaŭ malprivilegiatoj." Ilia protesto kontraŭ la spirita sklavigo per la feŭda regado kulminis dum simbola bruligo de reakciaj kontraŭpopolaj „pamfletoj" en la korto de la Wartburg.

■

Post tia koncentrita leciono pri historio allogas nin rigardo en la malproksimon. De sur la dentmura suda turo nia okulo vagas trans la verdaj arbaroj kaj herbejoj de Turingio. Sunradioj brilas sur la ora kruco de la centra turo kaj direktas la rigardon denove en la korton kaj sur la konstruaĵon de la kastelo. La „Enmarŝo de la gastoj en la Wartburg" atingis intertempe sian kulminon; sed kun pli multnombra rolularo ol en la romantika Wartburg-opero „Tannhäuser" de Richard Wagner. Ni denove malsupreniris al la svarmanta homamaso. La babilona labirinto de lingvoj kaj dialektoj ĉi tie dokumentas konvinke la internacian intereson pri la Wartburg.
Antaŭ ni la palaco, la plej malnova kaj samtempe plej bela konstruaĵo de la kastelo, konstruita fine de la 12-a jarcento, en la tempo de la landgrafo Hermann, atestas pri la mirinda kreoforto de siaj konstruintoj. Krom la teretaĝaj ejoj, konservitaj en la origina simpla formo, estas antaŭ ĉio la ĉambro de la landgrafino Elisabeth alloga punkto por la vizitantoj.
Sed ĝiajn kolorriĉajn vitrajn mozaikojn oni instalis nur komence de la 20-a jar-

1



2

1. *La kapelo en la Palas, unu el la plej malnovaj profankonstruaĵoj de malofta beleco.*
*Foto: Zentralbild*

2. *Rigardo en la festsalonon kun la flago de la Germana Studentaro, kiu kunsidis ĉi tie la 18-an de oktobro 1817* *Foto: Zentralbild*

3. *La orienta defendirejo* *Foto: Zentralbild*

4. *La ĉambro de Luther en la voktejo de la Wartburg. Ĉi tie ekestis la traduko de la Biblio en la germanan lingvon. Sur la lignotabulaj muroj pendas verkoj de la pentristo Lucas Cranach la pli aĝa, bona amiko de Luther, inter aliaj lignogravuraĵo, kiu prezentas la reformaciinton kiel la barban „Junkron Jörg", kies rolon li, pro sia sekureco, devis ludi ĉi tie.* *Foto: Zentralbild*

3



4



cento. En la mezetaĝo ni trovas fantaziplenajn freskojn, reprezentantajn vivon kaj agadon de la juna landgrafino Elisabeth, kiun oni sanktuligis pro ŝia abnegaciplena vivo en la servo al la malriĉuloj kaj malsanuloj. Tiun kaj aliajn legendojn el la historio de la kastelo eternigis Moritz von Schwindt, majstro de la germana romantika pentroarto, en la kadro de la vasta renovigo en la 19-a jarcento. Ili apartenas hodiaŭ al la arttrezoroj de la palaco.
La festsalonon, kiu okupas la tutan supran etaĝon, ni aprezas kiel kunvenejon de la Studentaro. Tiam ĝi aspektis ankoraŭ alie. Ĉian pompan ensemblon, kiu ĉe la hodiaŭa vizitanto elvokas certan inkubon, ĝi ricevis fine de la 19-a jarcento. La plafonkonstruo, rekomendita de Franz Liszt persone, kaŭzas bonan akustikon. Tio estas avantaĝo por la ĉi tie regule okazantaj koncertoj kun famaj plenumantoj.
Ni direktu niajn paŝojn denove al la pordegejo kaj ĝuu la faman rigardon al la ĉarpentaĵa konstruaĵo de la voktejo en la antaŭkorto. En ĝia unua etaĝo troviĝas la ĉambro de Luther, kiu altiras jam dum jarcentoj arojn da vizitantoj el multaj landoj. Sur la kompakta lignotablo kuŝas Biblio kun marĝenaj notoj, skribitaj per la mano de la reformaciinto Martin Luther. Dum la jarcentoj la memoraĵkolektantoj bedaŭrinde disprenis ero post ero la tablon, kiun li iam uzis. La hodiaŭa tablo devenas el la gepatra domo de Luther.



La remedito pri tio, kion ni ĵus vidis kaj aŭskultis, resonigas en ni nun, jarcentojn pli poste, la vokon al Germanio, vivanta kun la popoloj en paco kaj regata per la volo de la popolo. La ŝtato, sur kies teritorio la Wartburg leviĝas, ne bezonas timi la respondecon antaŭ tiu voko. Ĝi plenumis la postulojn de tiu voko, kiuj konserviĝis dum la ĥaosoj de la jarcentoj. Per la fine atingita kunagado de ĉiuj honestaj kaj progresemaj fortoj oni ĉi tie solvis tiujn problemojn de la germana historio, kiuj endanĝerigis la propran kaj aliajn popolojn. Ke tio okazis ankoraŭ ne en tuta Germanio; ke en la alia parto ankoraŭ ĉiam regas potencoj, alkroĉantaj sin al la malfeliĉplena pasinteco kaj pretaj al neado de la amaraj instruoj de la germana historio; ke de tie ĉiam ankoraŭ minacas teruraj danĝeroj la germanan kaj aliajn popolojn – tio estas la serioza, nemisaŭdebla admono de la Wartburg. Admono, gardeme kaj saĝe kontraŭstari tiun danĝeron, konscie de ĉiuj bonaj tradicioj de tiu ĉi loko.

– sch –

*(Tradukis: Renate kaj Dieter Berndt el „DDR"-Jurnalo el la Germana Demokratia Respubliko)*

# ANKAŬ LA BORDO DE BALTA MARO VALORAS VOJAĜON



*Foto: E. Seidenstricker*

Al la plej ŝatataj vojaĝceloj en nia respubliko apartenas la strando de la Balta Maro kun siaj insuloj Rügen, Usedom, Poel kaj Hiddensee kaj la vaste konataj banlokoj Boltenhagen, Kühlungsborn kaj Zinnowitz aŭ Bansin, Heringsdorf, Ahlbeck, nur por nomi kelkajn.
Tie moviĝas ĉiujare dekmiloj en la malvarmetaj ondoj aŭ sunbruniĝas sur la strando. Multaj turistoj de proksime kaj de malproksime vizitas la marbordajn urbojn kun la havenoj, la novaj ŝipkonstruejoj, la fabrikoj de fiŝkonservoj kaj la multegaj ceteraj laborejoj apartenantaj al la popolo. Ne malmultaj ekskursoj fine celas al modele estrataj agrikulturaj entreprenegoj. Ili ĉiuj signas la novan aspekton de regiono, kiun oni nomis ĝis 1945 j. inter la plej malprogresintaj. Sed tiuj, kiuj ŝatas nek banadon inter ĝojbruaj homoj kaj ekskursajn veturadojn dum la tago, nek amuzadon dum la nokto en komfortaj klubejoj aŭ dancejoj, tamen sur la strando de la Balta Maro plene profitas, kiel montras niaj fotoj. La distrikto de Rostock, kie ĉiujare okazas la Semajno de la Balta Maro, valoras vojaĝon.

*Trad. d-ro P. W. Ruff*

*Kreta bordo Rügen / Balta maro* *Foto: Klaus Ender*



**Vjetnamio**
**situas en Sudorienta Azio.**
**Tre fore kelkiuj pensas.**

*Vjetnamio tamen proksimas!*
*Ĉia nomo profunde stampis*
*nian penson kaj senton,*
*dolorprofunde – vundo,*
*kiu nin devigas*
*ĉiam pensi pri ĝi.*
*Ĉar en Vjetnamio la popolo*
*batalas kontraŭ la grandaj rabistoj.*
*Kaj la spertaj rabistoj*
*en la okcidentgermana*
*Federacia Respubliko opinias,*
*ke per tiu pereiga rabinvado*
*de Usono*
*venis ankaŭ*
*sia granda ŝanco,*
*la granda negoco*
*kun la atomarmiloj.*
*Ilia helpo por Usono en Azio*
*kompense al mallimigo de ilia agado*
*en Eŭropo*
*– – mallimigo de la Atombombo!*

*Vjetnamio tre proksimas al ni.*
*La tieaj batalantoj, la afabla,*
*gracia popolo, estas armeo*
*el rigoraj ĝismorte kuraĝaj soldatoj.*
*Ĝi batalas*
*kontraŭ la organizita malhomeco,*
*kiu per gaso kaj veneno*
*sufokas fekundajn kampojn,*
*brulas pacajn vilaĝojn*
*kaj gregojn,*
*murdas infanojn, patrinojn kaj*
*maljunulojn.*

*La popoloj komprenas,*
*ke en Vjetnamio*
*oni batalas*
*por ĉiuj pacamaj homoj.*
*Kaj pro tio ili demonstracias*
*surstrate de ĉiuj urboj de l' mondo*
*por la Vjetnamia popolo.*

*„Por Vjetnamio"*
*nomiĝas tiu ĉi akvafortaĵo.*
*La batalantoj estas*
*kaŝitaj en la ĝangalo.*
*Per la beleco de plantoj*
*kaj floroj mi celis parabolon*
*por la skua beleco*
*de ilia justa batalo*
*por homrajto*
*kaj homdigno.*
*Mia akvafortaĵo*
*devis esprimi la grandan amon*
*kaj respekton, kiujn ni*
*sentas por Vjetnamio.*
*Vjetnamio tre proksimas al ni.*

*Profesoro Lea Grundig*
*Prezidantino en la Asocio de Formantaj Artistoj en GDR.*

*Trad.: H. Eichhorn*





*Patrino kaj infano vunditaj – morton kaj pereon alportis usonaj aviadiloj per napalmo kaj bomboj al paca vilaĝo.* Foto: Zentralbild

*Tiu maljuna sud-vjetnama kamparano atendas kun aliaj vilaĝanoj „aŭskultesploron" per usonaj dungsoldatoj* Foto: Zentralbild

# VJETNAMIO – la „Hispanujo" de Usono

De pastoro Mochalski, Bremen

„Ĉis kiam la konservativa antikomunismo ne estos entombigita, paca kunekzistado de la nacioj ne estas ebla. La milito en Vjetnamio devas finiĝi per niaj komunaj penegoj, ĉar aliokaze dum ĝia plua evoluo pro la konstatebla salteca pliiĝo de la popolanaj nombroj en Azio ekevoluos senbrida rasmalamo kontraŭ ĉiuj blankuloj. Ĉiuj krizejoj en la mondo iel interrilatas."

Ĉi tiun konkludon faris la eldonisto en Frankfurt/M., pastoro Herbert Mochalski, membro de la mondpackonsilantaro, la 19. 11. 1966 pro sia meditado pri la milito en Vjetnamio kaj la problemo de l'eŭropa sekureco, kiun li prezentis al konferenco arangita de la landa packomitato Bremen.

Pastoro Mochalski tre detale parolis pri la kundependecon de l'okazajoj en Vjetnamio kaj de la evoluemoj en Eŭropo. Laŭ lia opinio estas la devo de la pacmovado, ne per facilaj indignoj, sed per konkreta faktaro malkaŝi la monstraĵojn de la krimeca milito de Usono en tiu dolorigadata lando. Li nomis la militistajn farojn de la registaro Johnson en Vjetnamio absolutan atakmiliton, kiu, rompinte la UNO-Ĉarton, per la militistara potenco de tiu granda lando, kondukis la tutan homaron al la rando de atomara katastrofo. Unika aŭ-aŭo laŭ Mochalski: Revoko de la usonaj trupoj aŭ batalado ĝis la lasta vjetnamo. Estas la tasko de la pacmovado en la loĝantaro de Germana Federacia Respubliko, voki al rezistado kontraŭ ĉi tiu milito kaj kontraŭ ĉia subteno de la Federacia Registaro al Usono aŭ reĝimo Ky en Sajgono.

Plia etendiĝo de la milito kontraŭ Vjetnamio povus konduki al tria mondmilito kaj delogi Usonon al aventurema politiko en Eŭropo. La vjetnamia eksperimento de „milito inter limoj" povus fariĝi ankaŭ ekzemplo por Eŭropo kaj aliloke, tiel, kiel iam Hispanujo tio estis por Hitler kaj Musolini. Ju pli varmega la milito en Vjetnamio, des pli malvarmega la Malvarma Milito en Eŭropo.

La tasko de la pacmovado estas, uzi la relativan kvieton en Eŭropo, por sur ĉi tiu kontinento atingi pli ampleksan pacon inter la grandpotencoj. La kvieto en Eŭropo ne trompu ke ĉi tie ĉio estas en ordo.

*(Laŭ „Deutsche Volkszeitung" de la 2. 12. 66*
*Trad.: D-ro Adolf Halbedl, Aŭstrujo)*

*–CR–*

# PROTESTOJ EL LA TUTA MONDO

## Francujo

### Kemiaj kaj biologiaj armiloj ......

Ĉiu superpartieca kaj sagaca observanto al kiu oni petas karakterizi la nunajn jarojn certe respondus: en Azia Sudoriento la plej riĉa, plej industriigita, plej bone armita potenco ekde jaroj persistege provas ekstermi etan landon situantan dek mil kilometrojn de ĝiaj landlimoj, loĝatan de malriĉa kaj kuraĝa loĝantaro, kiu apenaŭ releviĝis el multaj militjaroj, kiu neniam minacis nek atakis sian agresanton, sed kiu rezistas kaj rifuzas submetiĝon kun decidemo, kiu vekas admiron.

Se la civitanoj de tiu lando estas flavhaŭtaj kaj preferas socialismon kaj liberecon al la reĝimo de „libera entrepreno", tio ne povas, oni facile konsentos pri tio, pravigi la agreson kies viktimoj ili estas.

Sed ekzistas alio. Fariĝis preskaŭ banalaĵo diri, ke la homaro pasis el la aĝo de la industria revolucio al tiu de la scienca revolucio.

Nia scio pri la leĝoj de l' Naturo ampleksiĝas ĉiutage. La limtempo inter scienca malkovro kaj ĝiaj teknikaj aplikoj fariĝas pli kaj pli kurta.

Kaj tamen grava frakcio de la homaro ne profitis la progreson kaj estas minacata de malsatego dum oni detruas troaĵojn kaj liveras al ĝi armilojn.

Kaj tamen, en la Usonaj laboratorioj, „sciencistoj" klopodas finanraĝi novajn bakteriajn armilojn.

Kaj tamen, en la Usonaj arsenaloj oni inventas efikajn armilojn kontraŭ bestoj, homoj, infanoj.

Kaj ĉiuj tiuj armiloj, produktoj, bakterioj estas eksperimentataj de la Usonaj armefortoj, kaj estas la viroj, virinoj, infanoj, arbaroj, rikoltoj de Vjetnamo, kiuj servas al ili kiel kobajoj!

„Scienco sen konscienco estas nur ruino de la animo". Ĉu oni tro ofte ripetis tiun frazon, por perdi aŭ forgesi ĝian sencon?

Kiom da tempo la civitanoj de ĉiuj landoj lasos daŭrigi la defion, kiun la Usonaj armefortoj ĵetas al moralo kaj civilizacio?

*Pierre BIQUARD, Doktoro pri sciencoj*
*Trad. W. G. el „Combat pour la Paix"*
-CR-

## Japanujo

Ni ricevis „PACON EN VJETNAMIO" n-ro I (Novembro 1966), eldonitan de Esp.-Buroo por paco en Vjetnamio, ĉe KLEG en OSAKA (Japanio). Devas aperi almenaŭ 4-foje en jaro.

Estas evidente, ke la milito en Vjetnamio speciale tuŝas la japanan popolon, kaj tute trafa estas la frontartikolo de Miyamoto Masao, kiu sin turnas „al sinceraj kaj honestaj esperantistoj en la mondo". Ni speciale salutas tiun 16-paĝan bultenon, entute dediĉitan al la batalo kontraŭ la usona agreso. Ne temas ĉi tie pri falsa pacifismo, kiu ne volas elekti inter la agresanto kaj la agresato, inter murdisto kaj viktimo. Iu artikolo rimarkigas, ke se la neperforta movado de Gandhi akiris politikan sukceson kontraŭ la brita imperiismo, tia rimedo neniel utilus kontraŭ la nazia Germanio: do neperforta ago ne estas la ununura vojo. Aliloke oni citas la Beheiren Japanan komitaton „Pacon por Vjetnamio!", kies ĉefaj sloganoj estas: „Pacon por Vjetnamio – Lasu Vjetnamion al la vjetnamoj! – La japana registaro ne helpu Usonon en la vjetnama milito!"

Kaj kompreneble estas citita la striko organizita de Sôhyo (ĝenerala konsilantaro de japanaj laboristaj sindikatoj) kontraŭ la agresmilito de Usono.

Kvankam neniu artikolo mencias nian movadon, oni devas supozi, ke inter japanaj MEM-anoj kaj tiu bonega bulteno ekzistas tre proksima parencceco?

*W. G.* -CR-

### IDFF malaprobas fiajn krimojn de Usono

Nome de milionoj da virinoj *Internacia Demokrata Virina Federacio,* al kiu apartenas ankaŭ Demokrata Virina Ligo de Germanio, denove malaprobis en protesta telegramo al la Usona prezidanto la kruelajn sangoverŝojn de usonaj soldatoj fare al sudvjetnamaj virinoj kaj infanoj. „IDFF reprezentante milionojn da virinoj el ĉiuj landoj kaj sociaj sistemoj tutplene subtenas la batalon de la vjetnamaj virinoj por sendependeco kaj suvereneco de ilia lando, kaj postulas en la nomo de la virinoj de la tuta mondo la tujan ĉesigon de la brutecaj usonaj agresoj kontraŭ la enloĝantaro de Suda Vjetnamio, la kondamnon de tiuj, kiuj estas respondecaj pri tiuj ĉi senekzemplaj krimoj kontraŭ la homaneco, la senprokrastan ĉesigon de la atakoj el aero kontraŭ Nord-Vjetnamio kaj la tujan malokupon de la vjetnama teritorio flanke de la usona armeo, surlande, enaere kaj surmare, kaj de ĉia militmaterialo", deklaras la organizaĵo.

*Trad. H. M.*

## Danlando

*La verkisto Hans Magnus Enzenberger* diris dum intervjuo kun la dana gazeto „Politiken":

„Normalaj homoj hodiaŭ faras la samajn krimojn kiel Hitler kaj Himmler. Tion oni observas en Vjetnamio. Estas menssanaj kaj normalaj Usonanoj kiuj tie mortigas kaj torturas senarmajn homojn. Oni ne povas pli bone studi la faŝismon hodiaŭ ol en Vjetnamio. Tie Oŝwiecim (Auschwitz) ne estas estinteco sed estanteco.

*Trad.: W. Vildebrand („Freie Welt" 1/1967)*

### Kiu parolas en nomo de eklezio?

La franca gazeto LE MONDE publikigis la jenan telegramon ricevitan de la usona skulptisto CALDER kaj aliaj rimarkinduloj: „Ni sendis hodiaŭ la jenan mesaĝon al Lia Papa Moŝto Paŭlo VI-a: Kiu parolas en nomo de Eklezio, kardinalo SPELMAN por la milito aŭ Via Papa Moŝto por la paco? Estus urĝe, precizigi la veran penson de la Eklezio: pax americana aŭ universala akordigo".

Alexander kaj Luiza James CALDER, Profesoro kaj S-ino Bruce FRANKLIN, Ives kaj Aube ELLEOUET, Sandra kaj Johano DAVIDSON, Kenneth ROWER.

*Trad. W. G.* -CR-

# La Germana Kulturligo transdonis mondonacon por Vjetnamio



*Profesoro Max Burghardt, prezidanto de la Germana Kulturligo (Zentralbild/Zimontkowski)*

*La 19-an de decembro okaziĝis laŭ invito de la prezidanto de la Germana Kulturligo prof. Max Burghardt en la berlina „Klubo de la kulturkreantoj Johannes R. Becher" amikeca renkontiĝo kun la estro de la sudvjetnama Fronto de Liberigo en la GDR. En la interparolado kondukata en kora atmosfero prof. Max Burghardt transdonis pluan mondonacon de 30500 markoj donacitaj de la membroj de la Germana Kulturligo por la liberigbatalo de Sudvjetnamio.*

*Per kortuŝantaj vortoj Duong Dinh Thao priskribis la heroan bataladon de la sudvjetnamaj patriotoj kontraŭ la usonaj agresantoj. Li tre kore dankis pro la pruvoj de solidareco de la Germana Kulturligo kaj la nova al li transdonita donaco. Ni publikigas ĉi sube eltiraĵojn el la parolado de prof. Max Burghardt kaj el la letero al la Unuiĝo de verkistoj kaj artistoj por la liberigo de Sudvjetnamio.*

**Prof. Max Burghardt:**

Estimataj amikoj kaj kamaradoj!

Mi tre ĝojas, ke vi sekvis nian inviton, kaj ke ni povas kore bonvenigi vin en nia klubejo „Johannes R. Becher". Ĉar vi morgaŭ solenas la sesan fojon vian feston de la fondiĝo de la Nacia Fronto por la Liberigo de Sudvjetnamio, mi volus transdoni al vi en la nomo de la prezidantaro de la Germana Kulturligo niajn plej korajn bondezirojn.

Kvankam Usono de jaro al jaro plialtigas la nombron de siaj dungitoj kaj kondukas kun ĉiam pli abomenaj armiloj kruelan de ĉiuj pacamaj homoj ege kondamnitan militon kontraŭ la brava sudvjetnama popolo, evidentiĝas ĉiam pli, ke ili ne povas venki la heroan vjetnaman popolon. Ĉiam pli da homoj en la mondo kondamnas ĉi tiun agreson kaj la militkrimajn metodojn de Usono rememorigantajn al la tempo de la faŝismo. Kun indigno ni, la kulturkreantoj kaj intelektuloj de la Germana Demokratia Respubliko, kondamnas ĉi tiujn militkrimojn de Usono.

Nia arda amo apartenas al la kuraĝa vjetnama popolo, kiu tiel firmdecide rezistadas al la malhumana agreso. Al ĝi ni helpas per niaj tutaj fortoj. Sed al la cinikaj barbaroj apartenas nia malamego.

Ekzistas nur malmultaj ŝtatoj, kiuj subtenas la usonajn agresantojn en ilia malpura kaj krima milito. Ni profunde bedaŭras, ke al ĉi tiuj ŝtatoj apartenas ankaŭ la okcidentgermana Federacia Respubliko. La okcidentgermana imperiismo kaj militismo sin montras per tio denove kiel pacrompanton en Eŭropo kaj en la mondo.

La Germana Kulturligo subtenis per siaj modestaj eblecoj en multobla maniero la liberigbatalon de via popolo. Permesu al mi, estimataj kamaradoj kaj amikoj, citi por tio kelkajn pruvojn de solidareco.

En Dresdeno 1000 kulturkreantoj -- tuj post la 21-a datreveno de la barbara detruo de sia urbo per usonaj bombaviadilaj formacioj -- kondamnis en impona mitingo la usonan agreson en Vjetnamio kaj ties subtenon per la okcidentgermana registaro, kaj deklaris sian solidarecon kun la brava vjetnama popolo.

Dank' al la iniciativo de la Germana Kulturligo mitingoj okaziĝis en multaj urboj de la GDR. Rezulte de tio mondonacoj estas jam ĝiritaj al la solidarecfonduso.

Ĉe manifestacio okaze de la mondpaca tago en Kleinmachnow la verkistino Christa Wolf faris sin parolanto de ĉi tiu sentimento skurĝante per akraj vortoj en la nomo de humaneco la honton de la usona faŝisma agreso kontraŭ la pacama popolo en Malproksima Oriento.

200 kulturkreantoj kaj intelektuloj de Weimar protestis kontraŭ la malhumana atako kontraŭ la vjetnama popolo kaj aprobis kaj subtenis la akuzon, kiun internacie rekonitaj scienculoj kaj verkistoj kiaj Bertrand Russell kaj Sartre en la nomo de humaneco direktis kontraŭ Johnson.

En Cottbus artolaŭreatoj de la departemento organizis solidareckunvenon. La enspezo de 1000 markoj el la vendado de artaĵoj estis disponigita al la solidarecfonduso.

Grandaj mondonacoj estis akiritaj ankaŭ ĉe artaĵaŭkcioj en Potsdam, Guestrow, Suhl kaj aliaj urboj de la respubliko, en kunvenoj okaze de la „semajno de la libro", de la Amikoj de arto kaj literaturo, de la Amikoj de naturo kaj hejmlando, de la filatelistoj kaj *esperantistoj*. Menciita ankaŭ estu la ekspozicio de la filatelistoj aranĝita kune kun la Georgi-Dimitroff-Muzeo en Leipzig sub la moto: „Venkanta Vjetnamio", kiu rezultigis netenspezon de 5000 markoj por la solidarecfonduso.

Sub la impreso de la heroa luktado de la sudvjetnama Fronto de Liberigo kaj kaŭze de la barbara teroro de la usonaj agresantoj ankaŭ estiĝis multaj novaj

artoverkoj fare de verkistoj kaj artistoj, kiuj esprimas la solidarecon de iliaj kreintoj kaj la fratecan kunligecon de nia intelektularo kun la vjetnama popolo.
Specialan kontribuon faris niaj amikoj en la departemento Suhl. Sub la devizo: „Nia koro batas por Vjetnamio" ili organizis inter la kulturkreantoj de sia departemento ampleksan solidarecmovadon.
Karaj amikoj kaj kamaradoj! Ni ĝojas, ke ni povas transdoni al vi hodiaŭ en la nomo de la prezidantaro de la Germana Kulturligo pluan mondonacon de 30500,– markoj por la subteno de la liberigbatalo de nia vjetnama frata popolo. Ni staras en via malfacila luktado ĉe via flanko. En la nomo de humaneco ni postulas la senkondiĉan ĉesigon de la bombatakoj kontraŭ Nordvjetnamio kaj la foriron de la usonaj trupoj el Sudvjetnamio. Ni postulas de la usona registaro, ke ĝi respektu la fundamentajn rajtojn de la vjetnama popolo kaj observu la Ĝenevan Hindoĉinan Konvencion. Ni petas vin transdoni nian fratecan saluton al la kulturkreantoj kaj intelektuloj unuigitaj en la Nacia Fronto por la Liberigo de Sudvjetnamio kaj certigi al ili nian solidarecon.

**Letero de la Germana Kulturligo**
*al la Unuiĝo de verkistoj kaj artistoj por la liberigo de Sudvjetnamio.*

*Estimataj amikoj!*
*En la nomo de la scienculoj, artistoj, verkistoj, inĝenieroj, pedagogoj kaj kulturinteresitaj laboruloj ni transsendas al la Unuiĝo de la verkisto kaj artistoj por la liberigo de Sudvjetnamio niajn plej korajn salutojn.*
*Dum la tempo de la batalo kontraŭ faŝismo la plej bonaj germanaj verkistoj kaj artistoj batalis ĉe la flanko de la laborista klaso en la „Nacia Komitato Libera Germanio" por la liberigo el faŝismo, por demokrata renaskiĝo de Germanio. Multaj el ĉi tiuj kulturkreantoj inter ili Johannes R. Becher, Friedrich Wolf, Erich Weinert, Willi Bredel kaj aliaj apartenas al la fondintoj de nia organizo. Nia koro pro tio batas por tiuj artistoj kaj verkistoj de Sudvjetnamio, kiuj kune kun la laboristoj kaj kamparanoj batalas por la liberigo de la popolo.*
*Ni tre ĝojas pri tio, ke ne sole la verkistoj kaj artistoj de la GDR, sed ankaŭ artistoj kaj verkistoj de okcidenta Germanio protestas pli kaj pli ofte kontraŭ la usona milito en Sudvjetnamio.*
*La membroj kaj amikoj de nia organizo aranĝis multe da solidareckunvenoj kaj manifestacioj por la liberigo de Sudvjetnamio kaj transdonis multnombrajn mondonacojn al la oficanta estro de la Konstanta Reprezentado de la Nacia Fronto por la Liberigo de Sudvjetnamio en la Germana Demokratia Respubliko. Sennombraj estas la pruvoj de amo kaj kunligeco de la kulturkreantoj de nia organizo por la vjetnama popolo.*
*Ni transsendas al ĉiuj verkistoj de via unuiĝo niajn fratecajn batalsalutojn. Ni certigas al vi, ke en via justa batalo ni firme staras ĉe via flanko.*

*En amika kunligeco*

*Prof. Max Burghardt*
*prezidanto*

*Karl Heinz Schulmeister*
*unua ligsekretario*

*Al la prezidanto*
*de la Germana Kulturligo*
*kamarado prof. Max Burghardt*
*Berlin.*

*Berlin, la 7-an de januaro 1967.*

*Tre estimata kamarado prezidanto!*
*Permesu al mi en la nomo de la Konstanta Reprezentado de la Nacia Fronto por la Liberigo de Sudvjetnamio kaj ankaŭ en mia propra nomo transdoni al vi kaj en via persono al la Germana Kulturligo nian profunde sentitan dankon pro viaj koregaj bondeziroj okaze de la 6-a datreveno de la fondiĝo de nia Liberigo-Fronto. Nia danko estas ankaŭ por la mondonacoj de la kunlaborantoj kaj amikoj de via organizo.*
*Ni alte estimas vian konsiderindan kontribuon same kiel tiun de la Germana Kulturligo al la solidarecmovado de ĉiuj tavoloj de la frateca loĝantaro de la GDR kun la vjetnama popolo batalanta kontraŭ la usonaj agresantoj por la nacia liberigo. Via kontribuo same kiel la granda solidarecmovado de la GDR kun Vjetnamio estas bela esprimo de la solidara kunligeco inter niaj du popoloj en la komuna luktado kontraŭ la usonaj kaj okcidentgermanaj imperiistoj. Kune kun la mondvasta solidarecmovado de ĉiuj pacamaj popoloj via subtenado forte stimulas nian popolon, kiu estas firme decidata konduki sian patriotan batalon ĝis la fina venko.*

*Kun fratecaj batalsalutoj*
*Tran Huu Kha*

*Oficanta estro de la Konstanta Reprezentado de la Nacia Fronto por la Liberigo de Sudvjetnamio en la GDR.*

*(Trad. Karl Maier)*

---

# EN LA MOLDAVA SOVETA SOCIALISMA RESPUBLIKO

okazis de 10.–25. VIII. 1966. Moldavia Esperanto-Tendaro kun Somera Universitato, en kies kadro estis prezentitaj prelegoj pri diversaj temoj. Ekzemple: „Metodiko de prelegado pri Esperanto", „Impresoj pri la 51-a UEA-kongreso en Budapeŝto kaj pri la TEJO-kongreso en Pécs", „Gorki kaj Esperanto", „Evoluo de kulturo", „Riĉeco kaj ekonomio de lingvo", „Tanejev – komponisto kaj esperantisto".
Krome ĉiun duan tagon regule okazis kunvenoj de Libera Tribuno, gviditaj de Janis Abramoviĉ (Riga). Dum la kunvenoj estis priparolataj gravaj demandoj de ĝenerala intereso. Oni parolis i. a. pri superaj korespondaj kursoj; pri amikeco de USSR kun eksterlando kaj kunlaboro kun Unio de Sovietaj Societoj de Amikeco kaj Kulturaj Ligoj kun Eksteraj Landoj: pri bonstila kaj senriproĉa korespondado.
Dum la tendaro okazis krome kunvenoj de literaturistoj, Esperanto-instruistoj kaj ĵurnalistoj, po unu Esperanto-kurso por komencantoj kaj progresintoj. Estis organizitaj ekspozicio, koncertoj kaj bankedo, aperis murgazeto kaj funkciis tendara biblioteko.
La II-an Moldavian Esperanto-Tendaron partoprenis 82 personoj, reprezentantoj de 28 urboj de Sovetio. 36 tendaranoj havis superan kaj 32 – mezan kaj nefinitan superan klerecon. 40 personoj estis ĝis 30 jarojn aĝaj.

*El letero de Benita Kärt, Tallin, Estonio/USSR*
*–CR–*

# PACAJ MOVADOJ EN JAPANUJO

(Sekvo de artikolo aperinta en PACO n-ro 157)

### 3. Defendo de japana paca konstitucio

Japana nacio havas unikan en la mondo konstitucion, kiu solene proklamis por ĉiam forjeti militan agadon, kaj havi nenian armeon. Tiu ĉi fundamenta leĝo donas al la japanaj pacaj movadoj fortan apogon por vasteco, profundeco kaj persisteco. Tio donas al japana popolo la povon kaj devon ludi speciale gravan rolon en tutmondaj pacaj movadoj.

La malnova japana konstitucio de 1890 estis de monarkia absolutismo kiu difinis suverenecon de la imperiestro kiu havas nelimigitan potencon de regado kaj komandado super la popolo kaj la armeo. Tio fariĝis tre grava kaŭzo de la malfeliĉega milito kiu ĝisfunde suferigis popolojn propran kaj najbarajn.

Japana popolo akre kaj profunde lernis el tiu maldolĉega sperto de malfeliĉa sufero kaj suferigo, je kosto de neniam repagebla perdo de sennombraj homaj vivoj. Kaj pro tio, ni, japanoj faris sinceran penton je terura krimo de la milito. Tiamaniere ni akiris la novan konstitucion kiel karan rikolton de la malfeliĉa milito en 1946. Ĝi proklamas suverenon de la popolo, konfidon al la justeco de pacamantaj nacioj de la mondo, kaj deklaras forĵeti por ĉiam militon kaj ne havi ian ajn armeon.

Ni, japanaj esparantistoj, tuj post la proklamo de tiu ĉi konstitucio, faris rezolucion ĉe la nacia kongreso por subteni kaj defendi ĝin.

Akorde al tiu ĉi fundamenta leĝo ankaŭ estas donitaj serioj da valoraj progresemaj demokratiaj leĝoj pri edukado, bonfarto kaj sociaj politikoj por konstrui novan kulturecan Japanujon.

Tiel japana nacio havis brilan esperon krei pacon, feliĉon, novan socion, kaj la juna demokratio estis kreskanta forskuante malnovajn restaĵojn de monarkismo kaj militismo.

Tamen, la usona okupanta armeo kaj ĝia registaro baldaŭ komencis malobservi sian propran promeson de militfina deklaro de Potsdam, (24. 7. 1945), ke ĝi respektos la liberecon de esprimo, kredo kaj penso, kaj la fundamentajn homajn rajtojn kaj la pac-tendencan registaron fondotan laŭ libera volo de la japana nacio.

La usonaj regantoj jam malkaŝis sian avidan kaj kruelan karakteron de imperialismo, frue montritan per atombomboj sur Hiroŝima kaj Nagasaki.

Mistere preparitaj enigmaj akcidentoj multe okazis en 1949, ekz. aferoj Mitaka, Macukaŭa kaj Simojama ktp ktp. Ili servis kiel pretekstoj subpremi demokratajn organizojn kaj persekuti progresemajn homojn. Reakciaj militistoj estis reaktivigitaj kaj konservativa forto bredita.

En 1950 la usonaj imperiistoj komencis la agresmiliton en Koreujo kaj utiligante tiun aventuregon, ili tute envolvis Japanujon en sian militisman strategion. Ili faris el Japanujo sian plej gravan strategian bazon, revivigis tie la imperiisman industrion, reakciajn politikistojn kaj militistojn. Ili fondis tie multajn militbazojn.

La usona registaro kun sia bredita agento, la japana reakcia registaro, faris traktaton de paco kaj sekureco en 1951 en San Francisko malgraŭ la volo de la japana popolo, kiu postulas ĝeneralan pacon de justa rilato kun ĉiuj landoj. La San Franciska paco ne estas vera paco, sed kontraŭe, ĝi esence estas usona milistrategia sistemo. Pro tio Japanujo estas enjetita en malamikajn rilatojn kun proksimaj najbaroj. Tiu sekureco ne estas vera sekureco, sed viktimigo de Japanujo por defendo de Usono. Pro tio Japanujo estas ekspozata al danĝero de milito.

Por tiu ĉi hipokrita paca traktato la usona milita okupado de Okinaŭa estas eternigita kontraŭ internacia justeco kaj kontraŭ la japana konstitucio. Usono faris ĝin plej granda militbazo en Orient-Azio, subpremante vivon kaj bonfarton de la loĝantaro.

Krome Usono konstruis militbazojn sur la tuta lando de Japanujo en pli ol 400 lokoj.

Usono devigis la japanan reakcian registaron fondi novan armeon malgraŭ la paca paragrafo de la konstitucio sub diversaj hipokritaj maskoj, unue je la nomo de polica rezerva korpuso kaj fine kiel memdefenda korpuso, ekipita per usonaj armiloj kaj edukita de usonaj oficiroj.

Ĉiu paŝo sur tiu vojo de la usona militismo kaj de la japanaj reakciuloj estas kontraŭ la japana konstitucio, nepardonebla ĝia subfosado. Ĝi kaŭzadas multajn malfeliĉojn al la japana popolo kaj eĉ kondukas la tutan nacion al fatala pereo. Tial flanke de la popolo ĉiam kaj ĉie okazis kaj okazas rezistoj kaj protestoj. Okazis kaj okazadas amasaj luktoj kontraŭ la militbazoj en multaj lokoj.

Kiam la japana reakcia registaro reviziis la Japano-Usonan Sekurecan Traktaton, la indigno de la popolo eksplodis kaj protesta manifestacio kovris la tutan landon.

Reakciaj kaj militismaj politikoj kaj tendencoj de la nuna reganta klaso estas pli kaj pli fortigataj kaj pli vastigataj. Multaj demokratiaj rajtoj de edukistoj, oficistoj kaj laboristoj estas sub-



*Manifestacio en Tokio kontraŭ la krimoj de la usonanoj en Vjetnamio kaj kontraŭ la japano-usona „Sekureco"-kontrakto.* *Foto: Zentralbild*

# LETERO EL BAGHDAD

Ni ricevis longan kaj entuziasman leteron de samideano en Baghdad – Irako – el kiu ni ĉerpas kelkajn karakterizajn partojn.

„Estis afabla surprizo por mi, ke finfine estas esperantista movado en la GDR. Mi ja konas la GDRn bone, sed mi lernis la internacian lingvon nur antaŭnelonge.

Dum 1961 mi faris longtempan komercan vojaĝon en Germanio. En okcidenta Berlino, tamen, mi faris tre apartan vojaĝon, ĉiel nekomerca. Berlino, la Berlinanoj kaj ilia speciala politika problemo impresis nin tre multe. Io brulis tie, kaj mi flaris la odoron de mia propra batalo . . . Mi eniris, kaj tra la aleoj kaj tra la vojetoj, en kafejoj kaj en privataj domoj, mi „batalis" kun kaj kontraŭ multe diversaj homoj. Tie mi vivis tra homaj spertoj nekonataj al mi antaŭe. Tie mi vidis multe da doloro kaj multe da ĝojo, multe da vero kaj multe da malvero. Tie mi vidis kiel homaj valoroj estis ŝiriĝintaj inter la komercistoj de „libereco" kaj tiuj, kiuj volis „aĉeti" ĝin. Tie mia koro rompiĝis, ĉar tie mi renkontis senkulpajn animojn kiuj bedaŭrinde nesciis la veron, kvankam ĝi estas tre proksima al ili.

La politiko de la Germana Demokratia Respubliko, ĝiaj ambicioj kaj ĝiaj pacaj programoj por la estonto, ĉiuj estas la prava vojo por la tuta gemana popolo por vivi en paco kaj tiel sekurigi la mondpacon. Ni do aldonas niajn vokojn al viaj vokoj por denunci la freŝajn aktivaĵojn de la malnovaj ekatakadistoj en la Okcidenta parto de Germanio, kies celo estas detrui la demokratiajn konstruaĵojn de la popolo de la GDR kaj revivigi ilian regon. Sur la germana popolo por uzi ĝin kiel ilo por iliaj senfinaj avidecoj kaj plenumi ilian malnovajn planojn venkadi la popolojn. Vivu la GDR! Vivu la germana popolo!

Nu, miaj novaj demokratiaj amikoj germanaj! Vi povas fidi al mi kiel amiko al vi kaj al via granda lando, ankaŭ kiel kunlaboranto kun via Paca Esperantista Movado. Kaj mi estas preta plenumi iun ajn servadon, kiu falas sub mia povo, ĉu por vi, ĉu por la amikeco de niaj popoloj aŭ ĉu por la movado de Paco. Ĉiam mi ĝojos servi al vi!

Mi salutas vin elkore kaj restas ĉiam

Via Araba Amiko

*Hussain Mohammed Al – Amily*
*Dartardas Building, Baghdad/Irak*

---

premataj. Eldonaĵoj, radioj, televidoj estas venenigataj de militismo. La lernolibroj kaj la lerneja edukado ankaŭ estas kontrolataj de la reakcia registaro. La financa kaj la ekonomia politiko favoradas la imperiisman klason. La vivo kaj bonfarto de la laboranta popola amaso estas malzorgata.

Ĉi tiuj diversaj rezistaj fortoj kunfandiĝas kaj leviĝas gravaj movadoj kies celo estas paco, demokratio kaj plena sendependeco de Japanujo, ekzemple Tutjapana Patrina Kongreso, Mondkonferenco kontraŭ atom- kaj hidrogenbomboj, la Movado por revenigi Okinaŭaon al la Patrujo, la Nacia Kultura Asembleo, la Japana Kultura Kongreso por defendi Infanojn, Kunveno por defendi la Konstitucion ktp ktp.

La alveno de usonaj nukleaj submarŝipoj al japanaj havenoj multe maltrankviligas la japanan popolon. La laboristaro kaj la sciencistoj indignis kaj persiste protestis. Progresadas la sciencista paca movado.

La usona agreso en Vjetnamio vaste indignas la japanan popolon, ĉar tio ne nur estas najbara malfeliĉo. La japana reakcia registaro kaj la militindustria kapitalistaro estas kunkrimuloj de la usona imperiismo, kiu faris tutan Japanujon aktuala militbazo de tiu agresado, kaj tiel subpremadas ankaŭ la japanan popolon kaj pelas al militdanĝero. Tial la japana laboristaro faris ĝeneralan strikon la 21-an de oktobro 1966 por defendi sian vivon kaj protesti kontraŭ la milito en Vjetnamio.

Tiel la energioj de la tuta popolo, de junuloj, maljunuloj, viroj kaj virinoj, laboristoj kaj sciencistoj, ĉiuj elementoj de la japana socio, kunfandiĝas en bataloj por la paco, por la defendo de la vivo kaj la homa rajtoj. Ili kunvenas en la Japana Paca Kongreso kaj sin direktas al internacia solidara kunbatalo kun la vjetnama popolo, nuligo de la Japano-Usona Sekret-Traktato kaj defendo de la japana konstitucio.

*ITO' Saburoo/Japanio –CR–*

---

# 1967 kriminalproceso kontraŭ militkrimuloj

La 16. 11. 1966 la brita Nobel-premiita lordo *Bèrtrand Russel* informis gazetaran konferencon en Londono, ke la proceso pri militkrimegoj en Vjetnamio komencos en Marto 1967 en Parizo kontraŭ la prezidanto L. Johnson, militministro McNamara kaj pliaj gvidantoj de la politiko en Usono.

La gazetara konferenco sekvis tuj al tritaga antaŭkonferenco de la tribunalo dum kiu Russel estis elektita honora prezidanto de la juĝontaro. Prezidos la jugoslava verkisto Vladimir Dedijer, akuzos la franca verkisto Jean Paul Sartre. Defendi rajtos ĉiu usona civitano.

Antaŭ nelonge Russel perletere postulis de Johnson, antaŭ la tribunalo mem defendi la Usonan militon en Vjetnamio. Dum la gazetara konferenco la maljuna brita lordo diris i.a.: „Ni rajtas supozi, ke la kunvoko de tia tribunalo estas necesa kaj ke eminentaj personoj el diversaj landoj povos kontribui al la defendado de la civilizo".

Mallonge antaŭe lordo Russel radiofone parolis al la usonaj soldatoj en Vjetnamio kaj alvokis ilin, ne pli longe militi kontraŭ la vjetnamia gentaro. „Demandu vin ja ĉiam, revenante el bataloj, kiom da virinoj kaj infanoj hodiaŭ estas denove mortigitaj de vi! Kion vi sentus, se tiaj misfaroj okazus kontraŭ viaj edzinoj, gepatroj kaj geidoj en Usono? Kiel vi povas elteni la memoron pri ĉio, kio tagon post tago, semajnon post semajno okazas ĉirkaŭ vi? Mi demandas vin tiel, ĉar vi mem respondecas kaj estas via la decido, ĉu ĉi tiu krimegula milito daŭru ..... Mi alvokas vin, ne pli longe partopreni ĉi tiun barbaran kaj krimegan militaĉon pro konkeremo! Mi alvokas vin, pri ĉi tiu fimilito la veron diri al la tribunalo por militkrimuloj kaj atesti tion, kion vi vidis per propraj okuloj . . . ."

*(Laŭ „Deutsche Volkszeitung" de la 2. 12. 1966*
*Trad. D-ro Halbedl, Aŭstrujo)*
*–CR–*

# GRAVAJ INICIATOJ DE LA GDR POR KONSTRUIVA EŬROPOPOLITIKO

**Deklaro de la estro de la gazeta fako de la ministrejo por eksteraj aferoj**

Ĉe ĵurnalista konferenco je la 19-a de januaro la parolanto de la ministrejo por eksteraj aferoj, Ernst-Otto Schwabe (Ernesto-Oto Ŝvabe) deklaris antaŭ la en- kaj eksterlandaj ĵurnalistoj:
La prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro de la GDR, Walter Ulbricht, (Valter Ulbriĵt), en sia novjara mesaĝo denove afirmis la intereson de la GDR je la eŭropa sekureco. Per la deklaroj kaj proponoj de la prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro pri tiu ĉi komplekso fermiĝas la ĉeno de gravaj iniciatoj, evoluigitaj de la GDR en la pasinta jaro – ek de la ses-punkto-programo, kiun prezentis Walter Ulbricht okaze de la jarŝanĝiĝo 1965/66, sekvita de la tripunkto-propono de la registaro de la GDR de januaro 1966 rilate al la garantio de eŭropa sekureco kaj aliaj iniciatoj ĝis la proponoj de Walter Ulbricht je la 14-a Plena Kunsido de la Centra-komitato de la Socialista Unueca Partio kaj la dek-punkto-propono okaze de la jarŝanĝiĝo 1966/67.
Ĉi tiuj proponoj de la GDR kunfluis en la larĝan riveregon de la movado por sekureco en Eŭropo, kiu ensorbis la popolojn de ĉiuj eŭropaj ŝtatoj. Per plej diversa maniero – per senperaj kontaktoj, per deklaroj, per konversacioj inter politikistoj ktp evidentiĝis, ke koncerne la eŭropan sekurecon regas plena interkonsento inter ni kaj niaj socialistaj frataj landoj kaj inter ni kaj multe da registaroj de nesocialistaj ŝtatoj de okcidentkaj nordeŭropo.

1-e Tuta Eŭropo malakceptas la armigon per kernarmiloj de la okcidentgermana Federacia Respubliko – escepte la registaro de la okcidentgermana Federacia Respubliko mem.

2-e Neniu eŭropa registaro postulas revizion de la ekzistantaj limoj de Eŭropo – escepte la registaro de la okcidentgermana Federacia Respubliko.

3-e Ne ekzistas okcident- aŭ nordeŭropa lando, de kiu en la pasinta jaro prominentaj politikistoj de diversaj tendencoj ne estus postulantaj la normaligon aŭ almenaŭ la pluan evoluigon de la rilatoj kun la GDR – escepte la okcidentgermana Federacia Respubliko.

Pli kaj pli evidentiĝas, ke efektiva sekureco eŭropa postulas interkonsenton de la registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj pri reciprokaj normalaj interrilatoj. Tio estas kerna problemo de interkompreno. Tiu normaligo de la interŝtataj rilatoj eksterordinare helpus pacige influi la politikan klimaton en Eŭropo. En tiel kreita atmosfero tuteŭropa kunlaborado je plej diversaj temoj povus evolui kontentige kaj tiel la eŭropa sekureco decide firmiĝus.
La ĝenerala sekretario de la Centra Komitato de la Sovetia Kompartio, L. I. Brejnjev, antaŭ kelkaj tagoj en parolo en Gorkij substrekis, „ke la senkondiĉa rekono de la Germana Demokratia Respubliko kiel suverenan sendependan ŝtaton estas unu el la fundamentaj premisoj por efektiva normaligo de la situacio en Eŭropo."
Kontraŭe al la plej elementaraj postuloj de nia tempo la ĝisnuna agado de la registaro Kiesinger-Strauss tamen montras, ke tiu registaro ankaŭ koncerne la problemon de la eŭropa sekureco direktas sian politikon ankoraŭ pli dekstren ol siaj antaŭuloj.

1-e La nova registaro de la Federacia Respubliko provas kamufli per granda peno je sensencaj frazoj kaj nebuligaj formuloj, ke ĝi ne nur ne povas prezenti iujn konstruivajn proponojn por garantii la eŭropan sekurecon, sed ke ĝi kontraŭe ankoraŭ pli brute aplikas la tezon de sia ekskluziva rajto, reprezenti (tutan) Germanion, tiun tezon, kiu servas kiel torpedo kontraŭ malstreĉiĝo kaj paco en Eŭropo.

2-e Kiesinger ripete substrekis, ke la germana imperiismo strebas nun kiel antaŭe al efektiva, kuna posedo de kernarmiloj. La militministro Schröder (Ŝreder) en ĉi tiuj tagoj en bruta klareco postulis de siaj ‚kontrakt-asocianoj', povi disponi je nukleaj armiloj. La registaro Kiesinger-Strauss koncentrigas sian baran pafadon kontraŭ ĉiu interkonsenta kontrakto pri netransdono de kern-armiloj. Tiel la registaro de la Federacia Respubliko provas saboti tiun elementan postulon de milionoj da homoj. Ĝi tiel samtempe ignoras la rezolucion pri la rezigno de la ŝtatoj je agoj, kiuj „malfaciligas la interkonsenton pri netransdono de kernarmiloj", akceptitan ĉe la 21-a plenkunsido de UNO.

3-e Nun kiel antaŭe la regantaj fortoj de la Federacia Respubliko rifuzas agnoski senkondiĉe la ekzistantajn limojn en Eŭropo. Nun kiel antaŭe la registaro Kiesinger-Strauss rifuzas deklari sian rezignon, apliki en la internaciaj rilatoj militan forton kontraŭ la senperan orientan najbaron de okcidenta Germanio, la GDR. Anstataŭ tio ĝi per facile rekoneblaj manovroj fie penas diferencigi inter la socialistaj ŝtatoj kaj savi tiel la Hallstein-doktrinon (Halŝtajn-) por tiel diri, ‚5 minutojn post la 12-a).

4-e La agoj kaj planoj de la registaro Kiesinger-Strauss devigas konkludi: la ekspansiemo de la germana imperiismo al okcidento kaj oriento superas ĉion ĝis nun ekzistintan, la agresa venĝemo ekstreme akriĝas. En tio la registaro de la Federacia Respubliko plej intime agas kune kun Usono.

La plej novaj proponoj de la prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro substrekas: La GDR senŝancele daŭrigas sian konstruivan eŭropopolitikon kune kun Sovetio kaj la aliaj ŝtatoj de la socialista popola familio, fidele al la Deklaracio de la Varsoviaj Kontraktŝtatoj de julio de la pasinta jaro.
Laŭ la esenco de ĝia politiko la GDR ankaŭ en ĉi tiu jaro utiligas iniciate sian aŭtoritaton en la intereso de malstreĉiĝo kaj sekureco.

*(Korespondado pri ekstera politiko n-ro 4/67) Trad. Ŝjodl*

# La Germana Demokratia Respubliko (GDR) kaj la Unuiĝintaj Nacioj (UNO)

La eŭropo panoramo konsistas hodiaŭ el multaj elementoj. La plej danĝera el ili estas la minaco al la sekureco de nia kontinento flanke de la okcidentgermana registara partio CDU/CSU (Kristana-Demokratia Unio/Kristana-Sociala Unio). Aŭ ĉu eble la sekureco estas akcelata, se iama ministro de la Germana Federacia Respubliko en la McNamara-Komitato insistas pri pli granda okcidentgermana „kunrespondeco" pri nukleaj armiloj, por kio Bonn estas volonte preta pagi per la „Legio Vjetnamio"?
La federacia respubliko, kaptita de hektika avido pri atoma armado kaj persistanta en la doktrino de la „landlimoj de 1937", estas eŭropa danĝercentro de alta eksplodemo. Ĝuste tiu ĉi ekkono instigas la GDR-n, konscia pri sia respondeco por la paco en Eŭropo, neflankiĝante prezenti novajn sugestojn kaj iniciativojn por kontribui al la sekureco de nia kontinento.
Tie ĉi oni devas envicigi ankaŭ la proponon de la GDR pri akcepto en la UNO. Ĝi devenas de la sama strebado al sekureco. Ĝi estas nova ero en la ĉeno de niaj klopodoj pri malstreĉo.
Sendube la akcepto de la GDR aŭ de ambaŭ germanaj ŝtatoj en la mondorganizaĵo – Bonn, kiel oni scias, ĝis nun ne faris tian peton – esence kontribuus al la malstreĉo. La akcepto de nia respubliko en la UNO samtempe estus kuraĝigo por ĉiuj pacfortoj en ambaŭ germanaj ŝtatoj kaj en tuta Eŭropo. Finfine tia paŝo esence kontribuus al la bridado de la agresemaj fortoj en Okcidentgermanio.
En la antaŭparolo de sia ĉarto la Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj deklaris kiel sian plej noblan celon la unuigon de ĉiuj fortoj por la konservado „de la mondpaco kaj la internacia sekureco, por gardi venontajn generaciojn kontraŭ la skurĝo de milito". La akcepto de nia respubliko elstare servus al tiu ĉi celo.
Nia respubliko rajtas aparteni al la organizaĵo. Tio evidentiĝas el la UNO-ĉarto, kiu en sia artikolo 4 koncedas la membrecon „al ĉiuj pacamaj ŝtatoj, kiuj prenas sur sin la devojn enhavitajn en la ĉarto". Kiel oni scias, la GDR ĉiam respektis la ĉarton kaj denove konfirmis ĉi tiun respekton okaze de la propono pri akcepto.
Estas nenormala stato, ke ŝtato, ekzistanta de post 17 jaroj, posedanta ĉiujn distingilojn proprajn al suverena ŝtato laŭ la internacia juro kaj akirinta bonan nomon en la mondo per sia pacama ekstera politiko, ankoraŭ ne estas membro de la UNO.
La okcidentgermana federacia respubliko urĝas al la „atoma egalrajteco", malantaŭ kiu oni nur kaŝas agresivecon kaj la strebadon al hegemonio. Ni postulas la egalrajtecon de nia respubliko rilate al la afero de la paco kaj de la interpopola amikeco.
La principoj de la UNO, ĝiaj klopodoj pri la sekureco de la paco estas ekzaktege konformaj al nia politiko. La GDR estas unu el tiuj „pacamaj ŝtatoj, pri kiuj parolas la ĉarto de la UNO.
Ĉia akcepto respondus al la internacia juro kaj al la spirito, kiu gvidis la popolojn ĉe la fondo de tiu ĉi mondampleksa organizaĵo.

*(Esperantigis D-ro Karl Schulze, Berlin)*

## La germanan problemon oni solvu pacmaniere (okaze de jarmila datreveno de ŝtatfondo de Polujo)

Pola ŝtato dum sia jarmilo havis malfacilan vivon. Sed oni povas fieri, ke ne malfervorigis polojn seninterrompaj milittempestoj el Okcidento. Pola Nacio ne kapitulaciis eĉ tiam, kiam ŝajnis, ke estingiĝis la lasta esperradieto. Malgraŭ la jarmilo de germana premado ĝi persistis. Kaj denove Pola Nacio estas tie ĉi, kie fondiĝis la unua ĉarpentaĵo de la ŝtato. Neniiĝis tuta „akiraĵo" de la germana ekspansio, en ruboj pereis raba germana imperio, kaj ĉio, kio estas agresiva, perfida kaj mallojala estis forpelita ekster la rivero Odra kaj Nysa. Fondiĝis Germana Demokratia Respubliko. Tiu germana ŝtato amike estas interligita al la Pola Popola Respubliko, kaj fidinda ke estu kaj restu la okcidenta limo de Polujo paclimo.
Neniam ankoraŭ Pola Nacio estis en samgrade utila situacio. Neniam ankoraŭ ĝi povis labori kun tia morgaŭa certeco kaj kredo por estonteco.
Sed – en 21 jaroj post la kruela dua mondmilito ree videbliĝas en Eŭropo germana problemo-ombro, siatempe artefaritmaniere, persiste ekscitita per la konataj politikaj agresivaj centroj en Okcidento. Ĉiuj politik- kaj arme-doktrinoj, kiuj estas lanĉataj en la Germana Federativa Respubliko, eligas la pacmetodon por ĝusta solvo de kunekzist-problemaro.
La registaro en Bonn plue havas vidpunkton pri kvazaŭa ekzisto de Germanujo konforme al laŭleĝa kaj internacia rezolucio en la landlimoj el jaro 1937, aŭdace penante al revizio de postmilita status quo (nuntempa situacio) en Eŭropo.
Responde al tiuspeca cinika postulo, la pola registaro konstatis, ke la limo sur la riveroj Odra kaj Nysa havas definitivan trajtaron kaj neniam plu povas esti kaŭzo por novaj intertrakto aŭ interkonsento tiurilataj! Polujo samtempe avertis la registaron de la GFR antaŭ ekpreno de aneksiprovoj pri la Germana Demokratia Respubliko. Pola respondnoto detale akcentis, ke sendanĝereco kaj netuŝebleco de GDR-teritorio estas precize dependitaj de sendanĝereco de la Pola Popola Respubliko kaj de aliaj socialistaj ŝtatoj.
La vidpunkto de Pola Popola Respubliko rilate al tiu ĉi afero ĉiutempe estis kaj estos konsekvenca, ĉiam ĝi akcentas la germanan problemaron, lige kun la situacio en tuta Eŭropo. Ĉiuj eŭropanoj en la unua vico, kaj ankaŭ nacioj de aliaj mondpartoj, estas grave interesataj pri la solvo de la germana problemo pacmaniere, ĉar ne ekzistas alia alternativo, samtiel kiel sendube ne plu ekzistas la elekto inter vivo kaj ekstermo!
Ne temas nur pri nacia afero, ne nur pri sendanĝereco de Polujo kaj najbaroj de Germanujo. Tie ĉi temas pri paco en Eŭropo kaj en la mondo, pri la rajtoj por trankvila morgaŭa tago kaj por paca laboro. Tio validas por Pola Nacio kaj ĝenerale en la tuta mondo!

*Ekstrakto el artikolo de mag. fil. Mieĉislav Zgòrzewski, Polujo* –CR–

# Proponitoj, kiuj servus al la Eŭropa sekureco kaj al la paco

„Ne plu sufiĉas hodiaŭ paroli ĝenerale kaj kun belaj vortoj pri konfederacio, samtempe farante ion tute alian, kiel faras tiuj politikistoj en Okcident-Germanio, kiuj volas enterigi la ideon de konfederacio per la arogo je la rajto de sola reprezentado flanke de la registaro en Bonn kaj per la „griza plano" kontraŭ la Germana Demokratia Respubliko.
Kiel daŭrigo de nia klara kaj longtempa politiko pri la rilatoj inter ambaŭ germanaj ŝtatoj kaj ĝiaj civitanoj ni proponas, hodiaŭ ĉe la sojlo de la jaro 1967 komenci la unuan etapon sur la vojo al konfederacio kun tute konkretaj interkonsentoj kaj agoj.

**Kiuj estas la neeviteblaj paŝoj, unue irendaj?**

- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj interkonsentu pri la starigo de reciprokaj normalaj rilatoj.
- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj interkonsentu pri kontrakto, kies enhavo estu rezigno je uzo de potenco en la reciprokaj rilatoj.
- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj rekonu la aktuale ekzistantajn limojn en Eŭropo per samtekstaj interkonsentitaj deklaroj.
- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj kontrakte interkonsentu la redukton de siaj armadelspezoj po je duono.
- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj deklaru sian rezignon je posedo disponpovo aŭ partopreno je la disponpovo pri atomarmiloj en ĉiu ajn formo. Samtempe ili interkonsentu devige en samtekstaj kaj samtempaj deklaroj sian pretecon por aliĝo al zono sen atomarmilo en Eŭropo.
- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj pledu por la starigo de normalaj rilatoj de ambaŭ germanaj ŝtatoj kun ciuj aliaj eŭropaj ŝtatoj kaj por la starigo de diplomatiaj rilatoj de ĉiuj eŭropaj ŝtatoj al ambaŭ germanaj ŝtatoj.
- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj faru kontrakton, per kiu ili sin devigu komune kaj samtempe agnoski la staton de neŭtraleco, kiu estas garantienda de la grandpotencoj.
- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj faru kontrakton per kiu ili sin devigu agnoski la sendependan evoluon de Okcident-Berlino kiel memstaran apartan teritorion.
- La registaro de la Germana Demokratia Respubliko kaj la senato de Okcident-Berlino faru kontrakton, en kiu la senato sin devigu ĉesigi la malvarman militon kontraŭ la Germana Demokratia Respubliko. La registaro de la Germana Demokratia Respubliko sin devigos certigi la transit-trafikon unue por la tempo ĝis la starigo de germana konfederacio.
- La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj starigu komisionon konsistantan el egalrajtaj plenpovaj delegitoj, kiu esploru, ĝis kiu grado estas realigitaj en ambaŭ germanaj ŝtatoj la bazaj decidoj de la Potsdama Konvencio, kiuj devus garantii la sekurigon de la paco kaj la demokration en Germanio. Tiu ĉi komisiono devus publike raporti pri la rezultoj de la esploroj kaj farus proponojn pri eventuale necesaj paŝoj.

Ni konscias pri tio, ke la starigo de tiuj interkonsentoj necesigus gravajn progresojn sur la vojo al eŭropa sekureco. La civitanoj de ambaŭ ŝtatoj estas interesitaj je la sukcesigo de konferenco de ĉiuj eŭropaj ŝtatoj por eŭropa sekureco kaj je interkonsentoj pri la starigo de zono sen atomarmiloj en Eŭropo.
**(El la novjara parolado de la prezidanto de la ŝtat-konsilantaro de GDR, Walter Ulbricht)**

*Trad. Detlev Blanke*

# Prospera jaro de ĥemiindustrio de GDR

## Produkta volumeno dum 10 jaroj preskaŭ duobliĝis

*La laboristoj de la ĥemia industrio, la plej granda industribranĉo en GDR, depost komenco de tiu ĉi jaro produktas ĉiutage je ĉirkaŭ 1,7 milionoj da markoj pli da ĥemiaj varoj ol meznombre je unu labortago de la pasinta jaro.*
*Tiel pli kaj pli rentumiĝas la grandaj sumoj, kiujn GDR elspezis dum la lastaj jaroj por la konstruo kaj kompletigo de la ĥemiindustrio. Depost 1958 estis investitaj 11,8 miliardoj da markoj por pliampleksigo kaj pliintensigo de ĥemiaj produktkapabloj. Samtempe la produktvolumeno de tiu ĉi branĉo proksimume duobliĝis dum 10 jaroj kaj valoris 1966 ĉirkaŭ 15,7 miliardojn da markoj. La produkto de plasto dum la lastaj dek jaroj eĉ triobliĝis.*
*Precipe en la pasinta jaro GDR bone progresis ĉe la realigo de la projektita en 1958 ĥemiprogramo. Iĝis produktaktivaj kelkaj ceteraj investprojektoj. Ekzemple uzino Leuna II en februaro 1966 komencis la funkciadon de la unua ŝtupo de pliampleksiga konstruado. Ĝi havas pojaran produktkapablon de 24 000 tunoj da poli-etileno altprema.*
*Teksindustrio kaj aliaj klientoj en 1966 recevis sesoble tiom da Dederon-silko malkruda kaj da aliaj sintezaj fibroj, kiom en 1955. La agroekonomio ricevis – kompare al 1965 – mineralsterkon, kiu sufiĉas por provizi je plikvanto de po tri kg da nitrogeno kaj 0,4 kg da fosfato absolutaj ĉiun hektaron de la agrokulture uzata tereno.*
*Hodiaŭ GDR apartenas al la ok landoj, kiuj produktas ĉirkaŭ 80 elcentojn de la tutmonda ĥemiaĵokvanto.*

*(„Aussenpolitische Korrespondenz" nro. 3/67)*
*Trad. H. M.*

# Komento al la deklaro de la sovetia registaro

La deklaro de la sovetia registaro, kiu avertas la popolojn pri la danĝero de la neonaziismo, estis publikigita la vesperon antaŭ la 30-a de januaro. La 30-a de januaro 1933 estis la malfeliĉa tago, je kiu komenciĝis la regado de la naziismo. Ankoraŭ je tiu tempo multe da homoj tre facilanime konsideris la danĝeron de naziismo. Iuj opiniis, tiel terura ĝi ja ne estus, Hitler ne komencus militon. Oni ne devus konsideri seriozaj la agresplanojn, kiujn li tute sincere publikigis en sia libro „Mia lukto" (Mein Kampf). Aliaj trankviliĝis, Hitler post mallonge certe aĉe fiaskiĝus. Tiuj samaj ankoraŭ antaŭ nelonge estis konvinkitaj, ke Hitler neniam sukcesus akiri la potencon. La deklaro de la sovetia registaro skuas tiujn dormantojn, kiuj ree ne volas vidi la danĝeron.

La trankviligantoj diras, la neonaziisma NPD (nova partio) ja penetris en la parlamentojn de kelkaj landoj, sed ili ja tamen nur restas malplimulto. Ankaŭ la nazipartio, tiel oni povus repliki, foje estis malplimulto. Sed tiel la efektiva stato ankoraŭ ne estas klarigita. La tuta danĝero ja ne sole ekzistas pro la NPD. Se oni volas ekscii pri la tuta danĝera amplekso de la neonaziismo, tiam oni devas konsideri la oficialan registaran politikon. La neonaziismon en okcidenta Germanio reprezentas Kiesinger kaj Strauss, ne la prezidanto de la NPD, Thielen (Tilen). Per kiu politiko la nazipartio pilotis al la dua mondmilito? Hitler volis korekti la rezultojn de la unua mondmilito, li ne agnoskis la ekzistantajn limojn, li volis plivastigi la regopotencon de la germana imperiismo. Por tiu celo li rearmigis, preparis por la milito la tutan vivon de la germana popolo, kreis planojn de ekspansio, ekscitis la malamon kontraŭ tiuj ŝtatoj, de kiuj li postulis teritoriojn. – La samon ni observas hodiaŭ. Sed ne nur ĉe la NPD! Tio estas la politiko de ekspansio de la registaro Kiesinger-Strauss.

Kiu, sub tiuj kondiĉoj, povas garantii, tiel estas demandita en la sovetia deklaro, ke en la Federacia Respubliko ne aperas nova Hitler, eĉ kun kernarmiloj en la mano? Ke nova Hitler disponus pri kernarmiloj, tio estas terura penso. Ankaŭ en tiu ĉi specifa punkto la danĝero estas multe pli granda ol multaj volas kredi. La avertoj de la sovetia registaro estas tre severaj kaj tre konkretaj. La Federacia Respubliko nun kreas ĉe si la materie-teknikan bazon por propra industrio por atombomboj kaj rakedoj. Ĉiuj koncernaj institucioj estas unuigitaj en rakedo-atom-kartelo. La elspezoj por esploroj por tiu ĉi fako salte kreskas. Gvidantaj monopoloj de la Federacia Respubliko per speciala ‚rakedo-memorando' orientis la okcidentgermanan ekonomion al propra evoluigo de produktado de rakedoj.

Kiel oni scias el la historio, la facilanima murdo de popoloj apartenas al la trajto de la faŝismo. Sed la teknikaj rimedoj de la Hitlera homeksterma industrio estis primitivaj, kompare al la atomaj kapabloj. Nova Hitler kun kernarmiloj en la mano fakte estus la plej terura minaco al la sekureco de Eŭropo. Tia danĝero konturiĝas en okcidenta Germanio. Estas tempo kontraŭi ĝin. Hitler povis akiri sukcesojn por certaj tempoj, antaŭ ol li cindriĝis en la regnestra kancelario kaj aliaj ĉefkulpuloj estis pendigitaj en Nurenbergo. Hodiaŭ agreso ne havus eĉ ŝancon de portempaj sukcesoj." Sensencaj kaj senesperaj", tiel deklaras la sovetia registaro, „estus ĉiuj provoj ĉantaĝi la GDR, same kiel la planoj, malamike penetri en la socialisman germanan ŝtaton. Nur nekorekteblaj aventuristoj povas esperi, ke ili sukcesus ŝanĝi perforte la eŭropajn postmilitajn limojn. Kiu dezirus esplori la firmecon de la limoj de la GDR kaj de la aliaj socialistaj ŝtatoj, neeviteble neniige estus batita."

**Sukceson ne povas havi neonaziisma agreso. Sed ne necesas grandegaj fortoj por rompi la pacon. Tial ne estas permeseble, subtaksi la minacon de la okcidentgermana neonaziismo. La sinon de la flamo oni devas kontraŭbatali antaŭ ol ĝi fariĝu milita incendio. La sovetia registaro deklaris sian pretecon, se necese kune kun aliaj pacamantaj ŝtatoj entrepreni tiajn paŝojn, kiaj necesas pro tiu situacio.**

*Trad. L. Schödl*

## RAPACKI:
## „Tio estas la provilo"

La politiko de la nova Bonn'a registaro ne montras iujn ŝanĝojn en esencaj demandoj kompare kun la politiko de la antaŭaj okcidentgermanaj registaroj, konstatas la pola ministro por eksteraj aferoj Adam Rapacki en intervjuo publikigita de la „Trybuna Ludu". „La ĝisnunaj deklaroj de gvidantaj reprezentantoj de la nova registaro – kvankam ili estas plenaj de elpenstalento rilate al novaj formuligoj – ne promesas iujn ŝanĝojn en la esenco de la okcidentgermana politiko, nek en la demando pri armado, nek en la demando pri landlimoj, nek en la demando pri la agnosko de la fakto de la ekzisto de du suverenaj germanaj ŝtatoj. Sed tio estas la provilo."

## KEKKONEN:
## La militpolitiko de Bonn maltrankviligas

La akra kritiko de la finna prezidanto Kekkonen kontraŭ la okcidentgermana militpolitiko ekigis konsternon en la kabineto Kiesinger. En parolado en Vaasa la 6-an de januaro la finna ŝtatestro akcentis, ke la streĉoj en Eŭropo povus esti plej bone forigataj, se oni konsideras la sekurecinteresojn de la Sovetunio kaj de la ceteraj partoprenantaj ŝtatoj. D-ro Urho Kekkonen deklaris laŭvorte:

„Kiam oni faris okcidentgermanan kontraŭ la Sovetunio direktitan potencpolitikon bazon por unuigo de Germanio kaj planis okcidentgermanan partoprenon en la nuklearmila armado, tio vekis en mi kiel finno profundan maltrankvilon, ĉar tio nek estis nek estas vera defendpolitiko sed militpolitiko. Helpe de tia politiko oni ne povas forigi streĉojn en Eŭropo."

*Trad. Karl Maier*

# LA EVOLUO DE LA MATERIA KAJ KULTURA VIVNIVELO DE LA LOĜANTOJ DE LA GDR

*El la informo de la Centra Ofico por Statistiko pri la plenumo de la popola ekonomia plano de la GDR en la jaro 1966 ni publikigas sekvantajn interesajn faktojn:*

Rezulte el la bona laboro de la laboristaro kiel la bazo de sana kaj konstanta kresko de nia ekonomio plue pliboniĝis en la jaro 1966 la labor- kaj vivkondiĉoj. Al tio antaŭ ĉio kontribuis la 5-taga semajno en ĉiu dua semajno por 7,5 milionoj da laboristoj kaj dungitoj, enkondukita en aprilo. Samtempe 3 milionoj da laboristoj kaj dungitoj spertis labortemporedukton de tri horoj po semajno sen redukto de salajro. Tiel la laboristoj kaj dungitoj disponas pri pli da tempo por siaj familioj, por studo kaj ripozo. La ŝanĝiĝo de la labortempo postulis grandajn streĉojn de la laboristoj kaj dungitoj en la servaj entreprenoj, en la komerco, en la transporto por laboristoj kaj dungitoj kaj en la institutoj de saneco kaj socialzorgado. Multaj iniciatoj kaj agadpreteco en alta grado povis venki tiujn malfacilajojn.

La monenspezoj de la popolo plialtiĝis rilate al 1965 je 2,7 miliardoj da markoj aŭ je 3,7 %. La ŝparsumoj de la popolo plialtiĝis je 240 markoj po loĝanto. La produktadsukcesoj de la laboristaro en la industrio kaj en la agrokulturado, kiel la ampleksaj komercaj rilatoj kun la eksterlando pliriĉigis la oferton de varoj en la magazenoj. La spezoj en podetala vendado nombris entute 53,2 miliardoj da markoj, kio signifas plialtigon je 2,1 miliardoj da markoj aŭ je 4,1 %. Tiel plenumiĝis la plano.

La spezoj por nutrajoj kaj ĝuajoj de podetala vendado plialtiĝis je 1.260 milionoj da markoj aŭ je 4,4 %.

La plialtigita postulo de la loĝantaro kaŭze de la plialtiĝintaj enspezoj plue koncentriĝis al teknikaj konsumvaroj, vestajoj kaj mebloj. La spezoj je industrivaroj plialtiĝis je 850 milionoj da markoj al 103,8 %.

La ekipado de la familioj per altkvalitaj teknikaj konsumvaroj plue pliboniĝis. En la pasinta jaro 298 000 familioj aĉetis televidaparaton, 330 000 fridigilon kaj 305 000 lavmaŝinon. Po 100 familioj posedis:

| | 1965 | 1966 |
|---|---|---|
| televidaparaton | 48 | 53 |
| fridigilon | 26 | 31 |
| lavmaŝinon | 28 | 32 |

La elspezoj el la ŝtatbudĝeto por resanigado estis plialtigitaj kaj la medicina prizorgo de la popolo plibonigita. Nun en la GDR praktikas pli ol 21 000 kuracistoj, t.e. preskaŭ triono pli ol 1961. Ĉiu kuracisto tiel zorgas pri ĉ. 800 loĝantoj. Per plibonigitaj terapiaj kaj diagnozaj metodoj la nombro da malsanuloj povis esti malaltigita je 0,27 al 5,10 %. Tio estas la ĝis nun plej malalta nombro de malsanuloj.

La plibonigita prizorgo de patrino kaj infano malaltigis la mortojn de suĉinfanoj de 24,5 en la jaro 1965 al 23,2 en 1966 po mil novnaskitoj. La reto de sanigaj objektoj estis plivastigita per novkonstruoj.

La feria servo de la sindikato kaj la vojaĝoficoj de la GDR en 1966 peris pli ol 2 milionojn da vojaĝoj en- kaj eksterlandaj. La nombro da plezurvojaĝoj al eksterlando plialtiĝis je ĉ. 13 000 al 687 000. Nur ĉe la bordoj de la Balta maro ripozis en hejmoj de entreprenoj kaj en tendaroj pluaj 500 000 feriantoj. 2,5 milionoj da gelernantoj en la pasinta jaro pasigis parton de siaj ferioj en entreprenaj hejmoj kaj pionirtendaroj.

La GDR ĝuas grandan reputacion en la internacia kulturvivo. Tio ekzemple speguliĝas en la internacia festivalo de porinfana kaj porjunula teatro en Berlino. Multaj teatrogrupoj de la GDR en 1966 sukcese aktoris en eksterlando. Inter alie la Deutsche Theater partoprenis la festivalon Teatro de la Nacioj en Parizo. La Berliner Ensemble aktoris en Venecio kaj la Komische Oper en Bukareŝto. Multaj eksterlandaj teatrogrupoj kaj internacie famaj artistoj aktoris en la GDR. La X-aj Berlin-aj Festotagoj pro la partopreno de famaj artistoj en- kaj eksterlandaj estis kulmino en la kulturvivo de la respubliko.

La demokrata sportmovado kaj en la larĝeco kaj en internacia rilato akiris signifajn sukcesojn. Pli ol 1,8 milionoj da infanoj kaj junuloj partoprenis la konkursojn por la distriktaj spartakiadoj. Preskaŭ 13 000 partoprenantoj luktis por la venko la 1-a Germana Infana kaj Junula Spartakiado. Ĉe mond- kaj eŭropoĉampionecoj sportuloj de la GDR akiris 36 orajn, 24 arĝentajn kaj 42 bronzajn medalojn. Tio ĝis nun estas la plej granda internacia sukceso de la demokrata sportmovado.

*Trad. L. Schödl*

**Kelkaj faktoj pri la evoluo de la ekonomio de GDR en la jaro 1966**

- *La nacia enspezo rilate al la antaŭa jaro plialtiĝis je 4,5 %.*
- *La industria varproduktado ĉe samtempa plua plibonigo de la kvalito de la produktoj plialtiĝis je ĉ. 6,5 %. La laborproduktiveco en la industrio altiĝis je 6 %.*
- *La produktokostoj malpliiĝis je 2,4 %.*
- *La ekonomiaj fondusoj rilate al la antaŭa jaro estis pli profitdonaj je pli ol 10 %.*
- *La investoj pliiĝis je 7 % kaj tiel atingis la sumon de 18,8 miliardoj da markoj. Gravaj investoj de la antaŭaj jaroj komenciĝis efiki en 1966 – precipe en la ĥemio, la energio kaj metalurgio.*
- *La produktado de bestaĵoj en la ŝtata sektoro plialtiĝis je 5,9 %. Pli altaj rezultoj ol en 1965 ankaŭ en la planta sektoro.*
- *La monenspezoj de la popolo plialtiĝis je 3,7 %, t.e. 2,7 miliardoj da markoj.*

# Ĉion por la bono de la homo

**de prof. dr. h. c. Manfred von Ardenne (Esplorinstituto „Manfred von Ardenne")**

Unu problemo de la homaro, kiu leviĝas super ĉiujn aliajn problemojn de la nuntempo, estas la evoluigo de pli alta etiko, kiu certigas, ke scienco kaj tekniko estonte estu aplikataj nur por la bono de la homoj. En ĉi tiu mallonga artikolo ni volas limigi nin je temoj, kiuj la homon kaj lian sorton tuŝas plej proksime.

*Batalante kontraŭ la malsato* nuntempe estas unuavice la plej grava la teknikigo de la agrikulturo kaj la konservado de ĝiaj produktoj. Ampleksaj teknikaj irigaciaj instalaĵoj kaj la eluzo de nebezonata varmo por la ĝardenkulturo estos ĉiam pli kaj pli vaste aplikataj. Per la progresoj de la bioĥemio kaj esplorado de la organikaj materialoj post kelkaj jardekoj la industria kaj sinteza produktado de nutraĵoj supozeble alkondukos saltecan progreson en la nutrada situacio.

*Batalante kontraŭ la akcidento* plej urĝa estas la problemo (kiel oni povas plialtigi la internan sekurecon) de plialtigo de la interna sekurigo en veturiloj, precipe en motorveturiloj. Jaron post jaro perdas proksimume 10 000 aŭtouzantoj el ĉiuj landoj la vivon okaze de aŭtoakcidentoj kaj 300 000 homoj estas grave vunditaj. Tial oni devas postuli de la aŭtomobilindustrio la konsekvencan aplikon de novecaj konstrukciprincipoj. Ni ne nur pensas al la sekuriga rimeno, sed ankaŭ al la realigado de la tielnomata principo de ĉifebla lado antaŭ kaj post la rigida pasaĝerfako. Kiam ĉe akcidento estas devige alkondukata balgsimila faldiĝo de la lado, tiam resultas konstanta plimalrapidigo kaj ĉe uzado de l' sekurigrimeno minimalan endanĝerigon de la personoj. Pliaj eblecoj en tiu direkto estas la tegado de l' interno per ŝaŭmmaterialo, por ke la akcidentfortoj ne ataku la organismon pintpunkte sed larĝface. Ankaŭ la (blokadon de la radoj malebliganta) plejeble efika aranĝo de la bremsprocedo kaj enkonstruo de kaŝitaj aerkusenoj, kiuj en la momento de l' akcidento eksplode plenbloviĝas, estas eblecoj, kiuj sin propanas.

*Batalante kontraŭ la malsanoj* rezultos grandaj progresoj el pliampleksa uzado de armiloj, kiujn la ekzaktaj natursciencoj disponigas. La medicino transiros ĉiam pli grandamplekse de l' kvalita al la kvanta. Mezurtekniko kaj medicina elektroniko iĝas ĉiam pli malhaveblaj por la akiro de diagnostikaj indikoj, por la observado de la pacientoj, kiel ankaŭ por la alarmigo ĉe spontanee estiĝantaj krizoj. La certeco de l' diagnozado kaj la verŝajneco de l' sukceso de la terapio pligrandiĝos forte per apliko de sciamasigiloj kaj elektronaj taskprilaboraj instalaĵoj en kombino kun kibernetikaj principoj. Eĉ prokrastigo de l' maljuniĝo supozeble apartenos al la konsekvencoj de la medicina bazesplorado en proksima estonteco.

*En la batalo kontraŭ la morto* la medicintekniko ne nur per pliperfektigo kaj pretigado de sekure funkciantaj artefaritaj organoj, kiel artefarita reno, artefarita, enplantita kaj de ekstere per energio provizata koro, ebligos fascinantajn perspektivojn. Ekzemple en nia instituto jam de kelka tempo oni klopodas perfektigi aparatojn, kiuj helpu la homan organismon trans danĝeraj sed tempe limigitaj krizoj. Tiaj krizoj, finiĝintaj ĝis nun ofte per la morto, okazas ekzemple post akcidentoj, vundiĝoj, danĝeraj operacioj kaj korinfarkto. La por la transvivo de krizoj inventitaj aparatoj enhavas proksimume egalparte elementojn de la plej moderna medicintekniko, de medicina elektroniko kaj de kibernetiko.

Ke esplortaskoj de tia rango kaj de tiaj nur al konservo de la vivo servantaj celoj en nia socialisma ŝtato ĝuas frutempan progresigon, estas la esprimo de la samaj humanismaj fundamentaj principoj, kiuj ankaŭ formas la esencon de sia socia leĝdonado.

*Trad. W. v. Waldowski*

La

# KOMIKA OPEREJO –

## mondfama teatro en nova beleco



1

*Konstrulaboristoj estis post la renovigo la unuaj honoraj gastoj. Sonoj de la nacia himno de la GDR inaŭguris la festpremieron laŭ rango kaj nomo vere internacia: „Don Giovanni" en la nova Komika Operejo. Eminentaj gastoj de la ŝtata kaj partia estraro, la kulturministro, reprezentantoj de la akreditita diplomataro kaj famaj eksterlandaj muzikspecialistoj festis kiel ĝojatendo publiko kune kun la intendanto prof. Walter Felsenstein novan triumfon de la realisma muzikteatro.*

Operejo havas premieron . . . Kun scivolemo kaj plenaj de sonĝoj multaj avide atendis la inaŭguron de tiu ĉi ejo, kies kreskadon al klasika modesto, majesteca kaj promesplena, ili observis de ekstere.
Nun malfermiĝis la portaloj, ĝis nun fermitaj, same kiel la tri pordegoj de la Isis-templo en la opero „La sorĉa fluto". Pompa tradicio, revivigita kaj delikate ligita kun la novo, koloroj kaj lustrobrilo pliigas, jam nun feliĉigante, la antaŭĝojon. Ĉu fabelkastelo? . . .
Sed la nova operejo ne estas fabelkastelo, neniu feino alsorĉis ĝin en la Berlinan Behren-straton. Ĝi kostis multe da peno kaj laboro. Iuj kunhelpis pli, iuj malpli, sed iel kunagis ĉiuj civitanoj. Ĝi estas nia. La Komika Operejo de Felsenstein estis jam ĉiam mondfama teatro, internacia juvelo – sed kia arttemplo ĝi estas nun!
La paŝoj haltiĝas sur la mola planko. Trans parteraj kaj galeriaj vicoj glitas la rigardoj – kion ili vidas? Homojn, timemajn kaj entuziasmajn, solene atendplenajn . . .
Mi vidas ankoraŭ pli:
Reprezentantojn de tiuj, kiuj kreis la novan ejon en la Behren-strato: arkitektojn, arbarlaboristojn, kiuj falhakis la arbojn, laboristojn el uzinoj, kiuj fabrikis la ŝtofojn, brikfariston, dekoraciistojn, ŝoferojn de ŝarĝaŭtoj, homojn kun ideplenaj kapoj kaj laboremaj manoj. Kaj mi vidas ankoraŭ iun . . . iun el la plej grandaj . . .
Iun el tiuj, kiujdonis al tiu ĉi ejo ĝian spiron: Mozart.
Kaj se ankaŭ li, la dotita kreinto, povus ankoraŭ hodiaŭ ion senti, li sentus feliĉon. Feliĉon ne pri partero, kie sidas reĝoj, sed kie sidas tiuj, kiuj kunagis ĉe tiu ĉi granda verko kaj kiuj kreos ankoraŭ multajn aliajn verkojn en bona, paca tempo.

*Annelore Weimer*
*Trad. Renate kaj Dieter Berndt*

*4 Kun escepto de la novbaroka rigardejo la malnova domo en la Behrenstrato estis renovigita kaj plivastigita fundamente en la rekorda tempo de 20 monatoj.* *Foto: Zentralbild*

*5 La „Komische Oper" Berlin remalfermiĝis je la 4. 12. 1966 kun la Felsenstein-scenigo „Don Giovanni" de Mozart en ĉeesto de la prezidanto de la Ŝtatakonsilentaro de la GDR, Walter Ulbricht, kaj pluaj gvidantaj personecoj de la GDR kaj de la internacia teatra vivo.* *Foto: Zentralbild*

4



5



*1 Prof. Walter Felsenstein, intendanto de la „Komische Oper" en Berlin*

*2 Bertolt Brecht, verkisto, poeto kaj reĝisoro, nask. 10. 2. 1898 en Augsburg, mort. 14. 8. 1956 en Berlin. Plej granda germana dramatikisto de la unua duono de la 20a jarcento.*

*3 La poeto Johannes R. Becher, 22. 5. 1891 – 11. 10. 1958, fondinto kaj ĝis lia morto prezidanto de la Germana Kulturligo.*

*Foto: Zentralbild*



2



3

# „... PER LA VERKADO DE BRECHT

*la poezio potenciĝis kaj, aliancita kun la bonaj potencoj de tiu ĉi mondo, ĝi fariĝis tia superforteco, ke nek la kontraŭuloj nek la timemuloj kaj nedecidemuloj sukcesis retiriĝi el sia efikstero. Oni rajtas disputi kaj sole okupiĝi pri la dramaturgio de Brecht, eble ankoraŭ post jardekoj, nedisputebla restos daŭre lia poeta grandeco, lia drameca genio. Brecht – jen la kuraĝigo, la esperigo – Brecht, tio estas la kredo al la poezio kaj la konvinko pri ĝia nekomparebla etiko. Brecht, tio signifas, ke la estonteco nunas, ke la sekva jarcento jam komencis. Pro tio ni legas en liaj verkaĵoj:*

*Revoj! Ora Aŭguro!*
*Vidu la belan torenton el leviĝantaj spikoj!*
*Semanto, signu tion,*
*Kion vi morgaŭ produktos, jam nun propraĵo via!*

*Per tiuj ĉi vortoj Brecht donis al vizio de la estonteco realan forton, kaj la starejo, kiun li elektis, la Germana Demokratia Respubliko, signifis por li ankaŭ la mondperceptan starpunkton, kiu sole garantiis, ke siaj kuraĝaj perspektivoj efektiviĝos. Pro tio la Germana Demokratia Respubliko estis lia ŝtato. Li tre intime sentis kun ĝi, li tute apartenis al ĝi.*

*En kiu germano de nia epoko ligiĝis tia riĉeco da pensoj kun tia folkloreca simpleco? Kiu tiel kareseme esprimis la penigan? Kiu povis esti samtempe tiel penpersista kaj karesema, kiu diris karesaĵon per tia drakoneco? Kiu kronikisto dum nia epoko vidis „la Oran Aŭguron de la mateno en la bela torento de leviĝantaj spikoj" tiel klare kiel li, kiu komprenis la patrinecon per ĝia varmo, ĝia minaceco kaj ĝia nevenkebleco kiel li. Kiu estis al ni tiel bona kamarado, kiu tia fidela amiko de la junularo?... (Johannes R. Becher)*

Ni publikigas sube eltirajon el la 14-a sceno de lia verkaĵo **„VIVO DE GALILEI":**

*G a l i l e i : respondas la argumentaĵon de Sartri, kiu diris, ke la scienco nur konas unu postulon nome la sciencan kontribuon.*

„Eĉ komercisto por lano devas, krom malkare aĉeti kaj kare vendi, zorgi pri tio, ke la komercado kun la lano okazu sen malhelpaĵoj. Pro tio la okupo pri scienco ŝajnas al mi postuli specialan kuraĝon. Ĝi komercas kun scio, akirita per dubo. Kreante scion pri ĉio por ĉiuj, ĝi avidas fari dubantojn el ĉiuj. Sed grandparto de la enloĝantaro estas kaptita de ĝiaj princoj, grandbienuloj kaj ekleziuloj en perlamota vaporo el superstiĉo kaj antikvaj sloganoj, kiu kovras la manipulojn de tiuj personoj. La mizero de la plejmulto estas malnova kiel la montaro kaj estas deklarita desur la predikseĝo kaj katedro nedetruebla kiel la montaro. Nia nova arto de dubado ravis la grandan publikon. Ĝi fortiregis el nia mano la teleskopon kaj direktis ĝin al siaj turmentantoj. Tiuj egoistaj kaj kruelaj viroj, kiuj avidege utiligis la fruktojn de la scienco por si mem, sentis per tio la malvarman okulon de la scienco, direktite sur miljaran, sed arbitran mizeron, kiu simple povus esti forigata per forigo de ili mem. Ili superŝutis nin per minacoj kaj koruptaĵoj, nerifuzeblaj por malfortaj animoj. Sed ĉu ni rajtas malatenti la publikon kaj tamen resti sciencisto? La movoj de la astroj fariĝis klarrigardeblaj; ankoraŭ ne takseblaj estas por la popoloj la movoj de iliaj regantoj. La batalo pri mezurebleco de la ĉielo estas venkita per dubo; per kredemo la batalo de la roma dommastrino por lakto ĉiam denove malsukcesas. La scienco okupiĝas pri ambaŭ bataloj. Homaro, falpuŝiĝanta en tiu miljara perlamota vaporo el superstiĉo kaj antikvaj sloganoj, tro malklera, por plene utiligi siajn proprajn fortojn, ne estos kapabla, disvolvi la fortojn de la naturo, kiujn vi malkovros. Por kio vi do laboras? Mi pri tio opinias, ke la sola celo de la scienco troviĝas en tio: plifaciligi la mizeron de la homa ekzistado!
Kiam sciencisto, timigite de egoistaj potenculoj, kontentiĝas per amasigado de scio pro la scio mem, tiam la scienco povas esti kripligata kaj viaj novaj maŝinoj nur signifas novajn suferojn. Vi povus estonte malkovri ĉion, kio estos malkovrebla kaj via progreso tamen nur estos malproksimiĝo for de la homaro. La breĉo inter vi kaj ĝi iutage povos esti tiel granda, ke via ĝojkrio pri ia nova akiraĵo estas respondata per universala timegkrio. Mi havis kiel sciencisto unikan eblecon. Dum mia tempo la astronomio atingis la forumojn. Dum tiuj tute specialaj cirkonstancoj la persistemo de viro povus esti kaŭzinta grandajn ŝanĝojn. Se mi estus rezistinta, la naturscienculoj povus esti kreintaj ion similan al la Hipokrata juro de la kuracistoj, la promeson, uzi sian scion nur cele al la bonfarto de la homaro. Sed kiel nun ŝajnas, la plej alta, kion oni povas esperi, estas generacio el inventemaj pigmeoj, kiuj povas esti dungataj por ĉiaj celoj ..."

*Trad. Hans Eichhorn*

# ALTNIVELA GDR-SPORTO

La sportuloj de la Germana Demokratia Respubliko figuras laŭ opinio de eksterlandaj ekspertoj inter la monda elito. Ili akiris dum la mondaj kaj eŭropaj ĉampionadoj en 22 sportkategorioj 102 medalojn, inter ili estis ne malpli ol 36 oraj medaloj. Oni parolis pri la „ora sportjaro 1966" en la GDR. La itala sportĵurnalisto de l'ĵurnalo „Boom", Gianni Romeo el Torino, kiu je l'fino de tiu ĉi sporta sezono faris studan vojaĝon tra la GDR, komentis ekzemple la sukcesojn de la GDR, akiritaj en la remilaj mondĉampionadoj, tiamaniere: „Sukceso sen ekzemplo. En la tutaj sep vetkuradoj nomataj en la programo, la orientgermananoj sukcesis alkonduki en la finalon siajn teamojn kaj gajnis tri orajn kaj du bronzajn medalojn. Unu nacio sola, nacio kun deksep milionoj da loĝantoj akiris trionon el la tutaj medaloj." En sia raportaĵo la itala korespondisto rezultis: „La vereco konsistas en tio: ne ekzistas hazardo, nek feliĉo, nek talento, nek improvizaĵo je la fondo de tiuj ĉi rezultatoj! La improvizaĵo, la talento, la feliĉo povas helpi al unu homo aŭ al unu disciplino, sed ili certe ne povas esti la komponentoj de l' sukceso de la tuta lando kiu en ĉiuj disciplinoj moviĝis antaŭ la Sovjetunion, Grandbritujon kaj Okcidentgermanujon kaj kiu estas homplenigata kiel Nortitalujo." Fakte la rezultatoj de la GDR-sporto bazas sin je la fondo de popolsporta movado. Per multspertaj metodoj la gimnastik- kaj sportligo de la Germana Demokratia Respubliko, la ministrejo por popolklerado kaj la junula organizaĵo kune klopodas, gajni la tutan junularon por la diferencaj olimpiaj sportdisciplinoj pere de interesaj ĉampionecaj sistemoj. En 1966, kiam la „asoj"[1]) gajnis 36 mondajn kaj eŭropajn titolojn, unu miliono kaj okcentmil da infanoj kaj junuloj partoprenis en 24 sportaj disciplinoj la unuan germanan infan- kaj junularspartakiadon.

Do ĉar la sporto en la GDR bazas en solidaj fondoj, la „ora jaro 1966" ne restos escepto. Apenaŭ komencis la nova jaro 1967, tiel kontinuis jam da nova oro. En la eŭropaj ĉampionadoj je glitartkurado okazintaj 1967 en Ljubljana, la 18 jara Gabriele Seyfert el la Germana Demokratia Respubliko fariĝis eŭropa ĉampiono.

Gabi Seyfert dokumentas en sia evoluo la prosperadon de la GDR-sporto. Jam ŝia patrino, Jutta Müller-Seyfert, estis glitartkurinto post 1945. Sed tiam estis nek artglacejoj nek specialaj trejnistoj en la GDR. Kiel autodidaktino kaj poste helpe al la Supera Sportlernejo de la GDR, sinjorino Müller-Seyfert sin kvalifikis trejnistinon. Ŝia filino Gabi fariĝis en 1960 kiel 12 jara unuafoje germana ĉampiono – ne kiel mirinfano sed pli pro manko de konkurenco. Kiam en 1961 ŝi partoprenis en eŭropaj ĉampionadoj, fariĝis nur la 21a de 24 partoprenintinoj. Sed per diligenteco, sistematiko kaj energio ŝi sin suprenagadis en mondan klason. En 1966, tiel en la eŭropaj kiel ankaŭ en la mondĉampionadoj, ŝi gajnis po unu arĝentan medalon kaj en 1967 unuafoje oran medalon.

Kaj ne nur Gabi trovis la konekton al la internacia nivelo. La GDR gajnis en Ljubljana pluan bronzan medalon je parkurado kaj krome pluraj unuopajkurantoj kaj paroj troviĝis en la antaŭa grupoj (lokoj 1 ĝis 15). „La oraĵo por Gabriele Seyfert estis nur la komenco de evoluo, kiun ĉi tie estontece oni postkuros", skribis la okcidentgermana sportinformejo „SID" (Dusseldorf) kaj kritikis, ke en Okcidentgermanujo oni mizere malzorgis la junajn sportulojn. Samtempe en la GDR komencis por miloj da infanoj kaj junuloj la turniroj de la vintra spartakiado. La multaj nove konstruitaj artglacejoj estis plene okupataj, 10jaraj skiantoj flugis de sur la saltotabuloj, en la glacejo batalis junaj glachokeaj teamoj, ili ĉiuj trejnas entuziasme laŭ la olimpia ideo.

*Wolfgang Gitter*
*(tradukita de Kl. U. Riemann)*



1



2




3



4

*1 Trifoje Günter Gerhard (GDR) troviĝis precisege en la malgranda nuldisko kaj fariĝis tiamaniere mondĉampiono je paraŝutsaltado*
*Foto: Helmut Ende*

*2 Ora, arĝenta kaj bronza medaloj por la diskojetuloj el la GDR (Thorit, Losch, Milde) – la surprizo ĉe la malpezaj atletikaj eŭropĉampionadoj 1966 en Budapest* *Foto: Manfred Dressel*

3 Internacie konataj ĉefsportuloj gratulas al la SED (SUPG) pro la 20a jaratago de la fondigo.
De maldekstre dekstren:
*Frank Wiegand:* Mondrekordisto kaj Eŭropamajstro en 400 metra naĝado; *Klaus Urbanczek:* Piedpilkaklubo Halle Chemie, bronza medalo olimpiaj ludoj 1964; *Birgit Radochla:* Gimnastikantino, arĝenta medalo ĉevalsalto Olimpiaj ludoj 1964; *Dieter Neuendorf:* 1966 Vicmondmajstro por speciala saltkurado; *Gabriele Seyfert:* Vicmondmajstrino 1967 por la glaciartkurado; *Karin Balzer:* Olimpia venkintino 1964 en 80 m hurda kurado kaj ora medalo ĉe la IIa Eŭropa halajludoj en Praha 1967. Foto: Zentralbild

*4 Alfred B. Neumann, ŝtatsekretario por korpkulturo kaj sporto en la GDR, gratulas la kvarulon kun direktilulo el la GDR okaze de la venko je la mondĉampionade 1966 en Bled/Jugoslavio*
*Foto: Kurt Mocker*

# Plej bonan medicinan prizorgon por ĉiu ŝtatano de la Germana Demokratia Respubliko

**De prof. d-ro med. habil Ludwig Mecklinger, vicministro por sanaferoj.**

La sano- kaj socia protekto en 1966 j. ĝojige bilancis. La sukcesoj en la batalo kontraŭ malsano kaj morto ĉefe ebliĝis pro tio, ĉar en la GDR nenio malhelpas la aplikon de medicine-sciencaj ekkonoj en la praktiko. Nia Ŝtato de Laboristoj kaj Kamparanoj mezuras la agadon de la sanprotektado laŭ la sukcesoj de la medicina prizorgo per ĉiuj disponeblaj kaj jam praktike utiligeblaj rezultoj de medicina esplorado sur alta nivelo kaj en plej bona kvalito.

La ĉefa tasko postulata de la sanproduktado, „garantii plej bonan medicinan prizorgon por ĉiu ŝtatano", bazas sur la scio, ke la tasko de la moderna medicino estas, plibonigi konservi kaj redoni la homan sanon.

Por tio nia socialisma ŝtato ekde sia estiĝo al la sanprotektado disponebligis jaron post jaro pli da monrimedoj kaj fortoj. En la jaro 1966 estis denove disponebligitaj 81 miliono pli da Markoj (MDN) ol en 1965 j. La ŝtataj gvidantaj organoj, de la ministerio ĝis la aparta institucio plie kun granda konscio de respondeco uzis racie la sociajn fondusojn por la taskoj fiksitaj en la popola ekonomia plano por 1966 jaro.

En tiu jaro la nombro de la kuracistoj en la centraj kaj lokaj organoj de sanprotekto plialtiĝis je pli ol 450. 443 kuracistaj kaj dentistaj laborejoj estas nove instalitaj. Per tio la nombro de kuracistaj oficoj po 10 000 loĝantoj plialtiĝis de 6,7 en 1965 j. al 6,9 kaj de dentistoj de 4,2 al 4,3 en 1966 jaro.

Preskaŭ 8000 infanvartejaj lokoj povis esti instalataj en tiu jaro: Per tio la nombro de infanvartejaj lokoj po 1000 infanoj ĝis tri jarojn aĝaj plialtiĝis de 165,3 en 1965 al 168 en 1966 j.

La sumo de 81 miliono da Markoj, kiu pli ol en 1965 j. estis disponebla por la sano- kaj socia protektado (sen socia asekuro), ne enhavas la investojn por tiaj novaj institucioj, kiel la malsanulejo en Rostock-Südstadt kun 577 litoj, la infektitejo en Neŭbrandenburg kun 75 litoj, la polikliniko en Frankfurt (Oder) kun ĉirkaŭ 30 kuracistaj laborejoj kaj la pliampleksiga konstruaĵo ĉe la malsanulejo en Sondershaŭsen kun 100 litoj. Por tio estas elspezitaj denove pli ol 40 milionoj da Markoj.

**Plialtigi la nivelon de medicinaj agadoj**

En la jaro 1966 la agadoj en la ekster- kaj enhospitala prizorgo de la loĝantoj pruveble respeguliĝas en tio, ke la malsaniĝa ofteco povis esti reduktata. La fakoj de speciala sanprotektado, kiel tiu por gravedulinoj, por patrinoj kaj suĉuloj, por infanoj kaj gejunuloj plivastigis sian profilaktikan efikecon. La sanprotekto por la laborantoj povis esti pliprofundigita en siaj labor- kaj laborejspecifaj taskoj kaj respondecoj konforme al la necesoj de la science-teĥnika revolucio kaj de la kompleksa socialisma raciigo. Tiel estiĝis – por citi nur kelkajn ekzemplojn – laborhigienaj centroj por la konstrua fako kaj por la ĥemia industrio. Por la plibonigado de la produkta kulturo estis ellaborataj normoj laŭ laborfiziologiaj vidpunktoj.

**Signifo de profilaktiko kreskas**

La medicino plu ne povas sin limigi nur en kuracado de malsanoj, sed devas orientiĝi en sia laboro al kontentigo de ĉies individuaj bezonoj por plibonigo, konservado kaj redono de lia sano. Tiu ĉi profilaktika agado estu realigota pere de jenaj kvar ĉefdirektoj:
per aktiva sanprotektado,
per aktiva pliprogresigo de la homa laborkapableco,
per la protekto kontraŭ malsanigaj faktoroj,
per la protekto kontraŭ malsano, revenoj kaj plimalbonigaj tendencoj en la malsana procezo.

Ĉio dirita klarigas, ke la signifo de la profilaktiko pli kaj pli akiras signifon ankaŭ por la kuracisto kaj ke ĝi pli ol ĝis nun devas esti registrata kaj kontrolebligata kiel medicina agado. Krome estas pli evoluigata la dispensaria prizorgo, t.e. la tuto de celataj profilaktikaj, terapiaj kaj metafilaktikaj faroj per specifaj rimedoj por difinitaj grupoj de malsaniĝintoj aŭ endanĝeriĝintoj.

Okaze de la tago de la medicinaj kadroj la kunlaborantoj de la medicinaj kaj sociaj organoj en nia respubliko esprimas sian konfeson al sia ŝtato kaj ties sanpolitiko pere de ankoraŭ pli bonaj faroj en medicina esploro kaj praktiko, kaj tiamaniere ili kontribuas al plua plifortigo de la GDR.

**5 miliardoj por la sanprotektado**

5,09 miliardoj da Markoj en la ŝtata budĝeto de 1967 j. disponiĝas por la sano- kaj sociprotektado en la GDR. Antaŭ ĉio la monrimedoj servas al la batalo kontraŭ la infektaj, koraj, cirkuladaj, neoplasmaj kaj reŭmatismaj malsanoj.

Kun plej alta efiko la monrimedoj devos servi al la enhospitala medicina prizorgo. Tiamaniere i.a. devos plialtiĝi la nombro de litoj en la fakaj sekcioj de la malsanulejoj.

Konsiderindaj financaj rimedoj ĉi-jare estas ankaŭ rezervitaj por la plua evoluo de la „urĝa medicina helpo" kaj por la batalo kontraŭ la morto per akcidento. Tiamaniere i.a. en pli granda amplekso ol ĝis nun estos disponeblaj specialveturiloj kun normita epiko de la Germana Ruĝa Kresto (DRK).

*Trad.: D-ro P. W. Ruff*

*Vilaĝa ambulanco en funkcio* *Foto: Siegfried Thienel*



# LA GAZETARFAKO EN LA GDR

En la Germana Demokratia Respubliko estas legataj en ĉiu hejmo meznombre unu ĵurnalo, unu ilustrita aŭ semajna gazeto kaj du revuoj. Ĉiu hejmo disponas pri minimume unu radioricevilo, ĉiu dua pri televidaparato.

Jam ĉi tiuj faktoj donas ideon pri la ampleksa disvastiĝo de la gazetaro, de radio kaj televido en la GDR, kaj de la granda deziro por instruiteco kaj informaĵo de la civitanoj de ĉi tiu ŝtato.

La plej alta deziro de la gazetaro de la GDR estas kontribui al tio, ke faŝismo kaj milito estas unufoje por ĉiam eliminataj, kaj ke socio estas konstruata, en kiu paco, humanismo kaj socia justeco havas sian hejmon.

Ĵurnaloj kaj gazetoj en la GDR lasis sin dum la pasintaj du jardekoj ĉiam gvidi de ĉi tiu alta devo ligite al la revoluciaj kaj humanismaj tradicioj de la demokrata gazetaro en Germanio, antaŭ ĉio de la germana laborista gazetaro.

En neniu gazetarorgano de la GDR oni trovas eĉ unu vorton de popol-kaj rasmalamo, sed anstataŭ tio tagon post tago konfesojn de popolamikeco, de batalo kontraŭ imperiismo kaj koloniismo.

Same oni ne trovas eĉ unu vorton de revenĝo, de pretendo pri atomarmiloj – kontraŭe oni dediĉas grandon spacon al la paca kunlaboro kun la Sovetunio, la aliaj socialismaj frataj landoj, la junaj naciaj ŝtatoj kaj ĉiuj pacamaj popoloj al la proponoj pri interkompreniĝo kaj malstreĉiĝo.

En neniu ĵurnalo aŭ gazeto de la GDR oni trovas eĉ unu solan vorton, kiu subtenas la malpuran militon de la usona imperiismo kontraŭ la vjetnama popolo, sed anstataŭ tio ĉiutage atestojn de frata solidareco kaj helpo por Vjetnamio. La tuta mondo povas vidi kaj legi, ke nia respubliko kaj ĝia gazetaro estas seriozaj rilate al paco kaj interpopola amikeco.

La klarigo por tio estas evidenta: En la GDR la gazetaro estas devoligita al unu sola komisiulo, la laboranta popolo, kiu konstruas socialismon. Ĵurnaloj kaj gazetoj estas eldonataj plejgrandparte de la partio de la laborista klaso, la SED (Socialista Unuecpartio de Germanio), de la aliaj demokrataj partioj kaj de la amasorganizoj. La plej granda parto de la eldonejoj kaj presejoj estas popolpropra respektive posedaĵo de partioj kaj amasorganizoj.

Nuntempe aperas 40 ĵurnaloj kun eldonkvanto de 6,2 milionoj da ekzempleroj. Inter ili sin trovas 15 ĵurnaloj de la Socialista Unuecpartio de Germanio, el kiuj „Neues Deutschland" (Nova Germanio) (800 000) kiel la centra organo de la partio estas samtempe la gvidanta ĵurnalo en la GDR.

La partioj, kiuj en firma alianco kun la Socialista Unuecpartio de Germanio aktive kunlaboras en la socialista konstruado –– unuigitaj en la Demokrata Bloko – eldonas propraĵn ĵurnalojn, tiel la Liberal-Demokrata Partio de Germanio kvin (centra organo: „Der Morgen" (La Mateno), la Kristan-Demokrata Unio de Germanio ses (centra organo: „Neue Zeit" (Nova Tempo), la Nacia-Demokrata Partio de Germanio ses (centra organo: „National Zeitung" (Nacia Ĵurnalo,) la Demokrata-Kamparana Partio de Germanio la „Bauern Echo" (Eĥo de la Kamparanoj).

La plej grandaj amasorganizoj ankaŭ havas siajn ĵurnalojn, tiel la Libera Germana Sindikata Ligo (FDGB) la „Tribuene" (Tribuno), la Libera Germana Junularo la „Junge Welt" (Juna Mondo), la Germana Gimnastiko kaj Sportoligo la „Sport-Echo" (Eĥo de la Sporto), la organizaĵo de la sorbana loĝantaro en la GDR, Domowina, la ĵurnalon „Nowa Doba" (Nova Epoko). La Berlina Eldonejo eldonas la „Berliner Zeitung", unu el la plej grandaj ĵurnaloj de la ĉefurbo de la GDR kaj la vesperĵurnalon „BZ am Abend".

Grandan popularecon ĝuas ankaŭ la semajngazetoj, ilustritaj gazetoj, magazinoj kaj revuoj, el kiuj 27 titoloj kun eldonkvanto de 7 milionoj da ekzempleroj estas debitataj.

Pri la diverseco de la scienca-teknikaj kaj kulturaj necesoj kaj bezonoj de la loĝantaro de la GDR atestas ankaŭ la varia paletro de la pli ol 500 fakgazetoj kun eldonkvanto de 12 milionoj da ekzempleroj. Ili peradas la plej modernajn ekkonojn determinantajn la scienca-teknikan progreson el la GDR, la socialistaj landoj, el la tuta mondo. En ili speguliĝas la grandaj sciencaj progresoj de la GDR, kiu estas unu el la dek gvidantaj industriŝtatoj de la mondo, speguliĝas la nelacigeblaj klopodoj utiligi la rezultatojn de scienco kaj tekniko por la paco kaj la bonfarto de la popolo.

Menciinde ankoraŭ estas, ke por la religiaj legantaroj, krom la ĵurnaloj de la Kristan-Demokrata Unio, 31 periodaj religiaj gazetoj kaj revuoj aperas, kiuj estas eldonataj de ekleziaj institucioj.

Multmiloble la ĵurnaloj kaj gazetoj de la GDR estas ligitaj kun siaj legantoj. Ĉiutage miloj da leteroj de la legantoj alvenas en la redakcioj, en kiuj anoj de ĉiuj tavoloj de la loĝantaro sin turnas al siaj ĵurnaloj kaj gazetoj kun siaj pensoj kaj proponoj, demandoj kaj kritikoj. Tiel la „Junge Welt" (Juna Mondo) ricevis en la jaro 1965 ĉirkaŭ 390 000 ensendaĵojn de legantoj. Departementa gazeto kiel la „Freie Presse" (Libera Gazetaro) en Karl-Marx-Stadt ricevis en la jaro 1965 pli ol 63 000 leteroj, de legantoj. Tia gazetaro, kiu plej intime estas ligita kun la popolo, kaj kiu estas la defendanto de ĝiaj interesoj, nur povas ekzisti tie, kie la laborista klaso en firma alianco kun la laborantaj kampuloj kaj la aliaj tavoloj de la loĝantaro praktikadas la potencon.

*Trad. Karl Maier*

## Kiu tuŝas la dormon de l'mondo – Lenin

Johannes R. Becher

Li tuŝis la dormon de l'mondo
Per vortoj, kiuj estis fulmoj,
Ili alvenis sur reloj kaj riveroj
Veturinte tra ĉiuj landoj.

Li tuŝis la dormon de l'mondo
Per vortoj, kiuj fariĝis pano,
Per vortoj, kiuj fariĝis armeoj
Kontraŭ la malsatmizero.

Li tuŝis la dormon de l'mondo
Per vortoj, kiuj fariĝis maŝinoj,
Fariĝis traktoroj, domoj,
Borturoj kaj minoj –

Fariĝis elektro,
Martelado en la fabrikoj,
Staras neestingebla skribo,
Skribita en ĉiuj koroj . . .

Trad.: H. Stengel

# La Justicordo en la Germana Demokratia Respubliko

En la GDR la maksimoj de la Deklaracio de Potsdam estas efektivigataj konsekvence ankaŭ rilate al justicreformo. Neniu iama faŝista juĝisto aŭ ŝtata prokuroro plu oficas. En ĉi tiuj funkcioj nun oficas ĉefe progresemaj iamaj gelaboristoj. Tio ebligis la evoluon de progresema justica ordo, kiu baziĝas sur ampleksa kunagado de la popolo en la jurisdikcio. La decida leĝo por nia justicordo nomiĝas: „Taskoj kaj labormaniero de la justicorganoj" kaj datiĝas de aprilo 1963.

Multforma estas la kunagado de niaj ŝtatanoj. La skabenoj estas kiel profesiaj juĝistoj samrajtaj, kaj ili agas per diskonigo de juĝoj profilakte. Kromaj taskoj en ilia agosfero estas: eduki leĝrompintojn kaj zorgi pri la reensociigo de punitoj post punfino. Ĉiun juĝkunsidon partoprenas komisiitoj de la laborkolegoj, de la domkomunumo aŭ de aliaj kolektivoj, kiuj kapablas prijuĝi la akuziton. Jam dum la antaŭesploro la polico pridemandas personojn el la menciitaj kolektivoj. La opinioj de la kolektivoj estas serioze konsiderataj de la juĝistoj en ilia decido.

Tre grava estas la institucio de la sociaj akuzanto kaj defendanto. Taŭgaj personoj estas proponataj de la kolektivoj, en kiu la puninda persono laboras, kie li loĝas aŭ socie kunlaboras. La juĝisto kune kun la skabenoj decidas, ĉu la proponitaj personoj estu akceptataj. Sociaj defendantoj estas proponataj, se la akuzita persono senzorge agis kontraŭlege, sed alie estas estiminda persono. Sociaj akuzantoj kaj sociaj defendantoj posedas en juĝkunsidoj la samajn rajtojn kiel la ŝtata prokuroro. La socia defendanto tie ankaŭ kovas sciigi, ke la koncerna kolektivo, okaze de nemallibereja puno, estas preta transpreni garantion por la akuzito. Cetere ankaŭ en procesoj sen socia defendanto la juĝistoj povas dekreti garantion por la akuzito, se tion proponis la laborkolektivo. Tiukaze la koncerna kolektivo devas provi eduke influi la akuziton certan tempon. Sociaj kolektivoj ankaŭ rajtas, okaze de antaŭtemplima elkarcerigo, transpreni garantion dum la tempo, en kiu la leĝrompinto devas bonkonduti por atingi nuligon de la restanta puno.

La juĝistoj rajtas pere de la juĝo devigi la akuziton edukcele dum periodo ĝis du jaroj ne ŝanĝi la laborejon aŭ labori en certa laborejo (koncernas mallaboremulojn).

Se juĝistoj aŭ skabenoj konstatas kritikindan labormanieron de aliaj juĝejoj aŭ ŝtatorganoj, socialistaj laborejoj aŭ institucioj aŭ sociaj organizaĵoj, ili faras motivitan, kritikantan decidon. Tio servas al la plifortigo de nia socialista laŭleĝeco.

Ekzistas konfliktkomisionaj en laborejoj jam depost 1953. Ili bonefike traktis negravajn kontraŭleĝajn agojn de laborkolegoj aŭ flanke de la laborejestraro rilate al la laborkontrakto. Ekde 1963 iliaj rajtoj estas multe pli ampleksaj kaj ankaŭ koncernas civilajn disputojn. En loĝdistriktoj estas fonditaj t.n. arbitraciaj komisionoj. Ambaŭ komisionoj estas elektataj kaj rajtas pritrakti krimetojn transdonitajn al ili de polico, ŝtata prokuroro aŭ juĝisto. En kazoj de ofendoj ili samrate decidas, se unu el la koncernaj civitanoj tion proponas. Kiam ekagas la konfliktkomisiono, la akuzito devas aparteni al la koncerna laborejo. La cititaj komisionoj rajtas devigi la akuziton senkulpigi sin ĉe la domaĝon suferinto, aŭ antaŭ la kolektivo, rajtas devigi la punindan personon kompensi la domaĝon, aŭ ili povas dekreti mallaŭdon. La ofendanto ankaŭ povas esti devigata publike repreni la ofendon.

Ĉe civiljuraj disputoj pri disputvaloro ĝis 500 markoj ambaŭ komisionoj rajtas provi nedevige ordigi la konflikton inter la interesuloj. Cetere la propono pritrakti certan aferon povas esti farata ne nur de la koncernanta personon mem, sed ankaŭ de aliaj civitanoj. La konfliktkomisiono ankaŭ en tiaj disputoj nur povas ekagi tiam, kiam la kontraŭulo estas ano de la koncerna laborejo.

Ankaŭ aliaj pli aŭ malpli simplaj disputoj pro malatento al rajtoj kaj devoj en la ĉiutaga vivo povas esti traktataj en tiuj komisionoj, same neplenumo de leĝaj alimentodevoj. Okaze de disputoj en domo ankaŭ la estraro de la domkomunumo povas proponi konsiladon ĉe la arbitracia komisiono. Tiu komisiono ankaŭ rajtas okupi sin pri mallaboremuloj kaj konformi ilian promeson, senprokraste komenci konstantan laboron. Ĝi rajtas dekreti admonon. Fine la arbitracia komisiono konsilas edukrespondeculojn rilate la devojn ĉe neplenumo de lernejvizito de infano. Kulpas la edukrespondeculo, la komisiono ankaŭ rajtas dekreti admonon. La promeso plenumi la edukdevon devas esti konfirmata. La arbitracia komisiono plue rajtas konfirmi devigajn promesojn de domkomunumoj, brigadoj aŭ de unuopaj personoj subteni edukrespondeculon. La arbitracia komisiono povas inviti lernanton pli ol 14-jaraĝan en sian kunsidon por instrui lin pri liaj devoj.

La du komisionoj ludas gravan rolon en la publika vivo kaj tre valoraj rezultoj de ilia laboro estas konstateblaj. La plej estimataj laborkolegoj aŭ civitanoj estas membroj de la komisionoj. Evidentiĝas okulfrape, ke en la GDR la popolo mem ordigas multajn konfliktojn kaj zorgas pri la forigo de iliaj kaŭzoj. Akcentinde ankaŭ estas, ke la justicorganoj ne plu izole laboras kiel kutime en la kapitalista sistemo, sed interkonsente kun la parlamentanoj, sociaj organoj kaj laborkolektivoj.

Ankoraŭ estu menciata, ke la ŝtataj prokuroroj jam ekde 1952 ne nur estas ŝtataj akuzantoj, sed ankaŭ estas devigataj atenti pri tio, ke leĝoj estas observataj flanke de ĉiuj organoj, institucioj kaj laborejoj. Ĉiu civitano rajtas sin turni al ŝtata prokuroro, se leĝoj, i.a. laborleĝoj, ne estas atentataj.

Celo de la socialista punplenumo estas: eduki punitojn al plenvaloraj homoj. Ŝtataj organoj zorgas por konvena laboro, kaj se necese ĉe punfino aŭ antaŭtemplima elkarcerigo por loĝejo. Kaj neniu rajtas riproci la faritan krimon al la punito reveninta el malliberejo.

La artikolo montru, ke la justica ordo en la GDR estas progresema. Ĝi garantias iom post iom la venkon super krimeco. Ĉiam pli la konstante kreskanta jurkonscio ankaŭ rezultigas malpliiĝon de civilaj konfliktoj.

*Verkis: Elsa Gruhle, Leipzig.*



# Portreto de sciencisto de GDR

*Prof. D-ro D-ro Max Steenbeck,*
*Membro de la akademio en Berlin kaj Moskvo,*
*Nacia Premiito,*
*Prezidanto de la Esplorada konsilantaro*
*de la GDR*
*Foto: Zentralbild*

*En la jaro 1956 prof. dr. dr. Max Steenbeck revenas al Germanio post dekunujaro restado en Sovetunio. Tiutempe li estas ankoraŭ registrita en la personaktaro de la Siemens- konzerno. Post longdaŭraj informvojaĝoj tra ambaŭ germanaj ŝtatoj Max Steenbeck skribas al siaj iamaj kolegoj ĉe Siemens: „Ne, mi ne revenos; mi estas pli multe bezonata en la GDR."*

La fizikisto vekis atenton en la lastaj jaroj per kelkaj publikigoj, kiuj – kiel unuarigarde ŝajnas, havas neniajn rilatojn al sia faktereno. Li esprimis sian opinion pri problemoj de l'etiko, moralo kaj filozofio. De li devenas ekzemple la zorgoplena eldiro: „Ne estas necese, ke la homaro estonte malsatmortu, sed ekzistas la grava danĝero, ke ĝi mortigos sin survoje al la por tio necesa sociordo." Jam tiuj vortoj montras, ke Max Steenbeck prenas sian respondecon tre serioza.

La sciencisto Max Steenbeck, kiel entrepreneja estro de Siemens-fabriko, estis internigita fare de la soveta armeo. Post prelego en Moskvo en la soveta Akademio de Sciencoj li deklaris sian pretecon al kunlaboro.

„Oni demandis min, ĉu mi estas preta – ni diru ĝin tute ĝenerale – kunlabori pri la uranproblemo. Mi estis tutece preta, fari tion. Ne ĉar mi estis komunisto, aŭ ĉar mi jam estimis aŭ jam ekkonis la Sovetunion kaj ĝiajn celojn, sed simple el la konvinko, ke tiu ĉi terura ŝoko, kiun kaŭzis Hiroŝima – Nagazaki, nur tiam ne ripetiĝus, se ne nur unu flanko disponus pri la atoma bombo. „Ni petis profesoron Steenbeck pri respondo je la, en la okcidenta gazetaro disvastigata famo, ke germanaj sciencistoj estus decide kunhelpintaj, rompi la nukle-armilan monopolon de Usono.

„Ni kunhelpis, kompreneble; kaj nome kun plena interna aprobo de la tasko. Mi opinias, ke la tempo nin ankaŭ pravigis. Sed al la vere decidaj problemoj ni tute ne proksimiĝis. Ni estis precipe okupitaj pri la problemo de diskrevigo de izotopoj. Tio estas problemo, en kiu la pliposta paca kaj milita aplikoj ankoraŭ ne dispartiĝis."

## La decido

1956 revenas Max Steenbeck el la Sovetunio.

„Mi estis laŭ la listoj ankoraŭ ĉiam oficisto ĉe Siemens. Kaj oni kalkulis kiel tute memkompreneble, ke mi revenos. Kaj mi mem ankoraŭ ne sciis, kion mi faru. Pripensu: en la longa tempo, soleco, nostalgio, aŭskultinte multfoje radiodissendojn, tiel de ĉi tie, kiel ankaŭ de la federacia respubliko; tiam mi formis al mi bildon pri tio, kiel ĉio aliiĝis. Mi sciis pri mi mem, ke mi aliigis mian pensmanieron. En kiu grado faris tion ankaŭ la homoj en la hejmlando?

Profesoro Steenbeck entreprenas longdaŭrajn vojaĝojn tra Okcidentgermanio por informi sin. Ankaŭ en la GDR li vizitis multnombrajn entreprenojn kaj institutojn.

„Mi sciis, ke mi ambaŭflanke povus vivi senzorge. Do iaj materiaj konsideroj ne estis decidaj."

Je la demando: „Kio do ludis la decidan rolon?" respondis profesoro Steenbeck: „Ja, ankaŭ tio ne estis unu sola kialo, ankaŭ tio rezultis el sumo da multaj impresoj. Unu el tiuj impreso estis, kion pensis la homoj tie en okcidenta Germanio pri la remilitarigo, pri kiu oni parolis 1956, kaj ke la arogantecon kontraŭ Sovetunio, kiun mi mem ankaŭ havis, kiam mi venis tien, ili ankoraŭ posedis tiel komplete, aŭ intertempe per la propagando ankoraŭ plikreskigis. Tio estis antaŭ la unua sputniko..."

„Mi sciis el la memanalizo, ke mi en estonteco, kelkajn erarojn, kiujn mi iam faris – por tiel diri pro sinizoligo for de la kunhomoj – ne plu volis ripeti."

Profesoro Steenbeck decidas, fariĝi civitano de la GDR.

## Kial vi venas?

„Post kiam mi estis farinta mian decidon, mi estis post kelkaj tagoj invitata al Walter Ulbricht. Kaj tiu volis tiam nature ankaŭ scii la motivojn por mia reveno. Nun mi vere nur povis diri: Mi venis en la GDR-on, ne ĉar ĝi plaĉis al mi, tre multo ne plaĉas al mi, sed mi havas la tute klaran impreson, ke ĉi tie io povas fariĝi, kio iam plaĉos al mi. La komenciĝoj de l'kunvivado ĉi tie, kaj la prijuĝoj, tiuj estis la samaj, kiujn mi imagis en la Sovetunio en la horoj de l'nostalgio: Kia devas esti la esenco de l'vivo."

Tio, kion ni spertis en la persono de Max Steenbeck, estas la plenumo de Ulbricht -vorto, elparolita okaze de la jarŝanĝo: „Nia plej granda sukceso estas certe la kunkreskado de tiel diversaj homoj kaj fortoj al nova socialisma komuneco.

Max Steenbeck – natursciencisto, etikisto kaj politikisto en unu persono: kiel tio eblas? Tio eblas, ĉar la natursciencisto en nia tempo devas pli multe ol iam zorgi pri la rezultoj de sia laboro. Tio eblas, ĉar nia socialisma ŝtato servas al altaj etikaj idealoj.

En la lando por kiu decidis sin Max Steenbeck 1956, jam komenĉigis la estonteco.

*(Laŭ intervjuo de Walter Heynowski kaj Gerhard Scheumann kun prof. dr. Steenbeck, publikigita en numero 5/1967 en la „Neuen Berliner Illustrierten".)*
*Trad. Walter v. Waldowski*

## Teron jam kovras nokto senluna

*Teron jam kovras nokto senluna,*
*Vokas kabinon knab tute juna.*
*Steloj rigardas de la ĉielo,*
*Venu, knabino – dolĉa mielo.*

*Lasu min vidi klaran okulon,*
*Vin ĉirkaŭpreni, mildan betulon,*
*Vidi vizaĝon ravan belkaran,*
*Longan harligon, nigron brovharan.*

*La aŭtoro nekonata. – Trad. V. Samodaj el ukrajnia kantaro „Kordoj de l'koro"*
*–CR–*

# Rigardo en la jaron 2000

de prof. dr. dr. Max Steenbeck

Antaŭenvidante en la jaron 2000 oni devas havi klarecon pri du faktoj:
1. Fari prognozon pri tiu estonta tempo havas nur sencon, supozante, ke la homo sukcesos eviti la ĝeneralan sinmortigon de tria mondmilito. Ke tio sukcesos, tamen ne estas komprenebla per si mem; signifas ja preskaŭ same grandan danĝeron por la tutmonda paco, konsideri ĝin kiel memkomprenebla, kiel konsideri ĝin neebla kiel daŭran staton. Konservi la mondpacon postulas klopodojn, kiuj ankoraŭ tute ne estas en la konscio de ĉiuj homoj. Sed ili grave influos nian estontan vivmanieron.
2. La naturscienca kaj teknika progreso de niaj scioj estas pro la hodiaŭa amplekso de l'internacia esplor- kaj evolulaboro preskaŭ neimageble granda; ĝi kaŭzas dum ĉiam apenaŭ dek jaroj duobligon de niaj scioj en tiuj terenoj. Do ni scias hodiaŭ malpli ol dek procentojn de tio, kion la homoj scios en la jaro 2000. Pli detalaj prognozoj akceptas tre verŝajne la karakteron de vagaj spekulacioj. Kun granda certeco kelkaj ĝeneralaj eldiroj tamen estas eblaj.

### 5 miliardoj da homoj sur la tero

La mastrumado tiam estos ĉiuterene grandskala: la fakto, ke en la jaro 2000 surtere vivos preskaŭ 5 miliardoj da homoj, do por ĉiuj landoj havos decidan signifon. Se oni volas plue konservi la mondpacon, ĉiuj homoj devas havi la eblecon vivi hominde. Tio signifas ne nur satiĝi, havi loĝejon, vestaĵon, lernejojn, laboron, akvon, stratojn ... La homoj devas antaŭ ĉio ankaŭ scii pli multe ol hodiaŭ, por povi venki tradiciajn antaŭjuĝojn ĉiuspecajn. Tio ekzemple estas la necesa antaŭkondiĉo por ĝenerala regulado de naskiĝoj, kiu okazos ĉie, sed ne estas ebla, tiel longe, kiel ĝi bazas sin sur rasaj aŭ ekonomiaj diferencoj. Tial la homoj – precipe tiuj el la landoj kun progresinta socia ordo – devos dediĉi tre grandan, eble eĉ iam la plej grandan parton de siaj sciencaj kaj teknikaj ebloj ne precipe nur por plialtigo de sia propra vivnivelo, sed er ilia helpo krei la antaŭkondiĉon por certigata vivo de la homoj de ĉiuj kontinentoj kaj rasoj. Alimaniere ĝenerala paco por la daŭro ne estas konservebla. Kiu do en siaj postuloj por la estonta tempo strebas al vivstandardo, kia ĝi hodiaŭ estas praktikata de kelkaj privilegiuloj, sed havas pretendojn, kiuj nur estas realigeblaj koste de la hodiaŭ malfavorataj popoloj, – tiu malebligas pacan estontecon kaj per tio ĉiun estontecon, entute kaj supozeble jam la estontecon en la jaro 2000. Ĉi tion ĝenerale klare ekkoni kaj agi laŭ tio en sia propre strebado, estas antaŭkondiĉo por ĉiu prognozo pri la estonta homa vivo. Kelkaj el tiuj aspiroj estu ĉi tie priparolataj.

### Fotosintezo liveras nutraĵojn

Ankaŭ kvin miliardoj da homoj povas per racia eluzo de ĉiuj agrikulture uzeblaj terenoj de la tero sur kutima nutraĵbazo pli ol nur satiĝi – antaŭ ĉio ĉe sufiĉa kaj salmalriĉa irigacio kaj taŭga mineralsterkado. Tre granda parto de la estonta laboro devos konsisti el la sufiĉe ĝenerala kreado de tiuj antaŭkondiĉoj. Por tio estas la Assuan-bardigo en la VAR nur malgranda sed grava komenco. Al tio venos la havigo de aldonaj fontoj de graso kaj de albumino – unue por la besta, sed baldaŭ ankaŭ por la homa nutrado – per hodiaŭ jam konata, sed ankoraŭ malmulte ekspluatata procedo (nutrofeĉo, kulturado de mikroboj sur naftobazo, pripluvigataj kulturoj, plensintezo de grasoj), kompletigitaj per akirado de digesteblaj karbohidratoj el celulozo ktp.
La fotosintezo, kiu helpe de klorofilo el lumo, karbonacido, akvo kaj mineralsaloj finfine liveras ĉiujn nutraĵojn, estos plene esplorita. Ĉin ni ankaŭ povos apliki, se tio montriĝus utila. La novspecaj nutraĵoj estos por ni tiel kutimaj, kiel hodiaŭ la terpomo, kiun nia regiono nur konas depost proksimume 200 jaroj. La agrikulturo estos plene teknikigita kaj la bredado de brutoj kaj kortbirdoj, certe ĉe la limo de tio, kio estas tolerebla al niaj hodiaŭaj sentimentoj, estos fabrike raciigita. Ĉiuokaze ne necesos, ke iu havu malsaton.

### Nuklea energio el krevigo de urano

Eĉ la konstruo de la plej grandaj bardigoj ne sufiĉos por la bezonoj de akvo kaj energio. Ĉefa energiforto en la jaro 2000 estos ankoraŭ la nuklea energio el la krevigo de urano. La sintezo de hidrogeno kiel liveranto de energio akiros supozeble nur iom pli malfrue atentindan gravecon. Por la provizado de la agrikulturo kaj industrio per akvo estiĝos ĉe la maroj grandaj sensaligaj instalaĵoj. La kanaloj, kiuj de ili kondukos en la landon, formos eble aldonajn trafikarteriojn. Ekzistos disaj loĝkolonioj de unuopaj altdomegoj kun multe da vitro, aluminio kaj artmaterialoj distance de la centroj de industrio kaj administracio, atingeblaj de ili sen aŭtoj per rapidfervojoj. Ankaŭ ĉe progresanta motorigo la fervojo restos la plej grava transportilo por la granddistanca vartransporto, modernigita antaŭ ĉio per forte kreskinta transporto de ujoj. Por distancoj superantaj 100 km-n la aviadilo estos la ĉeftransportilo por la persontrafiko. La rapideco de la granddistanca flugtrafiko apenaŭ pli ol duobliĝos, ĉar la ebla tempogajno ne valoros la penon rilate al la tempo por la alkondukservo. Certe la aviadiloj povos tiam transporti pli multe ol mil personojn.

### Reutiligado de uzitaj materialoj

Precipe sur la kampo de la eluzo de krudmaterialoj aliiĝos ankoraŭ hodiaŭ disvastigitaj konceptoj. Kiel karbo, nafto tiel ankaŭ ercoj kaj aliaj mineralaj krudmaterialoj de ĉiuj specoj ne plu estos akirataj nur laŭ la vidpunkto de tuja profitdono aŭ eĉ malŝparataj; alie ni agus malvasthorizonte rilate al la eblecoj por la venonta tempo. Reutiligado de uzitaj materialoj – kiel malmoderna ĉi tio hodiaŭ eble sonas al kelkaj – eĉ tiam ludos gravan rolon, se tio por si mem kaj rigardate nur laŭ financa vidpunkto estus malmulte profitdona.
La plej multaj de la ĉi tie en malgranda elekto priparolitaj evoluoj estas ne plu eblaj sur privatekonomia bazo – tio estas kun la profito por la unuopa entreprenisto kiel regulanta faktoro. Grandaj, por la ekzistado de la tuta socio necesaj instalaĵoj, kiel grandaj bardigoj, grandegaj sensaligejoj aŭ estontaj hidrogen-elektrogeneratoroj, de kiuj unu sola povas provizi preskaŭ tutan kontinenton, tiaj instalaĵoj estas nur eblaj en socialisma sociordo en certigata paco. Ke ili tiam estas eblaj, rajtigas nian esperon por la venonta tempo.

*Trad. W. v. Waldowski*

KOMUNISMO

*Valflanko de la akva elektro centrejo Bratsk*

# ESTAS SOVETPOTENCO PLUS ELEKTRIFIKO DE LA TUTA LANDO

**Dokumentigo de prof-o d-ro Robert Neumann, Berlin**

Lenin de komenco de sia revolucia agado atribuis plej grandan signifon al la sociaj efikoj de la elektro. Kiam post la venko de la Granda Oktobera socialisma revolucio sub la gvidado de Lenin estis ellaborataj la ĉefaj trajtoj de la ekonomia evoluo de la Sovetunio, li klarigis, ke sen elektriko estas neeble konstrui la industrion, reorganizi la agrikulturon, plialtigi rapide la laborproduktivecon, plibonigi, la vivkondiĉojn de la laboruloj, fortigi la Sovetan potencon, konstrui la socialismon kaj komunismon. De li originas la historia deklaro: „Komunismo estas Soveta potenco plus elektrifiko de la tuta lando."

La gvidata de Lenin juna Sovetŝtato sub la malfacilaj kondiĉoj de la civitana milito kaj intervenco faris tre gravajn paŝojn al la konstruado de elektrocentrejoj kaj al la ellaborado de elektrifikaj planoj por kelkaj regionoj. La 22-an de Aprilo 1918 la Popola Ekonomia Konsilantaro priparolis la konstruadon de hidroelektraj centrejoj ĉe la riveroj Volĥov, Svir kaj Imatra, por provizi la Leningradan industrion per malmultekosta elektroenergio kaj ŝpari la granddistancan transporton de karbo. Lenin en 1918 inter alie donis la instrukcion por la konstruo de la Volĥova hidroelektra centrejo kun potenco je 64 MV. Tamen la civitana milito kaj la intervenco malhelpis ĉi-tiun intencon ĝis 1921. En 1926 la unuaj agregatoj povis esti ekfunciigataj. La centrejo ricevis la nomon „Lenin". Akiritaj dum la konstruado spertoj havis plej grandan signifon por konstruotaj pli poste elektrocentrejoj.

Dum la „Granda Patrolanda Milito" la instalajoj de la elektrocentrejo provizore estis demuntitaj kaj transportitaj en la internon de lando, sed de 1942 ĝis 1944 j. rekonstruitaj. En 1918 komencis la laboroj por la elektrifiko de la Moskva regiono. En la Decembro de la sama jaro la Popola Ekonomia Konsilantaro laŭ iniciativo de Lenin decidis la konstruon de la termoelektra centrejo Ŝatura, funkciigota per torfhejtado, kun kapacito de 48 ĝis 50 Mv. La konstruado komencis en Majo 1919 kaj en 1925 estis finita. Pli poste la kapacito estis plivastigita ĝis 180 MV. Ĝi siatempe estis la plej granda kaj plej efika tiaspeca centrejo, kaj ĝi altiris al si la atenton de multnombraj eksterlandaj termoteĥnikistoj.

En 1920 laŭ iniciativo kaj sub gvidado de Lenin komencis la ellaborado de prikalkulita je 15 jaroj elektrifika plano de la tuta lando. 200 eminentaj specialistoj estis konsultataj. La plano entenis la konstruadon de 20 termoelektraj centrejoj kaj 10 hidroelektraj centrejoj kun entute 1500 MV kaj jara kapacito de 8,8 miliardoj kvh. Ĝi sub la nomo „GOELRO" eniris historion kaj unuafoje

fiksis laŭplanan ekonomian evoluadon de tuta lando por longa tempo.
Kelkiuj sciencistoj, verkistoj kaj politikistoj de la burĝa mondo tiam dubis pri la realeco de ĉi-tiu plano. La verkisto Wells, kiu vizitis Lenin en 1920 kaj kiun Lenin konatigis kun la plano, konsideris tiun planon kiel utopion. Sed Lenin al li respondis: „Revenu post dek jaroj, kaj ni vidos." Wells vizitis la Sovetunion en 1934 kaj devis konvinkiĝi, ke la plano ne nur estis reala, sed estis konsiderinde superplenumita. En Decembro 1935, 15 jaroj post sia sankcio per la 8-a Sovetkongreso, anstataŭ la planitaj 1500 MV jam estis ekfunkciigitaj 4345 MV. La plano estis superplenumita preskaŭ trioble. Ĝis 1940 la kapacito de la Sovetaj elektrocentrejoj estis plialtigita ĝis 11193 MV kaj la produktado de elektroenergio ĝis 48,308 miliardoj kvh.
Konsiderindan lokon en la elektrifiko de la Sovetunio okupis la Dnepra hidroelektra centrejo „Lenin" kun 558 MV, kiu estis konstruata de 1927 ĝis 1932. Ĝi tiam estis unu el la plej grandaj centrejoj en la mondo. Ĉe ĉi-tiu konstruo estis utiligitaj la plej progresemaj spertoj de la kapitalisma mondo kaj aldonitaj novaj gravaj spertoj de la sovetaj konstruistoj. Tiuj spertoj ludis grandan rolon ĉe la konstruado de pluaj hidroelektraj centrejoj.
Dum la faŝisma milito en la intertempe okupataj regionoj estis kaŭzata al la elektrocentrejoj granda domaĝo. Entute la faŝistoj destruis pli ol 12000 elektrocentrejojn kun 5000 MV aŭ proksimume 44 % de tiamaj Sovetaj kapacitoj kaj krome 10000 kilometroj da alttensiaj linioj: La produktado de elektroenergio en 1943 estis reĵetita je 6 ĝis 7 jaroj. 11300 da generatoroj, 1400 da turbinoj, 239 000 da elektromotoroj kaj multaj aliaj objektoj estis demuntitaj kaj transportitaj en Germanion. La detruoj estis tiaj gigantaj, ke la faŝistoj esperis, la Sovetunio por minimume kvaronjarcento eliĝus el la vico de la grandpotencoj. La Dnepr-hidro-elektra centrejo ekzemple estis tute detruita. Tamen dank' al la heroa laboro de la Sovetaj laboruloj jam en 1947 la unua agregato, 1948 la dua kaj 1949 la pluaj agregatoj povis esti ekfunkciigataj. Nune la efika forto sumiĝas je 635 MV, tio estas 17 % pli ol antaŭ la milito. Rezulte de la rapida rekonstruado de detruitaj kaj konstruado de novaj elektrocentrejoj la kapacito de la elektrocentrejoj ĝis 1945 plialtiĝis ree ĝis 11124 MV kaj la produktado de elektroenergio ĝis 43,257 miliardoj kvh.

Post la milito la Soveta ŝtato konsekvence daŭrigis la elektrifikon de la lando. En 1958 la produktado de elektroenergio estis plivastigita ĝis 235 miliardoj kvh, en 1965 ĝis 507 miliardoj kvh. En 1970 ĝi plialtiĝos ĝis 830–850 miliardoj kvh. (Kompare estu dirate, ke la entuta produktado de elektroenergio en Usono en 1964 sumiĝis je 1140 miliardoj kvh.) Kun atingo de ĉi-tiu celo estos kreita la materia bazo de la komunismo.
Post la dua mondmilito la Sovetunio ekkomencis ankaŭ la konstruadon de atomaj elektrocentrejoj. Depost Junio 1954 funkcias la atoma elektrocentrejo de la akademio de la sciencoj de la USSR en Obninsk apud Moskvo. Tio estas la unua atoma elektrocentrejo de la mondo. La terma efika forto sumiĝas je 30 MV, la elektra je 5 MV. Per tio estis komencita la industria utiligado de la atoma energio por pacaj celoj. En 1958 estis surakvigata la unua atoma glacirompilo „Lenin". Ankaŭ sur tiu tereno USSR plenumis pionirlaboron. En Usono la konstruo de la unua atoma komerca kaj pasaĝera ŝipo „Savannah" finis nur en 1962.

La elektrifiko

- plialtigis la provizadon de la industrilaboristo per elektroenergio de 1913 ĝis 1963 je la 31-obla, lian energiekipaĵon je la 18-obla;
- kreis decidigan materian bazon por la treege rapida plialtigo de la laborproduktiveco, la plimalaltigo de la kostoj, la plialtigo de la nacia enspezo;
- gravege kunhelpis al la forigo de la kontraŭdiroj respektive de la esencaj diferencoj inter urbo kaj vilaĝo;
- helpis la racian distribuon de la produktivaj fortoj en la tuta lando kaj prosperigis la nacian evoluadon de la apartaj respublikoj;
- decidige kontribuis al la plibonigo de la materia kaj kultura situo de la laboruloj, al la plifaciligo kaj plisanigo de la laboro, al la plibonigo kaj plibeligo de la ĉiutaga vivado kaj al la sekurigo de la paco.

La admirindaj rezultoj de la elektrifiko en la Sovetunio baziĝas antaŭ ĉio sur la heroeca laboro de la ligita dense kun sia registaro, sia sociordo kaj sia partio sovetpopolo, de ĝiaj laboruloj, kiuj nenian penadon kaj neniajn rimedojn por la efektivigo de la Lenina plano de la elektrifiko timevitis, kiuj en la nelacigebla socialisma kaj komunisma konkuro certigis la plenumon kaj superplenumon de la elektrifika plano.

La elektrifiko de la Sovetunio demontras la superecon de la socialisma sociordo super la kapitalisma. En la USSR la produktado de elektroenergio pligrandiĝis en 1965 kompare kun la 1913 je la 250-obla, t.e. pluroble pli rapide ol en Usono, ĉe kio necesas konsideri, ke la USSR proksimume dum 20 jaroj devis forigi militajn ruinigojn, dume Usono de la militoj profitis.
La Soveta popolo en ĉi-tiu jaro festos la 50-an datrevenon de la Granda Oktobra socialisma revolucio. La rezultoj de la efektivigo de la Lenina elektrifika plano denove pruvas, ke ĝi povas esti fiera pri la trapasita vojo. Konforme al la instruoj de Marks, Engels kaj Lenin la Soveta popolo sub la konsekvenca gvidado de la Komunista Partio de la Sovetunio batalis heroe por la estigo de la regado de la laborista klaso kaj de la popolo, defendis heroe la Sovetan potencon, realigis ĝis tiam neniam estintajn sociekonomiajn revoluciojn, plenumis la konstruadon de la socialismo kaj komencis la konstruadon de la komunismo. La rezultoj de tiu giganta batalo nune kun nenio estas kompareblaj. Ili pruvas la ĝustecon de la sciencaj prognosoj de Marks, Engels kaj Lenin, la ĝustecon de la vojo, kiun iris la Soveta popolo, kiun iras nune la popoldemokratiaj landoj, kaj kiun finfine iros ĉiuj popoloj de la mondo.
La 50-a datreveno de la Granda Oktobra socialisma revolucio pro tio estas ne nur festotago de la Soveta popolo. Ĉiestas festotago de ĉiuj socialismaj landoj, de ĉiuj laboruloj de la tuta mondo. Ni preparas ĝin digne, farante ĉion, por fortigi nian respublikon kaj firmigi la fratecajn interligojn kun la granda Soveta popolo.

*Rezumita traduko el „sammler express" n-ro 3/67 (jurnalo de filatelistoj de la GDR en la Germana Kulturligo)*
*Trad. W. Zimmermann*

**Okaze de la proksima festotago de la Sovetiaj popoloj, de la 50a datreveno de la Granda Oktobra socialista revolucio, la 7an de Novembro 1917 jaro, ni salutas kaj gratulas ĉiujn civitanojn de la Sovetunio kaj deziras al ili pluajn grandajn sukcesojn dum la konstruado de la komunismo kaj en la batalo por la konservado de la paco en la mondo. Vivu la amikeco kun la Sovetunio!**

# Sur la vojo al la Ruĝa Oktobro

### „El la fajero ekbrulu la flamo"

Preparante la 50-an jartagon de la Granda Socialista Oktobra Revolucio ni memoru, ke Lenin jam pli ol deksep jarojn antaŭ la Oktobra Revolucio koncentris sian politikan laboron al unuigo de la splitaj socialdemokrataj organizaĵoj de Rusujo. La gazeto „fajrero" („Iskra") estis la unua paŝo kaj plej grava rimedo por organizado de unueca revolucia, marksisma partio de la rusa proletaro.
En somero de la jaro 1900 Lenin unuan fojon elmigris. Post mallonga restado en Svisio li iris Munkenon, kie li i.a. renkontis Clara Zetkin kaj Julian Marhlevskij, kiu tiutempe loĝis en Munkeno. En Munkeno Lenin daŭrigis la preparon de gazeteldono, sed tie li ne trovis presejon, kie kaŝa preso de la gazeto estu garantiata.
En la dua duono de decembro Lenin vojaĝis al Leipzig, por finredakti la gazeton kaj serĉi presejon en kiu la unua numero de la „Iskra" estu presata. Estis rekomendite al li Hermann Rauh, kiu en la vilaĝo Probstheida posedis malgrandan presejon. Tiu ĉi presejo konvenis por tiu entrepreno. Ĝi estis iom malproksime de la centro de urbo Leipzig, kaj krom profesia lernanto ne estis aliaj kunlaborantoj en la presejo.
Hermann Rauh estis funkciulo de la Socialdemokrata Partio, samtempe li aktive partoprenis la laboristan gimnastasocion. Depost la jaro 1893 Hermann Rauh presis la „Laboristan Gimnastgazeton" kaj multajn aliajn presbezonaĵojn por gimnastunuiĝoj kaj socialdemokrataj lokaj grupoj.
La presliterojn kaŝe havigis tipografiaj laboristoj el grafika grandentrepreno, en kiu estis presataj rusaj religiaj libroj. Tiu kuraĝa ago ebligis, ke Hermann Rauh jam antaŭ apero de la „Iskra" povis komenci la preson de broŝuro, kun antaŭparolo de Lenin, „La majaj tagoj en Harkov".
Lenin meme venigis al Leipzig la polan tipografiston Joseph Blumenfeld por la kompostado de la gazeto „Iskra" ktp.
La unua numero de la „Iskra" estis preta fine de decembro 1900. Sed nur komence de januaro 1901 sukcesis ekspedi ĝin. Oni donis la gazetpakaĵojn en plurajn poŝtejojn, sed ekster Probstheida.
Generale la pakaĵoj kun la „Iskra" atingis Rusujon nur trans aliaj landoj. Tiel spionoj ne kapablis esplori preslokon kaj presejon de la „Iskra". La unua(j) numero(j) de la „Iskra" estis presata(j) en Leipzig-Probstheida. La sekureco postulis, ofte ŝanĝi preslokon kaj presejon. Sekve de tio la „Iskra" poste estis presata unuavice en Munkeno, sed ankaŭ aliloke.
Por efektivigo de la moto de „Iskra", „El la fajrero ekbrulu la flamo", helpis aperigi de „fajreron" ankaŭ revoluciuloj de Leipzig.

### Lenin kelkfoje estis en Leipzig

Ĝis nun estas konate, ke Lenin vizitis Leipzig en la jaroj 1900, 1908, 1912 (dufoje), 1913 kaj 1914. Li unuavice renkontis kaj konversaciis kun rusaj amikoj elmigrantoj.
Lenin paroladis en Leipzig: komence de la jaro 1912 pri „Leo Tolstoi"; la 17-an de junio 1912 „pri la revolucia prospero en Rusujo"; la 13-an de aprilo 1913 pri „la socia evoluo en Rusujo kaj la taskoj de la socialdemokratoj"; la 14-an de februaro 1914 pri „la nacia demando". Post la partia konferenco en Prago, en la jaro 1912, ankoraŭ okazis kunveno de delegitoj de tiu konferenco en la domo de la „Leipzig-a Popolgazeto". Tiun kunvenon gviditan de Lenin krome partoprenis kelkaj al Leipzig venintaj socialdemokrataj Duma-deputitoj.
En la sama domo, en la nuna Rosa-Luksemburg-Strato 19–21, nun estas impona honora „Lenin-Muzeo". En la „Lenin-Muzeo" i.a. estas la ĉambro en kiu okazis la nomita, de Lenin gvidita, kunveno.
La presejo de la „Leipzig-a Popolgazeto" en septembro 1912 de Lenin ricevis la komision, germanlingve presi la broŝuron „Pri la nuntempa situacio de la Socialdemokrata Partio der Rusujo". Po ekzempleron de la broŝuro ricevis la germanaj partiorganizaĵoj kaj krome ĉiu delegito de la Socialdemokrata Partitago de Germanio, okazinta en Chemnitz (nun Karl-Marks-Stadt). Tiu ĉi broŝuro estis la unua verkaĵo de Lenin en Germanio presita en germana lingvo.
Lastfoje Lenin du semajnojn estis en Leipzig en februaro 1914. Li loĝis en Leipzig ĉe sia partiamiko Vasili Sagorskij.
En preparo de la 50-a jartago de la Ruĝa Oktobro ni memoru ankaŭ al tiuj faktoj.

*Otto Bäßler*

## Socialistaj UNO-delegacioj malaprobas kalumniadon

*Post la ĉefdelegitoj de SU kaj Bulgario nun ankaŭ la UNO-reprezentantoj de ĈSSR, Hungario kaj Polio en komuna deklaracio al Ĝenerala UNO-Sekretario U Thant refutis la klopodojn de la okcidentpotencoj prezenti Germanan Demokratian Respublikon kvazaŭ „ne ekzista" kaj „ne suverena".*
*La UNO-reprezentantoj de la tri socialismaj ŝtatoj postulas ĉesigon de ĉiaj malhonorigoj kaj de ĉiuj malamikaj atakoj kontraŭ GDR. GDR estas libera lando, kiu ĝuas ĉiujn rajtojn de sendependa ŝtato. Ĝia registaro sur ĝia teritorio estras suverene.*
*La aserto, ke la Bonn-a registaro reprezentas la tutan germanan nacion, estas absurda kaj kontraŭas la realan situacion. Tiaj deklaroj akcelas nur la revenĝeman kaj militarisman strebadon de la regantaj ularoj en Okcidenta Germanio. Ili celas ĝenadi la evoluon de normalaj interrilatoj inter GDR kaj aliaj ŝtatoj.*

## Konferenco pri sekureco en Eŭropo

*Antaŭ nelonge la jugoslava gazetaro publikigis leteron de la prezidanto de la Federacia Parlamento, Eduardo Kardelj, al la parlamentprezidantoj de ĉiuj eŭropaj landoj. En ĝi E. Kardelj esprimas sian opinion pri flanke de Jugoslavio proponita Konferenco de la Eŭropaj Parlamentoj pri Eŭropa Sekureco. Li informas pri la decidoj de reprezentantoj de parlamentoj el ok eŭropaj landoj, kiuj estis diskutintaj en septembro 1966 en Beogrado la okazigon de tia konferenco.*

## Cyrus Eaton dankas

*Usona industriisto kaj pacbatalanto Cyrus S. Eaton per letero dankis kore pro la bondeziroj okaze de sia 83-a naskiĝdatreveno, kiujn transperis al li la prezidanto de la Ŝtatkonsilantaro, Walter Ulbricht. En la letero al Walter Ulbricht tekstas inter alie: „Mi eksterordinare altestimas viajn bonajn dezirojn kaj mi fervore daŭrigos miajn klopodojn pri pli bona internacia kompreno inter la nacioj kun malsamaj ekonomiaj kaj politikaj sistemoj. Kun plej varma danko via sindona Cyrus Eaton."*

*Trad. H. M.*

**Agu frat-solidare – subtenu la popolon de Vjetnamio heroe batalantan kontraŭ la usonaj agresantoj.**

# NEŬTRALISMO

## kaj Pseŭdoneŭtralismo en Esperanto-Movado

**Prof. S. Podkaminer,**
**membro de Leningrada Packomitato**

Neŭtralismo estas nocio, kiu akompanas Esperanto-movadon ekde ĝia naskiĝo ĝis la nuntempo. Sed la esenco de tiu ĉi nocio dum la ekzistado de la movado aliiĝis.
Dum la unuaj jaroj oni parolis plejparte pri la neŭtraleco de la lingvo mem. La vorto „neŭtrala" devenas de la latina „neuter", kio signifas „nek tiu, nek alia", do, ne enmiksiĝanta, ne partoprenanta iun diskuton aŭ lukton. Substrekante la neŭtralecon de la lingvo, esperantistoj de la unua periodo volis montri, ke esperanto, estante lingvo ne nacia, do, ne apartenanta al iu ajn popolo, formas fundamenton de internacia kompreno ne donante iun ajn privilegion al iu ajn popolo. Zamenhof enmetis tiun ĉi ideon en la esperantan himnon „Espero": „Sur neŭtrala lingva fundamento, komprenante unu la alian, la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian".
Dum sia parolado ĉe la inaŭguro de la unua kongreso esperantista en Boulogne-sur-mer, la 5-an de aŭgusto 1905, Zamenhof substrekis, ke la esperantistoj staras sur la fundamento neŭtrala, ke dum iliaj renkontiĝoj ne ekzistas nacioj privilegiataj kaj senprivilegiaj, tiuj kiuj altrudas siajn lingvojn al aliaj kaj tiuj, al kiuj estas altrudataj lingvoj de aliaj.
Jam en tiu ĉi unua publika parolado la iniciatinto de la lingvo speciale akcentis la internan ideon de la esperantista movado, kiu devas aspiri pacon kaj amikecon interpopolan. Ĉe la fino de sia parolado Zamenhof deklamis sian versaĵon „La preĝo sub la verda standardo", kiu kvankam idealisma laŭ la mondkoncepto de l'aŭtoro, estis trapenetrita de la sama ideo.
Tiuj ĉi ideoj de Zamenhof trovis varman subtenon ĉe granda parto da esperantistoj, klare komprenintaj gravan rolon de internacia komprenigilo, helponta lukton por paco kaj amikeco interpopola. Tamen inter gvidantaj personoj de la tiama esperantista movado troviĝis homoj, kiel markizo de Beaufront, prof. Cart. kaj aliaj, kiuj konsideris necesa forigi ĉiun ideon el la esperantista movado por „ne ofendi iun ajn", ili postulis limigi movadon nur per praktika agado.
Dum la dua kongreso esperantista en Ĝenevo en la jaro 1906 Zamenhof sentis sin devigita eldiri sian rilaton al la postuloj de la tiamaj „neŭtraluloj". Li diris: „El la timo, ke ni eble ne plaĉos al tiuj personoj, kiuj mem volas uzi Esperanton nur por aferoj praktikaj por ili, ni devas ĉiuj elŝiri el nia koro tiun parton de la esperantismo, kiu estas la plej grava, la plej sankta, tiun ideon, kiu estis la ĉefa celo de la afero de Esperanto, kiu estis la stelo, kiu ĉiam gvidadis ĉiujn batalantojn por esperanto. Ho ne, ne, neniam! Kun energia protesto ni forjetu tiun ĉi postulon. Se nin, la unuajn batalintojn por Esperanto oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forjetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto kaj ni krios kun abomeno: *„Kun tia Esperanto, kiu devas servi ekskluzive nur al celoj de komerco kaj praktika utileco, ni volas havi nenion komunan!"*
Tiun ĉi idean flankon de la movado li plurfoje emfazis en siaj sekvintaj paroladoj. Kaj ĉiam tiuj ĉi pacamaj ideoj de Zamenhof trovis varman subtenon flanke de la plej granda parto de a esperantistoj. Tamen ĉiam, ĉe diversaj etapoj de la movado, troviĝadis homoj, kiujn ĝenis la idea karaktero de la movado, kiuj sub preteksto de nenies ofendo penadis forigi la idean flankon, ŝirmante siajn emojn sub la ŝildo de „neŭtralismo".
Tiu ĉi „neŭtralisma", kontraŭidea, sed fakte reakci-politika tendenco renkontis malkontenton kaj proteston ne nur ĉe adeptoj de Zamenhofa idealisma pacifismo, sed ankaŭ ĉe tiuj esperantistoj, kiuj klare vidis, ke Esperanto povas kaj devas fariĝi forta batalilo por noblaj celoj de la progresemaj homoj – por paco, libero, socialismo. En la unuaj vicoj de tiuj ĉi esperantistoj estis laboristoj. Ankoraŭ en la jaroj 1907–1911 en kelkaj landoj estis fonditaj laboristaj esperantistaj asocioj (Anglio, Francio, Germanio). Precipe vastan disvolviĝon tiu ĉi movado trovis post la unua mondmilito.
Zamenhof, kvankam ne havinta senperan kontakton kun laboristoj, tamen eksentis, ke laborista esperantismo fariĝos plej aktiva standardoportanto de la idea esperantismo. Ricevinte la unuan numeron de laborista esperantista gazeto, li respondis al la redakcio per varma gratulletero.
Ne nur la esperantistoj-laboristoj, sed granda nombro da esperantistoj, apartenantaj al plej diversaj sociaj tavoloj klare montris, ke ili tute ne volas rifuzi la idean flankon de la movado, la ideojn de libereco, egaleco kaj frateco de la popoloj kaj ke ili volas uzi Esperanton ĝuste por tiuj ĉi celoj.
Kiel rezulto de la kontraŭdiroj aperis tendenco trovi iun kompromisan solvon, kiu donus eblon kunekzisti sub unu tegmento al diverstendencaj elementoj de la movado. Kiel ekzemplo de tiu ĉi tendenco estas menciebla Universala Esperanto-Asocio, kies statuto en la artikolo 4-a proklamas neŭtralecon rilate al la nacieco, raso, religio, politiko kaj sociaj problemoj. Tamen la statuto deklaris la respekton de la Homaj Rajtoj kiel esencan kondiĉon por laboro de UEA.
Komentante ĉi tiun gravan artikolon de la statuto, nuntempa Prezidanto de UEA s-ro Ivo Lapenna skribis:

„. . . kvankam politike neŭtrala, UEA akceptas kiel unu el la fundamentaj principoj de sia agado la respekton de la Homrajtoj kun ĉiuj konsekvencoj, kiujn havas tiu principo. La afero de Internacia Lingvo povas progresi nur en kondiĉoj de libereco."

Kaj plue: „UEA devas havi pozitivan starpunkton rilate al ĉiuj movadoj, kiuj fortikigas la ideon pri rasa, nacia, religia kaj lingva egaleco de la homoj, sed aliflanke ĝi devas havi negativan starpunkton rilate al ĉiuj tendencoj, kiuj detruas aŭ klopodas detrui la principon de egaleco, libereco kaj frateco."

Ĉu oni povas ion kontraŭ tia kompreno de la principo de neŭtralismo? Sed, bedaŭrinde, ĝi estas nur teoria kaj la praktiko montras tute alian bildon. Sed antaŭ ol ilustri tiun ĉi tezon ni faru malgrandan ekskurson en la historion de la esperantista movado – al la inaŭgura kunsido de la dua Universala Esperanto-Kongreso en Ĝenevo en 1906.

Ĉe la inaŭguro de la Kongreso Zamenhof emocie parolis pri Ruslando „kie nun multaj milionoj da homoj malfacile batalas por libereco, por la rajtoj de homo". Kun doloreg anima li rakontis pri teruraj kontraŭhebreaj pogromoj, organizitaj de la krimulaj bandoj. Ĉiuj kongresanoj, kiel la tuta mondo sciis, ke tiuj amasaj mortigoj, kaj turmentoj de senkulpaj homoj estis benitaj kaj eĉ organizitaj de la cara registaro. La kongreson partoprenis multaj rusaj esperantistoj.

Tamen flanke de ili forestis eĉ aludo pri malkonsento aŭ ofendiĝo rilate zamenhofajn vortojn. La rusaj esperantistoj neniamaniere volis, ke oni identigu ilin kun la caraj murdistoj kaj ili kore aplaŭdis al la zamenhofaj kondamnantaj vortoj. Neniu el ili protestis pro kvazaŭa rompo de la strikta neŭtralismo.

Nun mi petas la legantojn pense transporti sin antaŭen je 59 jaroj. En Tokio, en 1965, okazis la 50-a Universala Esperanto-Kongreso.

Dum la inaŭgura kunveno en salutletero de unu el la gvidantoj de Bulgara Popola Respubliko Trajkov kaj en la parolado de la sovetia reprezentanto estis diritaj kelkaj vortoj de kondamno kontraŭ amasa mortigado de vjetnamaj senkulpaj virinoj kaj infanoj per usonaj aerbomboj, venengasoj kaj napalmo.

Oni povus esperi, ke la ĉeestintaj usonaj esperantistoj kiel humanistoj kaj homoj, fidelaj al la ideoj de paco kaj amikeco interpopola aliĝos al la kondamno de la krimagoj de la usonaj generaloj kaj reakciaj politikistoj. Tiamaniere ili solidariĝus kun usonaj kaj alilandaj progresemaj pastroj, senatanoj, sciencistoj, kiuj levis la voĉon kontraŭ la murdistoj, postulas tujan ĉesigon de la hombuĉado. Sed okazis io tute mala kaj neklarigebla. La usonaj kongresanoj (krom du) montris sin „ofenditaj". Ofenditaj ne pro tio, ke ilialanda reakciularo sendas novajn kaj novajn agresajn trupojn por ekstermi virinojn, infanojn kaj maljunulojn en malproksimega de Usono lando – ne, ili ofendiĝis pro kondamno de tiuj krimoj! Ili protestis kaj kriis pri rompo de la neŭtralisma principaro de UEA. Kaj kio estis ankoraŭ pli stranga – tiuj ĉi penoj defendi la usonajn agresantojn per apelacio al la neŭtralismo trovis apogon ĉe kelkaj eminentaj gvidanoj de UEA.

Estus konvene peti la sinjorojn „neŭtralulojn" respondi jenajn du demandojn: La demando unua – Kiam la hitleraj hordoj invadis la eŭropajn landojn, semante morton kaj senkompate murdante milionojn da homoj en la koncentrejoj kaj gaskameroj, ĉu UEA-anoj rajtis protesti kaj eĉ kontraŭbatali la brunan peston, aŭ ĉu tio estus rompo de la neŭtralisma pinciparo de UEA?

La demando dua – Ĉu dum la Universala Esperanto-Kongreso oni rajtas protesti kontraŭ malhumanaj agoj de la registaroj de Verwoerd (Sud-Afrika-Respubliko) kaj Smith (Rodezio) pro ilia rasisma politiko, seniganta elementajn homrajtojn ĉe milionoj da aborigenaj afrikanoj, formantaj absolutan plimulton de la loĝantaro?

Evidente la konsekvencaj „neŭtraluloj" devas respondi negative ambaŭ demandojn. Ja la faŝistaj murdistoj kaj afrikaj blankhaŭtaj rasistoj „povas ofendiĝi", kaj krom tio „estus rompita la neŭtralisma principaro". Sed kiel akordigi tian vidpunkton kun artikolo 4-a de la UEA-Statuto kaj la komentoj de s-ro Lapenna?

Rifuzi kondamnon de la amasa hombuĉado en Vjetnamio, de la krimoj, kiujn faras la agresantoj, celante per la teroro devigi la vjetnaman popolon rezigni unu el la plej ĉefaj homrajtoj – la rajton pri suvereneco kaj sendependeco de sia lando kaj subigi ĝin al marioneto Ky, malŝategata kaj malestimata de la tuta loĝantaro – tio estas „la vera neŭtralismo". Simila politiko, formala kaj hipokrita, fakte estas rifuzo de neŭtraleco, perfido de la artikolo 4-a de la Statuto.

Kaj ankoraŭ unu ekzemplo. En la numero 725 (2) de februaro 1966 de la revuo „Esperanto" aperis redakcia noto, titolita: „UEA: komunista agento de usona imperiismo". En tiu noto oni mencias kulpigojn, faritajn de „Amerika Esperantiso" kontraŭ UEA pro ĝia kvazaŭa komunistemo kaj kulpigojn flanke de MEM-organo „Paco" (japana eldono) kontraŭ aperigata de UEA revuo „Monda kulturo" pro ĝia kvazaŭa simpatio al la usonaj imperiistoj. La redaktoroj de „Esperanto" opinias, ke la reciproke kontraŭaj kulpigoj pruvas ĝuste neŭralecan vojon de UEA. Tamen la povra vortoludo en la titolo ne povas kaŝi neklaran, konfuzigan, malkonsekvencan pozicion de UEA rilate neŭtralismon.

Ĉu por eviti similajn kulpigojn UEA devas ŝanĝi sian statuton, speciale la artikolon pri neŭtralismo? Male: ĝi devas rigore sekvi la statuton. Kaj tio signifas: *daŭrigante la politikon de neŭtraleco rilate al nacieco, raso, religio,* plej firme, kuraĝe, senkompromise kontraŭbatali ĉiujn provojn detrui la liberecon, egalecon kaj fratecon de la popolo. Tiel agante. UEA verŝajne ne evitos riproĉojn pri- „komunistemo" flanke de la reakciuloj, faŝistoj, rasistoj kaj ĉia cetera rubo de la historio, kiu nomas „komunistoj" ĉiujn homojn, kontraŭantajn ilian rabistan, kontraŭhumanan politikon – inkluzive eĉ la usonajn senatanojn kaj budhanajn monaĥojn, protestajn kontraŭ la usona agreso en Vjetnamio.

Sed tiujn rarajn provokajn voĉojn UEA povus tute malatenti, ĉar la kriantoj marŝas ne sub la verda standardo de la vera esperantismo, sed sub la nigra standardo de la militema reakciularo. La grandega plimulto de la esperantistoj subtenas agadon, konforman al la statuto, sincere aspiras pacon, liberecon, egalecon kaj fratecon de ĉiuj popoloj.

Jes, vera neŭtralismo en la movado estas ne nur ebla, sed ankaŭ necesa. Sen ĝi ne povus ja ekzisti organizaĵoj, celantaj unuigi homojn de diversaj mondkonceptoj – kapitalistojn kaj laboristojn, diversekleziajn religiulojn kaj ateistojn, anojn de diversaj politikaj partioj. Ekzemplon de similaj organizaĵoj donas la multimiliona tutmonda pacmovado, Mondpaca esperantista movado k. a.

*Sed ĝi devas esti vera, humanisma, homama neŭtralismo – ne la hipokrita, trompa pseudoneŭtralismo, uzata kiel kutima ŝirmilo ka protektilo de la nigraj krimagoj de la hommalamantoj.*

**Esperantistoj batalas por la paco kaj kondamnas la abomenan militon de la usonaj imperiistoj en Vjetnamio!**

# Saluta parolado de la ambasadoro de la GDR en la Hungara Popola Respubliko, s-ro Wilhelm Meissner, dum la 51-a U. K. en Budapeŝto

*La GDR estis oficiale reprezentata en la 51-a U.K. per lia ekscelenco, la ambasadoro de la Germana Demokratia Respubliko en la Popola Respubliko Hungario, s-ro Meißner. Per tiu fakto, kiel ankaŭ per lia – formata de alta politika konscio de respondeco – salutparolado, al ĉiu ĉeestanto devis konsciiĝi la ekzisto de du germanaj ŝtatoj kaj ankaŭ ilia sinteno al la germana estinteco, al milito kaj paco kaj per tio al la Vjetnamia problemo. Lia indiko: „Estus granda faro, se la esperantistoj el ambaŭ germanaj ŝtatoj unuigus siajn klopodojn, por ke neniam plu ekestiĝu milito de germana tero", same kiel la deklaroj pri solidareco kun la vjetnama popolo kaj la postulo de sekureco en Eŭropo, estis akceptataj kun forta aplaŭdo. Kelkaj adeptoj de la „neŭtraleco", kiuj hipokrite fermas ambaŭ okulojn antaŭ la fia milito en Vjetnamio kaj la militpolitiko de Bonn, kompreneble ne povis konsenti ĉi tiujn pensojn de vera interpopola amikeco resp. reagis neĝentile kaj nediplomate. Tia sinteno povis utili nur al tiuj rondoj, kiuj faras aŭ preparas militon sub neŭtrala masko. Intelektuloj, precipe instruistoj el Anglujo, Danujo, Aŭstrujo, Francujo, Italujo kaj kongresanoj el la socialismaj landoj en interparoloj ĉiam denove aprobis la klarajn, la interpopolan amikecon substrekantajn, diskursojn de nia ambasadoro.*

■

Sinjoro prezidanto – estimata prezidantaro, geamikoj de la lingvo Esperanto kaj de la paco, gesinjoroj!

Permesu, ke mi transdonu en la nomo de la registaro de la Germana Demokratia Respubliko korajn salutojn kaj la plej bonajn dezirojn por plena sukceso de la 51. Universala Esperanto-mondkongreso.

Mia registaro sekvas viajn strebadojn kun granda intereso. Dank'al la subteno de la registaro, atingis Esperanto en la Germana Demokratia Respubliko signifoplenan evoluon. La laboro okazas en la kadro de la Germana Kulturligo kaj kreis mulnombrajn laborgrupojn rondojn kaj korespondadojn.

La epoko de la teknika revolucio, kies senekzemplan evoluon de scienco kaj tekniko ni travivas, postulas pli densan internacian kunlaboron en ĉiuj sferoj de la homa vivo, scienco, tekniko, komerco kaj politiko.

Pro tio ankaŭ kreskas la bezono al rapida kaj plifaciligita lingva interkompreniĝo.

Ĝuste, ĉi tie, rilate al la interkompreniĝo, Esperanto multon faris, kaj atingas ĉiam pli da signifo.

Tion esprimas ankaŭ la decido de la UNESCO el la jaro 1954, agnoski Esperanton kiel trafiklingvon tutmondan kaj subteni ĝian disvastigadon.

La rolo kaj la signifo de la lingvo Esperanto en la interkompreniĝo de la popoloj en la mondo estas substrekata per la fakto, ke hodiaŭ en ĉi tiu kongresejo kune sidas reprezentantoj el pli ol 40 nacioj kaj interkompreniĝas en direkta interparolado.

Paco kaj Esperanto estas du nocioj kiuj ne estas disigeblaj. Kiom ajn salutinda la paca atmosfero de tiu ĉi kongreso ankaŭ estas, bedaŭrinda ankaŭ estas tio, ke ekzistas sur nia tero danĝeraj streĉitecoj kaj agresioj, kiuj minacas serioze la mondpacon. Mi pensas rilate al tio pri la multsuferigita popolo en Vjetnamio.

En Vjetnamio multaj homoj per bomboj kaj gaso venena estas murditaj kaj kun ili ankaŭ Esperantistoj.

Vi ĉiuj scias, ke la heroe batalanta vjetnama popolo disponas pri bona Esperanto-tradicio kaj Esperantomovado.

Kian grandan signifon la internacia lingvo Esperanto por la vjetnama popolo havas, esprimis la ambasadoro de la Demokratia Respubliko Vjetnamia en Moskvo, S-ro Nguyen-Van-Din, 1959, en la Esperanto gazeto „Nuntempa Bulgario" laŭenhave tiel:

„Ne miru, se mi komunikos al vi, ke dum la 80-jara subpremado franca ĉiuj verkoj de Victor Hugo, Anatole France, Maupassant, Zola, Balzac kaj aliaj estis retenitaj. Ne eĉ unu el tiuj verkoj aŭ verkoj de aliaj klasikuloj estas tradukitaj en la vjetnaman lingvon.

Ni interkonatiĝis kun la mondliteraturo ĉefe per la lingvo Esperanto."

Estas en la nacia intereso de la germana popolo, same kiel en la intereso de la paco kaj la sekureco de ĉiuj popoloj ke estu entreprenotaj efikaj agadoj kaj kreotaj garantioj, por ke neniam plu ekestiĝu milito de germana tero.

La Germana Demokratia Respubliko en sia tuta interna – kaj ekstera politikoj agas konforme al la konkludoj tre gravaj el ambaŭ mondmilitoj. Estus granda faro, se la esperantistoj el ambaŭ germanaj ŝtatoj, en la intereso de la tuta germana popolo, unuigus siajn klopodojn, por ke neniam plu ekestiĝu milito de germana tero.

Antaŭ kelkaj semanoj la reprezentantoj de la ŝtatoj, apartenantaj al la Varsovia kontrakto en Bukaresto subskribis deklaracion. Mia registaro tre aprobas tiun deklaracion, kiu pledas por normalaj bonnajbaraj interrilatoj kaj paca kunlaborado de ĉiuj eŭropaj ŝtatoj, proponas rimedojn por malarmado kaj forigo de la streĉitecoj en Eŭropo kaj postulas la sekurigon kaj netuŝeblecon de la ekzistantaj limoj, la agnoskon de la ekzisto de ambaŭ germanaj ŝtatoj kaj sistemon de eŭropa sekureco.

Se la esperantistoj vere volas plenumi sian grandan taskon, batalante por interpopola kompreniĝo kaj la konservado de la paco, tiam ili ne povas kaj ne devas fermi la okulojn antaŭ la faktoj minacantaj la mondpacon!

La laboro por la paco nur tiam estas sencoplena, se ni estas partiecaj por la paco.

En tiu solena horo, kiam geesperantistoj el multaj nacioj en tiu kongressalono, sin frate premas la manojn, ni ankaŭ devas ekkoni, ke la Esperantolingvo nur en Paco plue povas esti disvastigata.

Nur tiam, kiam la batalantoj por la paco sukcesos likvidi la fontojn de la danĝeroj en la mondo, ĉiujare la Esperantistaro, plue povos kunveni en siaj mondkongresoj.

Tre estimataj gesinjoroj! Akceptu mian plenan simpation por via paca kaj popolliga laboro.

Ĉi devas esti inspirita de la konscio ke hodiaŭ ekzistas la fortoj por pace kunvivi kaj komune labori kun la popoloj de la tuta mondo en la spirito de la kreinto de la lingvo Esperanto Doktoro Zamenhof.

Mi povas certigi vin, ke flanke de mia registaro ĉio okazos, por ke la miljara sonĝo de la homaro, la paco, triumfu.

*Trad.: H. Fuchs/D-ro Ruff*

# Direktivoj por la agado de la Esperanto-amikoj de la GDR en la Germana Kulturligo

1. La mondhelplingvo Esperanto estas rimedo por flegi pacajn kaj amikajn rilatojn inter la popoloj. La amika interŝanĝo de ideoj kun la esperantistoj de ĉiuj socialismaj landoj kaj la disvolviĝo de kunlaboro kun la progresemaj esperantistoj de la kapitalismaj ŝtatoj en la spirito de paco kaj amikeco inter la popoloj estas celo de la agado de laborrondoj kaj laborgrupoj en la Germana Kulturligo.
2. La Esperanto-amikoj rigardas kiel sian taskon:
   konvinke prezenti al esperantistoj en aliaj landoj per sia lingvoscio la historian revolucian proceson efektiviĝantan en nia ŝtato, la pacan karakteron de nia politiko kaj la profundan humanisman enhavon de nia ekonomia politika kaj kultura evoluo;
   labori por la ideoj de humanismo, amikeco inter la popoloj kaj por la realigo de paca kunekzistado kaj senmaskigi per vorto kaj ago la okcidentgermanan politikon de nuklea armigo kaj revenĝo, la imperiisman militon kaj ĉiujn formojn de neokoloniismo;
   aktive kunlabori per siaj specialaj rimedoj en la ampleksa konstruado de socialismo en la Germana Demokratia Respubliko, precipè en la kultura sektoro.
3. La flegado de la mondhelplingvo estas por la Esperanto-amikoj formo de ilia kultura agado, kiu povas kontribui al la ĉiuflanka klereco de socialistaj homoj. Ili konscias, ke la scipovo de fremdaj lingvoj formitaj laŭ naciaj apartajoj kaj neanstataŭigeblaj aŭ forpuŝeblaj per iu ajn mondhelplingvo, estas parto de la ĝenerala klereco de socialista personeco.
4. La Esperanto-amikoj en la Germana Kulturligo rigardas la Germanan Demokratian Respublikon kiel modelon nacian kaj socialan por la formigo de la germana estonteco kaj kiel neskueblan bastionon de la paco en Germanio. Per ĉiuj fortoj ili subtenas la ampleksan konstruadon de la socialismo kaj la pacan politikon de nia ŝtato de laboristoj kaj kampuloj. En sia agado ili atentas la progresemajn tradiciojn de la iama Germana Laborista Esperanto Asocio kaj la spertojn kiujn la anoj de ĉi tiu asocio kaj aliaj amikoj de Esperanto akiris en la batalo kontraŭ faŝismo kaj dum la demokratia kaj socialisma rekonstruo.
5. Por la Esperanto-amikoj en la Germana Kulturligo la ĉeftaskoj kaj la statutoj de la GKL, la decidoj de la Prezidanta Konsilantaro, kaj ĉi tiuj direktivoj estas la fundamento por ĉiuj agadoj de la laborrondoj kaj laborgrupoj.
   El tio sekvas inter alie jenaj taskoj:
   a) Ekstarigo de laborrondoj en la distriktoj kaj laborgrupoj en la subdistriktoj, flegado de la lingvo Esperanto en lingvaj rondoj por komencantoj kaj en rondoj servantaj al konversacio kaj perfektigo por progresintoj.
   b) Traduko de paroladoj de gvidantaj politikistoj, de interesaj artikoloj kaj de publikaĵoj de verkistoj, de raportoj el ĵurnaloj kaj gazetoj taŭgaj por uzo en eksterlanda korespondado.
   c) Organizo de interŝanĝo de spertoj rilate al eksterlanda korespondado.
   d) Aranĝo de interesaj prelegoj kaj diskutoj plejeble esperantlingve pri la ĉefproblemoj de nia tempo, pri temoj politikaj, ekonomiaj, filozofiaj, sciencaj-teknikaj kaj kulturaj.
   e) Partopreno en la kultura kaj spirita vivo de Germana Kulturligo.

Ĉi tiuj direktivoj donas fundamenton kaj celon por la agado de la esperantistoj en la Germana Demokratia Respubliko. Ili estas la gvidilo por la laboro de la Centra Laborrondo, por la distriktaj laborrondoj kaj la grupoj en subdistriktoj kaj urboj. Ili estas validaj por ĉiuj Esperanto-amikoj en la Germana Kulturligo.

La Centra Laborrondo de la Esperanto-amikoj en la GKL akordigas la agadon de ĉiuj laborrondoj, instrukcias ilin, kaj akceladas Esperanto-movadon en la Germana Demokratia Respubliko.

Ĝi subtenas la rondojn en iliaj klopodoj peri al la Esperanto-amikoj bonan lingvoscion kaj pli altan scion pri la sociaj problemoj de nia nuntempo. Por tio estas rekomendinde trovi referantojn pritraktantajn la aktualajn problemojn de nia spirita kaj kultura vivo.

La Centra Laborondo en la Germana Kulturligo respondecas pri la eldono de la informilo de la Esperanto-amikoj en la Germana Kulturligo „der esperantist".

Ĝia tasko estas, gardi la interesojn de la Esperanto-amikoj de la GDR en la Germana Kulturligo sur internacia kampo kaj kontakti kun internaciaj kaj naciaj asocioj.

Decidita la 31-an de marto 1965.

*Trad. Würker/Maier*

---

En oktobro 1967 ĉe la eldonejo VEB Enzyklopädie, 701 Leipzig/GDR poŝtfako 130, aperos lernolibro

**„Ni lernas paroli Esperanton"**

en germana lingvo. Ĝi havos ĉirkaŭ 220 paĝojn en formato 11 × 18 cm.

Samtempe aperos

**vortaro Esperanto – Germana**

kun ĉirkaŭ 12 000 titolvortoj.

Vi jam nun povas mendi ambaŭ librojn ĉe via librovendejo aŭ ĉe Deutscher Buch-Export und -Import G.m.b.H., 701 Leipzig, Leninstrato 16, aŭ ĉe la eldonejo.

# Konstantin Eduardoviĉ Ciolkovskij, la „patro de la astronaŭtismo"-esperantisto

Multaj homoj en la mondo konas la eldiron: „La Tero estas la lulilo de la homaro, sed la homaro ne restos eterne en la lulilo. En la sopiro al la lumo kaj la kosmo la homaro en la komenco modeste atingos la superatmosferajn regionojn kaj – poste ekmastros la tutan ĉirkaŭsunan kosmospacon."

Ĉi tiuj vortoj devenas de la konata esploristo K.E. Ciolkovskij, „la unua pioniro de la ideo pri la kosmovojaĝo". Tiu ideo estas malnova, sed Ciolkovskij ekkonis la esencan principon: La movado de la artaj tersatelitoj kaj kosmaj 'ŝipoj estas ebla nur per la reakcia forto.

Certe, hodiaŭ ĉi tiu afero estas ja memkomprenabla, sed antaŭ 80 jaroj ĝi estis vere neordinare kuraĝa ideo. Al Ciolkovskij venis la epok-fara ideo pri la raketoj movigeblaj per flua brulaĵo. Li kreis la fundamentojn de la moderna astronaŭtismo. – Hodiaŭ ni vidas la realiĝon de liaj ideoj: Homoj ĉirkaŭflugas nian terglobon, komplikitaj sondiloj sendas bildojn de la lunsurfaco.

Rimarkindaj estas la pensoj de Ciolkovskij pri la problemoj de universala lingvo. Li dediĉis en sia en 1915 aperinta broŝuro „Deveno de la Tero kaj de la sunaj sistemoj" apartan ĉapitron kaj skribis: „Kiel grave estas por homoj kompreni unu la alian! Laŭ la tradicio la homoj havis en la komenco nur unu lingvon, sed, kiel puno, ili perdis la komunan lingvon kaj estis devigataj paroli en diversaj lingvoj. Ĉesis tiam la universala harmonio kaj kunagado direktita al unu celo . . ."

En leteroj al Popov, Ciolkovskij esprimis siajn pensojn pri Esperanto en sekvanta maniero: „Siatempe mi tre interesiĝis pri Esperanto kaj mi posedas la leteron de doktoro Zamenhof . . ." En alia letero: „Komprenebla, Esperanto estas la plej bona el ĉiuj artefaritaj lingvoj. Senpridubinda simpleco de ĝia alfabeto, genia facileco de la gramatiko, riĉeco de la vortaro – faras ĝian kreinton senmorta."

En jaro 1934 – unu jaro antaŭ sia morto – la 77-jara Ciolkovskij fariĝis membro de la esperanta unuiĝo en la Sovjetunio.

*A. Zenkert, Potsdam, GDR*

## KIE ABONI „PACO-n"?

| | | Jarabono |
|---|---|---|
| **Aŭstralio:** | Jim Davidson, P. O. Box 139, PENRITH N. S. W. | 1 do. |
| **Aŭstrio:** | Franz Wagner, Reimundstr. 37, Post 10 LINZ | 30 ŝ. |
| **Belgio:** | Jean Coen, 9, rue Arthur Roland, BRUXELLES-3 | 70 b.fr. |
| **Brazilo:** | Valter Dominqués Costa, AV. RUY BARBOSA 267, Macae-Est, RIO DE JANEIRO | 140 czr. |
| **Britio:** | C. Fielding, I, Church road, Horfield BRISTOL 7 | 6 ŝ. |
| **Bulgario:** | Bulgara MEM-komitato, Bulv. Ĥr. Botev No. 97, SOFIA | 2 lv. |
| **Ĉekoslovakio:** | Tomáŝ Balda, Revnice 416/23 PRAHA-ZAPAD | 20 kr. |
| **Danlando:** | Egon Starup, Engbovej 90, KOPENHAG-VANLØSE | 10 kr. |
| **Finnlando:** | Järvinen, Västra, KEIMOLA | 5 mk. |
| **Francio:** | Claude Blanc, 41 bis, rue Jeanne d'Arc 69 – LYON – 3 (pagebla al p.ĉ.k. Lyon No 2044–67) | 8 f.fr. |
| **Germana Demokratia Respubliko (DDR):** | Centra Laborrondo de la Esperanto-amikoj de la GDR en la Germana Kulturligo, 108 BERLIN, Charlottenstr. 60 | 5 MDN |
| **Hungario:** | Hungara MEM-komitato, BUDAPEST-VIII Kenyérmezö utca 6 | 26 frt. |
| **Indonezio:** | Khwatliat Kho, Gand Mandor VII/7, DJAKARTA | — |
| **Islando:** | Oskar Ingimarsson, Langhotsveg 3, REYKJAVIK | 50 kr. |
| **Izraelio:** | Ben-Alter Jehiel, Meonot Ovdim 31, PETAH-TIKVA | — |
| **Italio:** | Dante Cattaneo, Via Val di Pedro 23, MILANO | 850 l. |
| **Japanio:** | Nanba Syozi, Kodan 21–201, Huruiti-Kita-3, OSAKA-ZYOTO | 300 l. |
| **Kamboĝo:** | Dinh-Thuan-My, B. P. 406 PHNOM'PENH | 30 r. |
| **Kubo:** | Raul Juarez Sedeno, Apartado 570, CAMAGÜEY | — |
| **Nederlando:** | Cor de Waart, Plancinsstraat 71, AMSTERDAM-C | 4,5 g. |
| **Nepalo:** | Keshab Ran Joshi, Esperanto-societo 10/319, Bhosiko Tole, KATHMANDU | — |
| **Popola Respubliko de Koreo:** | Korea Esperanto-Asocio (S-ro Ri-Giin), Poŝtkesto 16, PJENGJAN | — |
| **Norvegio:** | Nenning Nielsen, TÖRKVIKBYGD | 4 kr. |
| **Nov-Zelando:** | (la peranto de Aŭstralio) | — |
| **Pollando:** | Pola Esperanto-Asocio, ul. Nowy Swiat 27, WARSZAWA | 36 zl. |
| **Rumanio:** | Simon Arpad, str. Matei Voevod 12, BUCURESTI – 31 | — |
| **Sovetunio:** | Unuiĝo de societoj sovetiaj de amikeco kaj kulturaj rilatoj kun aliaj landoj (S-ro A. Makovskij), Kalinin 14, MOSKO | 2 r. |
| **Svedio:** | K. Kvist, Rimansgatan 13, DEJE | 10 kr. |
| **Usono:** | Jim Deer, 12946, Ne Nancock, Portland, Oregon 97230 | 1 dol. |
| **Venuzuelo:** | Ildefonso Nunez, Apartado de Correos 250, BARQUISIMOTO | — |
| **Vjetnama Demokratia Respubliko:** | MEM-sekcio de VPEA, 68, Ly Thuong Kiêt, HANOJO | — |
| **Aliaj landoj:** | A. Balague, Traiseng 26, ST-PÖLTEN (Aŭstrio) | — |

## Viajn desegnaĵojn al la ekspozicio de pacamantaj artistoj!

**Pacamantaj artamantaj gekamaradoj en la mondo! Ni, pacamantaj artistoj en okcidenta Japanio okazigis ĉiujare ekspozicion en la samaj tagoj, kiam ni havis Mondan Konferencon Kontraŭ Atom- kaj Hidrogenbomboj. Ankaŭ ĉi jare ni havos la ekspozicion la 6-an de aŭgusto, kien ni invitas bildojn desegnitajn de vi kaj viaj amikoj en la mondo.**

**Ni kontraŭas al milito kaj protestas al invado de Usono en Vjetnamio. Ni ekskludas degeneremajn artojn.**

**Ni deziras ke vi kunlaboros kun ni per kontribuo de bildoj, ksilografaĵoj, fotografaĵoj, desegnaĵoj kaj skulptaĵoj.**

**Interesuloj demandu detalon ĉe**

**S-ro Matsuno Shintaro ĉe Ikehana-Kenkyusyo, Taĉibana BLDG, Umeda-ĉo 16, Kitaku, Osaka, Japanujo.**

*–CR–*

# Sur tia tereno prosperas neofaŝismo:

### En la lernejoj de okcidenta Germanio . . .

Pro esploro „muziko kiel studobjekto" de Helmut Segler kaj Lars Ulrich Abraham aperinta en la presejo kaj eldonejo de l' orfejo en Brunsvigo, oni devas konkludi, ke la muziko de la Hitler-a junularo estas esenca parto de la muzikinstruo en okcidenta Germanio. La por la instruado responsaj ŝtatinstancoj lasas studi la estontajn muzikpedagogojn ĉe la altlernejo Folkwang en Essen de la iama Hitler-junulara muzikfunkciulo Wolfgang Stumme (Volfgang Ŝtumme). Laŭ la indikoj de la „Reichsjugendführer" (regna gvidado de la junularo) kaj la „Reichkultusministerium" (regna ministrejo por kulturo) li en la nazitempo kompilis la kantaron „nia kantaro". Ĝi validis kiel oficiala kantaro de la Hitler-a junularo – kiel formuligis Stumme – por „la servo al la granda, ĉion povanta kredo de l' naziismo". Nazi-Stumme zorgas, por ke la kantoj de la nazi-junularo restu parto de l' muzikinstruo.

### Fidelaj helpantoj de la usonaj agresantoj

La siria ĵurnalo „Al Thaura" avertis pri la neonaziismo de l' kabineto Kiesinger. En la komento la ĵurnalo deklaris: „En tempo, en kiu plimultiĝas la signoj de fortiĝo de l' nazia ideologio en okcidenta Germanio, kaj la informagentejoj montras la nazian pasintecon de la prezidanto Lübke kaj de la Federacia kanceliero Kiesinger, deklaris tiu ĉi Federacia kanceliero, ke lia registaro ankaŭ estonte subtenos la usonan agreson kontraŭ Vjetnamio.

### Lübke ofendas Francion

Ondon de indigno estigis la decido de la Bonn-a Federacia prezidanto kaj konstruesto de koncentrejoj Lübke (Ljubke), ne konsenti la honoran transdonon de la Franca medajlo „Palme Académique" al la internacie konata sciencistino prof. Klara-Maria Fassbinder. Informoj el Bonn de la 17-a de januaro sciigas, ke ekzemple ĉe la Bonn-a prezidanta oficejo seninterrompe alvenas protestleteroj, en kiuj la sinteno de Lübke estas aprezata kiel ofendo de la franca popolo.

### Okcidentgermanaj armiloj kontraŭ patriotoj de Afriko

La Hamburg-a gazeto „Deutsches Panorama" en unu el siaj plej novaj eldonoj senvualigis, ke la Bonn-a militministrejo liveris ĉasbombaviadilojn de la tipo Fouga ‚Magister' C.M. 170 r al Kongo kaj Angolo kiel „evoluhelpon". Laŭ la informo de „alta staboficiro" el la militministrejo pilotoj de la federacia armeo direktas la je ferajprezo aĉetitajn maŝinojn al Afriko kaj tie „memkompreneble restas ankoraŭ iomete por la transdono kaj instruo". La gazeto memorigas, ke en la pasinta somero okazis raporto ĉe la UNO-komisiono por malkoloniigo, ke „okcidentgermanaj aviadiloj flugis ĉe la bataloj kontraŭ afrikaj movadoj por sendependeco, ekzemple en Portugala Angolo".

*(Korespondado pri ekstera politiko n-ro 4 kaj 5/1967) Trad. L. Schödl*




*Preskaŭ ĉiu tage faŝismaj elementoj en Okcidentgermanio profanas monumentojn por la viktimoj de la Hitler-reĝimo kaj judajn kultejojn. La bildo montras la enirejan tabulon de la juda sinagogo en Köln/Rhein surŝmiraĉitaj per koloro kaj hokkruco.*

## KORESPONDDEZIROJ

*Sovetunio:*

40 geesperantistoj (17–60 jaraj) deziras korespondi.
Adreso: Vasilij Stanoviĉ, ul. Parkova 19, kv. 5, SAMBOR, Ukraino.
Instruisto der germana lingvo en meza lernejo (59 jara) deziras korespondi. Feodov Glagol, provinco Tula, JEFREMOV, ul. „Svobody" n-ro 12, loĝ. 1.

Mi estas korespondkursa studento kaj laboras kiel alta teknikisto, alivorte kiel termezuristo, estas deknaŭjara kaj kolektas bildkartojn, Pl. Miaj hobioj: turismo, vojaĝoj, fotografiarto, ŝatas aŭskulti „Big-beat" kaj „Furorkantojn". Adreso: Guntis Biezais, Bauskas iela 41–3, RIGA 4, Latvio – Sovetunio.

*Hungario:*

Nova esperantisto (44 j). laŭprofesie ekonomiisto, serĉas seriozajn amikojn en Eŭropo por korespondado, unuavice pri esperantaĵoj, pacmovado, literaturo, kulturo, popolkutimoj, interŝanĝos bildkartojn kaj prospektojn. Adreso: Kamarás Attila, Szaboleska u. 19, GYÖR – Hungario.

*GDR:*

Interŝanĝo de libroj. Mi posedas la verkon „Dokumentoj de Esperanto" (Informilo pri la historio kaj organizado de la Esperantomovado, kompilita de D-ro A. Möbusz, 1921). Ĝi enhavas i.a. ĉiujn kongresparoladojn de D-ro L. L. Zamenhof. Anstataŭe mi deziras interŝanĝi la verkon „Ausführliche Grammatik der Esperanto-Sprache", von W. Velten. Bonvolu skribi al: Rudolf Hellfritzsch, GDR 9112 Burgstädt, Plantagenstr. 2

Libroofertojn (ankaŭ gazetojn) pri interlingvistikaj kaj esperantologiaj temoj en ĉiu ajn lingvo faru al Detlev Blanke, 2401 Dorf-Mecklenburg, Germana Demokratia Respubliko (GDR).

## SEKRETARIARO DE MEM

*Prezidanto:*
Nikola ALEKSIEV (Bulgario)
*Vicprezidanto:*
Karl KVIST (Svedio)
Tinka LAKOVA (Bulgario)
*Ĝenerala sekretario:*
Gösta HOLMKVIST (Svedio)
*Sekretario:*
Tomàŝ BALDA (Ĉekoslovakio)
*Centra administranto:*
Anton BALAGUE (Aŭstrio)
*Centra redaktoro de PACO:*
Wiliam GILBERT (Francio)

**Adresoj:**

*Por ĝeneralaj aferoj:*
G. HOLMKVIST, Rönneholmsvägen 55, str. 2, IV MALMÖ (Svedio)
*Por administraj aferoj:*
A. BALAGUE, Traiseng 26, ST-PÖLTEN (Aŭstrio)
*Por redakciaj aferoj:*
W. GILBERT, 30, rue Croix-Montoire, 37-TOURS-ST-SYMPHORIEN (Francio)

**Herausgeber für dieses Heft:**
Deutscher Kulturbund/Bundessekretariat (Zentraler Arbeitskreis der Esperantofreunde der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91. Verantwortlicher Redakteur: Eugen Menger. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Dr. Emil Rechtziegler, Erwin Schleusener, Willi Vildebrand. Veröffentlicht unter der Lizenznummer 1528 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Redaktionsschluß: 1. März 1967. Erscheint in der Regel zwölfmal im Jahr, jeweils als Ausgabe einer anderen MEM-Landessektion. Jahresabonnement: MDN 5,– einschl. Versandspesen. Preis dieses Heftes: MDN 1,–. Druck: III/9/1 Grafischer Großbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meißen.

**Eldono por tiu ĉi numero:**
Germana Kulturligo / asocia sekretariejo (Centra Laborrondo de la Esperanto amikoj de la GDR). Redakcio: 108 Berlin, Charlottenstrato 60, Telefono: 22 59 91. Respondeca redaktoro: Eugen Menger. Redakcia komisiono: Otto Bäßler, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Dr. Emil Rechtziegler, Erwin Schleusener, Willi Vildebrand. Redakcia fino: 1a de marto 1967. Aperas ĝenerale 12 foje dum jaro, ĉiu foje kiel eldono de alia MEM-landa sekcio. Presejo: III/9/1 Grafischer Großbetrieb „Völkerfreundschaft", Dresden, Betriebsteil Meißen. 145/67 - 36

## AL LA KUNLABORANTOJ DE „PACO" KAJ AL ĈIUJ (MEM)-ANOJ!

**La centra redaktoro bezonas pli da artikoloj pri la konkreta pacbatalo, notinde informojn, dokumentojn, argumentojn pri la milito en Vjetnamio, la rasapartigo en Usono kaj Sud-Afriko, la nazia danĝero en okcidenta Germanio, ktp. ... La 8 paĝoj (aŭ 16 en duoblaj numeroj), kiujn ŝuldas al MEM ĉiu sinsekva eldonanto devas esti plene dediĉitaj al nia pacbatalo, sed al la centra redaktoro ofte mankas taŭgaj artikoloj.**
**Bonvolu ĉiuj kunlaborantoj kaj ankaŭ aliaj MEM-anoj pripensi la problemon kaj sendi unuaece dokumentojn, kiuj donas al la legantoj motivojn por prisensi kaj agi.**

*W. G. -CR-*

## ENHAVO



HELENA SCIGALA – ligno gravuro
„Neniam plu ploru infanoj pro siaj patrinoj"